XVIa jaro. No 243 (11) ⋆ Monata ⋆ Novembro 1920

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Frankoj
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Frankoj
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . . 1.— Franko
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu-centimetra kolonero) . . . . . 2.— Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Franko
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Franko
*Rabatoj: 3 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRADO: 12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE



## LINGVA KOMITATO KAJ AKADEMIO

Pri diversaj demandoj rilataj al nia Lingva komitato kaj speciale pri la demando de landnomoj ni ricevis multajn leterojn kaj artikolojn, kiujn ni ne publikigos, por ne kaŭzi senfinan kaj senutilan polemikon.

Preskaŭ ĉiuj riproĉas la Lingvan Komitaton pri nelaboro kaj mallaŭdas la Akademion pro ĝia konservemo rilate al landnomoj. Nu, la du aferoj devas esti nepre apartigataj. Neniel ili rilatas unu la alian. La Haga kongreso jam sufiĉe severe sin esprimis pri la neceseco reorganizi la Lingvan Komitaton kaj sufiĉe klare postulis ke ĝi tuj eklaboru por prepari teknikajn vortarojn.

En sia lasta cirkulero al la L. K.-anoj, Profesoro Cart, la nova prezidanto de l' Akademio, anoncas efektivan respondon al la deziroj de l' Kongreso:

„*Tre baldaŭ la direktoroj por la komuna vortaro kaj por la teknika vortaro sendos al la Komitatanoj la necesajn, praktikajn instrukciojn, kiuj ebligos, ke, kunigante ĉiujn niajn fortojn, ni atingu por la komuna kaj por la teknika vortaroj, jam antaŭ la venonta Kongreso, efektivan rezultaton.*

*La necesan reorganizon de la Lingva Komitato por faciligi kaj plirapidigi ĝian laboron, ni ankaŭ esploros senpartie, tute ĝentile kaj amike, laŭ la deziro de la Haga Kongreso kaj la nia propra.*

*Kaj nun, kara Samideano, havu fidon. Post kvinjara nelaboro pro la neebleco de kunlaborado, necese internacia, ni ne tro parolos, ni agos.*

*Helpu al ni!*

*Laŭ nia agado nin juĝos la Esperantistaro.*"

Kun tiuj saĝaj intencoj ni plene konsentas. Ĉiuj anoj de la Lingva Komitato kunhelpu por ilin realigi.

En la sama cirkulero, Prof. Cart anoncas ankaŭ oficialan deklaracion de l' Akademio pri ĝia rolo kaj pri la necesa lingva unueco, kiun devas konservi la Esperantistoj. Ni deziras, ke tiu nova dokumento estu klara kaj mallonga. Estos bone rememorigi al la Esp. publiko la devenon kaj celon de l'Akademio, por ke neniu eraru pri ili. Kiel la veraj juristoj ĉerpas novajn leĝojn el la novaj kutimoj de l' popoloj, same tiu aganta estraro de nia Lingva Komitato devas ĉerpi la necesajn aldonojn al la Zamenhofa Fundamento nur el la vivo kaj uzado de nia lingvo.

Pri unueco la esperantistoj montris plenan saĝecon ĝis nun. Anstataŭ diskuri sur la vojoj de disfalo, ili kontraŭe kutimiĝis je pli kaj pli komuna stilo kaj elparolado. De Kongreso al Kongreso, de jaro al jaro, nia lingvo kreskadis al mirinda unueco. Eĉ en literaturo niaj plej bonaj aŭtoroj nur tre singardeme ekuzis novajn vortojn por ne riski malkomprenigon. Ili estis pravaj.

Estas ja bone, ke nia lingvo riĉiĝu per uzado ĉiutaga, sed estas ankaŭ nepre grave, ke ĝi ne fariĝu senutile pli malfacila por lernantoj.

Unu el ĝiaj plej ĉefaj ecoj estas sendube la fakto, ke oni povas ĝin ekparoli kaj kompreni post tre mal-

longa tempo da lerno. Se ni komencus uzi en la komuna lingvo „mikra“ por „malgranda“ aŭ „aperti“ por „malfermi“, ni certe malsimpligus la lingvon por multaj popoloj devigante ekz. la Ĉinojn kaj Japanojn lerni novajn tute nekonatajn radikojn.

Tial prave la Akademio povus laŭdi la singardemon de niaj plej bonaj aŭtoroj. Kontraŭ la danĝero de disfalo ĝi nur intervenu en okazo de grava tia danĝero, kiel ekz. en 1907 ĉe la idista krizo. Se ĝi volus solene „admoni“ okaze de ĉiu ajn novajeto aŭ predikadi pri disfalo kiam tia danĝero tute ne ekzistas, tiam ĝi malfortigus sian aŭtoritaton por la tempo de vere gravaj okazoj, simile al la fama paŝtisteto, kiu tro ofte kriis „Jen lupo!“. Kiam la lupo vere alkuris, jam neniu lin aŭskultis.

La Akademio ne devas fariĝi organo propaganda. Ĝi devas resti kontrola kaj labora. Tial ĝi saĝe rifuzis oficialigi en 1910 novan finiĝon por landnomoj, kiun preskaŭ neniu uzis. Same tial ni malaprobis ĝian senpripensan kaj senekzamenan intervenon kontraŭ tiu sama finiĝo, kiam la plej multaj niaj gazetoj ĝin uzadis pro la novaj cirkonstancoj geografiaj kaj politikaj en Orienta Eŭropo en 1920.

La Kunveno de L. K.-anoj en Hago unuanime petis, ke la tuta demando pri landnomoj estu restudata kaj submetota al voĉdonado de la Lingva Komitato post zorga ekzameno de *ambaŭflankaj* spertoj; ĉar pli ol kvin anoj subtenis tion, laŭ la regularo ĝi devos okazi. Tial ni lasu tiun demandon nune kaj konservu nian plenan liberecon de juĝado, same kiel en tiu ĉi gazeto la nuna redaktoro ne ĉesis mem uzi la malnovan finiĝon por landnomoj, dum liaj kunlaborantoj por kroniko kaj oficiala parto daŭras uzi la novan kiel en la tempo de H. Hodler. Ni ĉiuj restas liberaj. La sperto montros al L. K. kion decidi.

Multe pli gravaj kaj interesaj estas la entreprenoj anoncitaj pri preparado de teknikaj vortaroj. Al tiu tasko nia kolego D-ro Corret povos dediĉi sian viglan talenton multe pli utile ol en akra polemikado kontraŭ la landnomaj opinioj de nia mortinta prezidanto, kies kara memoro restas alte super tiaj vantaĵoj. Senprokrasta organizo de tiu plej urĝa laboro ankaŭ alportos sinceran dankon de la esperantistaro al Profesoro Cart, kiun ni elektis al prezidanteco de l' Akademio ne nur, kiel li kredas laŭ lia lasta cirkulero, „pro senlaca dudekjara batalado por fideleco al la Fundamento“, sed ankaŭ pro la simpatia fido, kiun ni havas en lia persono kaj en lia kompetenteco de scienca lingvisto, kutimiĝinta je respekto al la faktoj de la vivo.

*Edmond Privat.*



 NUNTEMPAĴOJ 

## Mondmilito, terkatastrofoj, epidemioj kaj universa leĝo

La antikvuloj jam interrilatigis periodajn terkatastrofojn kiel ciklonojn kaj superakvigojn, sekecojn kaj epidemiojn kaj eĉ geologiajn ŝanĝojn kun astraj kaj speciale sunaj statoj. Verdire la antikva vidmaniero klarigis tiujn okazaĵojn, kiel ankaŭ la leviĝon kaj malleviĝon en la deveno kaj disvolvo de la homa gento, el supertera trascenda dependeco. La moderna scienco konsentas, ke estas vero en la kerno de l' mito, sed donas al ĝi klarigon naturalisman kaj mekanisman. En 1857 la Zuriĥa astronomo Wolf atentigis al la astraj interrilatoj de la sunmakuloj kun la termagnetismo, kaj pruvis tiujn ĉi interrilatojn science. Preskaŭ samtempe D-ro P. Reis kaj P-ro Zöllner († 1892) difinis la influon de la sunmakuloj kaj de iliaj varmaj ondoj sur la teron kaj la organan mondon, Hertz kaj aliaj la influon de la elektraj ondoj. Zöllner, al kiu la astrofiziko interalie dankas aparaton por la observo de la sunaj protuberancoj, skribis ankaŭ pri la efiko de la suno kiel aganto de preskaŭ neelĉerpebla fortfonto, kiu kondiĉas ĉiujn niajn ĥemiajn, fizikajn kaj organajn procedojn, sed laŭ alterna ritmo de malsekaj kaj sekaj periodoj, en ekzakta interligo kun la okazaĵoj de milito kaj de epidemioj, kiel ankaŭ de paco kaj de kulturprogreso.

Laŭ ĉi tiu teorio, astraj influoj estigas sur la tero en la popola kaj spirita vivo jen militemon, jen pacemon. La pruvo de tiu ĉi interrilato, kaj speciale de tiu ĉi perioda influo de la sunmakulaj jarvicoj, kun tiu ĉi mekanismo de l' homa spirito, estis la celo de multaj samtempulaj sciencistoj. Hermann Habenicht en sia „Skizo de ekzakta historio de la Kreo“ (1896) kaj en 1876 P-ro K. W. Zenger en siaj verkoj: „Pri la kaŭzo de la sunmakula periodo“ kaj „Meteorologio de la suno kaj de ĝia sistemo“ konkludis — sed ne sen kontraŭdiro — el multaj observoj jene: Ĉiuj gravaj ventegoj kaj meteorologiaj malordoj estas kaŭzataj de la suno kaj speciale de la periodaj astraj nenormalaĵoj, kunligitaj kun la sunaj makuloj, kaj per tiuj ĉi ankaŭ elektromagnetaj eksplodoj de la suna korpo, kiuj kaŭzas animajn ekskuojn en la homa spirito.

„Kuraĝigitaj de tiuj ĉi nunaj esploroj, la Berlinaj sciencistoj Gasse kaj Mewes faris lastatempe el tiuj influoj de la sunmakulaj periodoj sur la homa incitebleco la temon de nombraj esploroj kaj eldonaĵoj. De tiam D-ro W. Fliess kaj H. Schlieper esploris la saman fakon evolucie kaj fiziologie. Verdire Fliess ne pritraktis la periodan interrilaton kun la irado de la astroj, kvankam Paracelsus (1528) kaj la naturfilozofo d'Argens (1741) povus montri al li tiun direkton. La moderna kuracisto D-ro Fliess observas ĉion periodan de la naskiĝo ĝis la morto, okazantan laŭ la mekanismo de simpla ciferrilato, kiel jam instruis Pitagoras kaj post li Blavatski. Schlieper kompletigis tiujn esplorojn. De kiam la scienco alskribis la alfluon kaj forfluon de la maroj al la altirforto de la luno, ĝia influo sur la organaj ĉeloj (kresko de la fruktoj) kaj sur la homa animo (lunatikaj statoj) estas ne konsentita.

Tial la praa modern-science renovigita supozo de astraj influoj sur la animo de la homa societo jam ne estu konsiderata kiel ridinda. Cetere Svante Arrhenius kaj aliaj astronomoj montris pri sunaj protuberancoj kaj suntorĉoj grandecon preskaŭ nekredeblan: spektroskope mezuritaj el la sun-

rando elstarantaj fajrokolonoj longaj 690,000 kilometrojn, kiuj suprenleviĝas je rapideco de 840 kilometroj sekunde.

La supre nomita Berlina fizikisto Rudolf Mewes publikigis jam dum *1896*, en la konata okultscienca eldonejo Max Altmann, Leipzig, verkon kun la pretendema titolo: „Milit- kaj kulturperiodoj en la popolvivo kaj anonco de la venonta mondmilito.“ Konsiderante la naturinterrilatojn, li provas pruvi „ke post la malseka periodo de 1876 ĝis ĉirkaŭ 1904, mondmilito, simila al la Napoleona, interbataligos la popolojn de Eŭropo“. Plue li diras: „Tiujn ĉi mondskuantajn militojn anoncos jam en la lasta triono de la malseka periodo, en kiu ĝi alproksimiĝas al la seka, kelkaj militoj malpli gravaj. Kaj ŝajnas, ke tio nun veriĝas (1896). La terura fantomo de la venonta mondmilito jam antaŭenjetas sian ombron, kaj vidigas siajn malbrilajn lumojn tra minacaj fulmonuboj...“

La Ruso-Japana milito, kiel ankaŭ la militaj ekskuoj en Balkano, kaj poste, en 1914, la mondmilito mem, donas al tiu ĉi astra-fiziologia antaŭscio de Mewes la karakteron de plenumita profetaĵo. Sed jam en 1896 ĉi tiu antaŭscio ne kontentigis Mewes'on, ĉar ĝi estis farita ankaŭ de aliaj pro politika antaŭvido; li liveris mondhistorian tabelon de la periode alternantaj ondlinioj de militaj kaj pacaj periodoj; ĝi mencias ĉiujn milit- aŭ sek-periodojn kun la atmosferaj malordoj kaj mondkatastrofoj kaj epidemioj de post 2400 a. Kr. ĝis 2100 p. Kr.; ankaŭ la malsekajn periodojn kun iliaj artaj kaj sciencaj venkoj; aldone la paralelismon de la sunmakulaj jaroj kun ĝiaj kosmaj malordoj kaj elektromagnetaj influoj sur la popolanimo. Ĉiu periodo de 111 jaroj enhavas, laŭ lia opinio, „du periodojn sciencajn kaj artajn, ĉiu kun la meza daŭro de 27,8 jaroj.“ El la interrilato kun tiuj ĉi veterperiodoj de la suna sistemo la aŭtoro provas laŭcifere pruvi, ke en la daŭro de la mondhistorio efektive montriĝas tia perioda alterneco inter milito kaj paco, inter milita kaj kultura agado de la popoloj... ke la mondhistorio en periodo de 55—56 jaroj progresas, kaj en ĉiu el tiuj periodoj unufoje alternas inter milito kaj paco.“ Laŭ la sama principo de mezaj vicoj de 28 jaroj, Mewes kalkulis en 1896 la milito- kaj pacoperiodojn de l' estonto ĝis 2072 jene: 1848—1876 la Germanaj militoj k. a.; 1876—1904 florado de l' artoj kaj sciencoj; 1904—1932 mondmilito (enkalkulante la revoluciajn malordojn ĝis la nova ordigo de la mondaferoj); 1932—1960 paco kaj interna disvolvo; 1960—1988 milito; 1988—2016 paco; 2016—2044 milito; 2044—2072 paco k. t. p., tiom longe kiom la tero turnos ĉirkaŭ la suno kaj la homo vivos kaj agos sur la tero.“

Tiun alternecon kaj la samtempajn tertremojn, ciklonojn, nordlumojn kaj la elektran malordigon de la homa animo kiel terajn incitaĵojn de la superteraj sunaj malordoj kaj kiel korespondajn fenomenojn de ili Mewes kunligas kun la laŭleĝa pozicio de la grandaj planedoj Jupitro, Saturno kaj Uranuso rilate al la luno. „Tial — skribis li en 1896 — ni devas atendi inter la jaroj 1904—1932 mondmiliton pli gravan ol tiuj de la lasta periodo de dua grado de 1848 ĝis 1876, kaj kiu egalos tiun de Napoleono en la seka maksimumo de 1798—1826, aŭ eĉ pli ĝuste, tiun de la seka maksimumo de 1686—1714, ĉar la militperiodoj, same kiel la balanciĝoj de la magneta montrilo kaj de la sunmakuloj, montras proksimume ducentdudekan periodon. La plej altan gradon de tiu ĉi lukto inter la Eŭropaj nacioj, kiun post kelka tempo partoprenos ankaŭ la Mongola raso, oni spertos ĉirkaŭ 1910 ĝis 1920.“

Pro la samaj kialoj tiu aŭtoro estis ankaŭ fiksinta la duan mondmiliton je la jaro 1980. En la „Deutsche Heereszeitung“ (Germana armegazeto) januaro *1898* F. Kœnig bonvole atentigis al ĉi tiu profesaĵo de Mewes! En la dua eldono de sia verko, en 1917, Mewes kompreneble sin gloris, ke lia unua antaŭkalkulo veriĝis laŭ ĝia tuta tragedia graveco. Bedaŭrinde realiĝis ankaŭ la de li por la seka periodo de la mondmilito antaŭdiritaj epidemioj.

Nicolai en sia fama „Biologio de la milito“ kaj Meray en sia „Monda mutacio, kreoleĝoj pri milito kaj paco“ konsideras la militon biologie kiel naturprocedon, sed el internaj fiziologiaj kaj socialaj kaŭzoj, anstataŭ kiel Mewes, kiel eksteran superteran mondagon. Tamen, el la lasta vidpunkto, kelkaj eldiroj de Meray estas interesaj, ekzemple: „Ne sufiĉas rigardi la militon kiel agadon de homaj individuoj. Ĝi estas... produkto de tutaĵo... pere de naturprocedo... Tiu ĉi grandega fenomeno de la vivo (la milito) devas iamaniere dependi de la leĝoj, kiuj ĝenerale regas la vivon.“ Sed ĝuste en tiu ĉi punkto Meray flankeniĝas en sian socialteknikan evoluan doktrinon de la milito, dum la fizikisto Mewes supreniras al la kosma universeco.

La lasta provis jam en sia verko „Forto kaj Maso“ kaj en la pli malfruaj „La elementa fiziko de l' etero“ (en Germana lingvo) montri laŭ pure naturmekanikaj principoj la interdependecon de la sunmakuloj, elektraj fluoj, nordlumoj kaj epidemioj, kaj en 1918, en la dua eldono de sia tre science verkita libro pri „La militaj kaj spiritaj periodoj“, en la ĉapitro pri la epidemiaj periodoj li memfide skribas: „Laŭ la statistiko oni devas atendi inter 1900 kaj 1930 gravan plimultiĝon de la epidemioj, ĉar la meteorologia karaktero de tiu epoko, pro la pliiĝo de la sekeco, tre verŝajne stimulos la epidemiojn.“

Post kiam G. Sticker 1898 en sia historio de la pesto kolektis kaj klarigis abundan materialon, Mewes ankaŭ pri tio konkludas periodan revenon. Tamen por nin konsoli li atentigas al la progresinta medicino precipe dank' al la moderna metodo de la detruo de la bakterioj per artefaritaj ozonproduktiloj. Ankaŭ la antaŭ nur malmultaj jaroj mortinta bakteriologo Metchnikof atentigis al la bakteriajn detruanta eco de l' ozono. Aliparte en la de Mewes cititaj sunmakulaj periodoj, do ankaŭ en la militperiodoj, tiu ĉi bonfara efiko de l' ozono estas malbonigita — kion povas jam duonsciigi la seka periodo kaj la manko de la fulmotondroj. Aldonu en la militjaroj — precipe kiel sekvo de mondmilito la nesufiĉan nutradon de vasta popolanaro, kaj la pro tio pliigitan impreseblecon per epidemioj, plue la supersatigon de la tero per la putraĵoj de homaj kaj bestaj kadavroj.

Tial por ni, same kiel por Mewes, prezentiĝas la demando: „Ĉu mondmilitoj estas faro de l' homo aŭ de la naturo?“ Tiu ĉi demando jam ekscitis kaj instigis multajn filozofojn kaj natursciencistojn. Ĝis nun oni supozis, ke la milito same kiel la paco estas diktataj de la homa volo, kaj influataj de eksteraj politikaj cirkonstancoj. Kiel scienca frukto de la nova buĉado formiĝas nun novaj ideoj, kiu komprenigas la militon kiel neeviteblan procedon, ĉe kiu la propra naturo, aŭ eĉ la malproksima naturforto en la universo prilaboras la volon de la unuopulo kaj ankaŭ de tutaj popoloj, ĝin aliigas, kaj malsaneme incitas, ĝis kiam ili sin spirite nenormale elĉerpas, kaj kaŭzas militojn, buĉadojn kaj revoluciajn abomenaĵojn. Tion supozante, ni havas la duoblan devon, individue kontraŭbatali ĝin, kaj nin sociale organizi kiel kontraŭ aliaj turmentoj de la naturfortoj, kaj kiel kontraŭ la epidemioj mem, tiel ankaŭ kontraŭ la perioda epidemio „milito“. Se tamen la kosma leĝo subigus la moralan popolligon, estus almenaŭ kontentigita la postulo de la mondkonscienco.

Se ni konsentas tiun ĉi kosman superteran efikon, la demando: „Kiu estas kulpa pri la milito?“ iĝus demando pri malsaneco anstataŭ demando pri respondeco. Ankaŭ la problemo pri la instiginto de la milito, pri la malvirteco en la sangaj periodoj, pri la revolucie ekscitita homtipo kaj multaj aliaj aferoj ricevus novan pli akcentitan reliefon kaj nesupozitan priјuĝon. Ĉio ĉi kondiĉe ke la kosmaj supozoj

de Mewes kaj aliaj veriĝas, ke pluaj esploroj faros el tiu ĉi interligo novan sciencon, ke sekve venontaj generacioj devige atribuos la militon al la neeviteblaj naturokazajoj. Sed eĉ tiam ni ne devus ĉesi per moralaj klopodoj malakrigi la rezultojn de tiu ĉi potencega ludo, kaj nin armi per fortigita pacemo, la sola nacia militpreparo. Nia ĉagreno nerefuzeble kaj mallerte dependi de la naturo estu plidolĉigata de la konsidero, ke en la universo ekzistas sennombraj korpoj multe pli grandaj ol la tero kaj ol nia homsocia organizo, kiuj ankaŭ estas severege regataj de la praleĝa forto de l' universo.

D-ro *Franz Heinemann*.
Trad.: *A. C.*

# ☆ TEKNIKA LUDFAKO ☆

## Ŝakludo inter Esperantistoj

Jam antaŭ la milito „Esperanto" ricevis sugestojn publikigi ŝakproblemojn, kaj lastatempe tiaj petoj ripetiĝis. Ĉiam dezirante servi siajn legantojn nia gazeto estus preta oferi lokon por tiu celo, se troviĝas sufiĉaj interesuloj. Por la organizo ni devus trovi ŝakredaktoron kaj havus pliajn elspezojn por la presigo de la tabuloj. Ĝis nun ni ne urĝis, ĉar en ĉiuj landoj ne mankas gazetoj kaj libroj pri ŝako. Tamen, se vere multaj abonantoj estus pretaj subteni per kunlaboro kaj kelkaj oferetoj tian ŝakangulon, ni ĝojus pri la ebleco kunigi al nia lingva movado unu el la malmultaj vere internaciaj kaj pacaj aferoj. Malfermiĝas belaj perspektivoj: dum la Esp. kongresoj oni povus aranĝi ŝakan vetludon, nia lingvo estus pli facile propagandebla inter la milionoj da ŝakistoj kaj el niaj modestaj notoj eble disvolviĝus la internacia ŝakgazeto, Esperante verkita, kun la plej valoraj partioj kaj komentarioj el ĉiuj landoj.

Tiu enkonduka artikoleto nur celas malfermi la diskuton pri la ĉefaj kondiĉoj: lingvaj esprimoj, unueco de la reguloj, kaj organizo. Ne estante ŝakteoriisto kun faka biblioteko, sed simpla ludanto, kiu ŝakbatalas kaj batas laŭ bonŝanco, la skribinto volonte akceptos pli bonajn proponojn.

*Esprimoj.* — El Esperanta literaturo ni nur konas, sed ne havas, unu libron: Dekdu ŝakproblemoj, kaj artikolon aperintan en „Le Monde Espérantiste". Cetere estas laŭ nia scio interkonsento pri la ĝeneralaj esprimoj, kiel: ŝako, partio, kampo, mato, pato, remizo, movo, ktp. La ludilojn (A. Chessmen, F. pièces, G. Figuren, I. figure, H. piezas) oni nomu: figuroj.

*Nomoj de la figuroj.*

| *Angle:* | *France:* | *Germane:* | *Itale:* | *Hispane:* |
|---|---|---|---|---|
| King | Roi | König | Re | Rey |
| Queen | Dame | Dame | Regina | Reina |
| Rock, Castle | Tour | Turm | Rocco | Torre |
| Knight, Horse | Cheval | Springer | Alfiere, Cavallo | Caballo |
| Bishop | Fou | Läufer | Delfino | Alfil |
| Pawn | Pion | Bauer | Fante | Peon |

Ni proponas diri: laŭ la kutima formo: Turo, T; kaj Ĉevalo, do Ĉ aŭ simple C; laŭ internacieco: Reĝo, R; Damo, D; (reĝino kun signo R-ino estus malpraktika, cetere en la oriento la reĝino nomiĝis pli ĝuste: Granda Veziro) kaj Peono, P. (Peono devenanta de Lat. *pedester* = piedulo, estas pli originale ol piono.) Restas la oblikvulo, inter kies multaj fantaziaj nomoj oni devas elekti. Ni proponas: Kuristo, K, kio kvazaŭ staras meze inter la A *bishop* (episkopo) kaj la F *fou* frenezulo. Tiel Angloj, Francoj kaj Hispanoj retrovus sian Peonon, la Francoj kaj Germanoj la Damon, kaj la Germanoj la Kuriston. La tuta vico estus: Reĝo, Damo, Kuristo, Ĉevalo, Turo kaj Peonoj. R, D, K, Ĉ, T, P. La kvin unuaj nomiĝas oficiroj, la ok Peonoj okaze ankaŭ soldatoj.

*Reguloj.* — Oni pretendas ilin tute internaciaj. Sed tio ne estas ĝusta rilate al la maniero numeri la kampojn, kaj pri la resto almenaŭ rekomendiĝas detala esploro.

*La kampoj.* Estas du sistemoj, la Angla-Franca, kaj alia, kiun ni povas nomi la matematika. Ambaŭ interkonsentas nur pri la pozicio de la breto, ke ĉe la du ludantoj estu sur la unua linio dekstre blanka kampo. La matematika sistemo numeris la kampojn el la vidpunkto de la ludanto kun la blankaj figuroj. Lia plej proksima linio kun liaj oficiroj nomiĝas 1 a, poste sekvas 2, 3, ĝis la 8 a, kiu estas la linio kun la nigraj oficiroj. Tiuj linioj, 1—8, estas paralelaj al la ludantoj. La 8 aliaj, starantaj ortangule sur ili, kiuj iras de unu ludanto al la alia, nomiĝas a, b, c, ĝis h, deirante de la maldekstra flanko de la blankaj figuroj. Se estus landkarto, la paralelcirkloj nomiĝus do 1—8 de la ekvatoro al norda poluso, kaj la ok meridianoj a—h, de Greenwich al Pekingo. Ĉar tiamaniere la kampoj estas klare definitaj, oni kutimas aldoni la nomon de la figuro nur se estas oficiro, ne se moviĝas Peono. Ĉiam oni indikas krom la loko de alveno ankaŭ la forirlokon, kio multe helpas okaze de eraroj. Ekzemple e 1 kaj e 8 estas la lokoj de la reĝoj; e 2—e 4 estas konata komenco, kun sekvo: e 7 — e 5, poste Ĉ g 1—f 3, k. t. p.

La Angla-Franca sistemo estas pli komplika. La „paraleloj" nomiĝas 1—8, sed malsame laŭ la du ludantoj. Se blanka D rekte antaŭiras ĝis la 7 a kampo, tiu kampo nomiĝas 7, sed se la nigra D okupas tiun saman lokon, ĝi nomiĝas 2. Ambaŭ ludantoj kalkulas memstare, la linio 3 a de la blankulo estas la linio 6 a por la nigrulo, la 4 a de unu = 1 a 5 a de la alia, ktp. Meridianoj: la maldekstra flanko de la blanka kaj la dekstra de la nigra ludanto nomiĝas flanko de la Damo, la alia estas la flanko de la Reĝo. Ĉiu linio konservas la nomon de sia oficiro en la originala pozicio, do linioj de la T, Ĉ, K, Dama flanko, poste linioj D, R, kaj fine K, Ĉ, T, Reĝa flanko. Kiu ne havas grandan kutimon pri tiu sistemo, ĉi-tiu malfacile komprenas la kunigon de ĝis tri esprimoj por unu sola kampo. Ekzemple P al D K 3 a = Peono al 3 a linio, Kurista meridiano je la Dama flanko. Eĉ tio ne estas preciza, ĉar tiu 3 a linio ne estas la sama, ĉu ludas la blankaj aŭ la nigraj. La matematika signo estas simple c 3 en unu, kaj c 6 en la alia kazo.

Jen 5 komencaj movoj el ŝakpartio publikigata en „London News", № 4181; la originala teksto, laŭvorta traduko, kaj la transskribo en la matematika sistemo. — Unua linio: Blankaj. Dua linio: Nigraj.

| | Angla. | Traduko. | Matematika sistemo. |
|---|---|---|---|
| 1. | P to Q 4 th. | P al D 4 a | d 2 — d 4 |
| 1. | P to Q 4 th. | P al D 4 a | d 7 — d 5 |
| 2. | Kt. to K B 3 rd. | Ĉ al R K 3 a | Ĉ g 1 — f 3 |
| 2. | P to Q B 3 rd. | P al D K 3 a | c 7 — c 6 |
| 3. | P to B 4 th. | P al K 4 a | c 2 — c 4 |
| 3. | B to B 4 th. | K al K 4 a | K c 8 — f 5 |
| 4. | Q to Kt 3 rd. | D al Ĉ 3 a | D d 1 — b 3 |
| 4. | Q to B sq. | D al Ĉ sama linio | D d 8 — c 8 |
| 5. | P takes P | P prenas P | c 4 × d 5 |
| 5. | P takes P | P prenas P | c 6 × d 5 |

Por tiu reciproka prenado de la peonoj la unua sistemo nur diras P prenas P, dum la matematika precizigas la kampon kaj aldonas la prensignon ×. Oni atentu, ke la du unuaj kolonoj ne enhavas la pozicion de la foriro, kiel la tria. Alie ili estus ankoraŭ pli larĝaj.

Tiu komparo eble interesas ŝakludantojn, kiuj nenion sciis pri la dueco de la sistemoj. Ĉar en Esp. gazeto estis proponita ĝuste la komplika, ni insistas rekomendante la matematikan. Por internacia uzado ĝi estas la sole akceptebla. Cetere ĝiaj anoj neniam volus aliĝi al metodo komparebla al lingvo nacia, ĉe kiu motivoj historiaj anstataŭas la facilecon.

*La reguloj pri ludado* estas sufiĉe firmaj, tamen ekstaras okaze duboj pri detaloj de la rokado, la prenado dum trapaso, la nombro de movoj permesata por matigi kontraŭan reĝon tute solan, ktp. Ankaŭ ekzistas personoj, kiuj, laŭ nia scio tute malprave, komencas kun du movoj, postulas, ke oni diru ŝakon al la Damo, ktp. — Por la problemoj valoru la regulo, ke la unua movo neniam estu ŝakigo de la reĝo. Estas dezirinde, ke la bonvolaj kunlaborantoj

sendu al nia elektota ŝakredaktoro la regulojn el siaj naciaj libroj, aŭ regularojn de internaciaj turniroj, por ke li povu precizigi ĉiujn detalojn.

Pri *Organizo* ni ne celas la fondadon de Esp. ŝaksocieto kun kotizaĵoj. Sed por ke la ŝakangulo en „Esperanto" taŭge funkciu, oni devas havi specialan redaktoron, sufiĉajn interesulojn kaj komence iom da mono por pagi la kostojn de la ŝakbildoj. La subskribinto estus preta korekti la presprovaĵojn, sed ne redakti tian fakon, ĉar mankas al li tiel la kompetenteco kiel la tempo. Ni demandas do la Esperantistajn ŝakamantojn:

A. Kiu el vi estus preta funkcii kiel ŝakredaktoro? La tasko estus publikigi 8—10 foje ĉiujare kelkajn problemojn, akcepti kaj respondi demandojn, eble prijuĝi partiojn, ktp. Tiu tre interesa laboro estus grava servo por ni, ĉar sen redaktoro neniu ŝakangulo, kio estus domaĝe. Kiel salajron li ricevos la kutiman de Esperantista redaktoro: plendojn pri faritaj aŭ supozitaj eraroj, kaj okaze afablan dankleteron.

B. Ĉu kelkaj el vi estus pretaj subteni la entreprenon finance, por ke la eldonisto ne devu ankoraŭ elspezi la necesan monon el sia poŝo?

C. Kiom da abonantoj interesiĝas pri ŝakludo? Ĉar ĉio dependas de la akcepto, kiun trovos la nuna sugesto, *ni petas, ke ĉiuj interesuloj sendu poŝtkarton al la eldonejo de „Esperanto"*. Se estos sufiĉaj, almenaŭ 30, ni ĝoje publikigos la unuan liston de Esperantistaj ŝakamantoj.

Fine kelkaj vortoj al la Esperantistoj, kiuj ne ŝakludas. Tro ofte oni konsideras la ŝakon kiel kvazaŭsekretan sciencon, malfacilegan, nur alireblan al matematikistoj, al geniuloj aŭ duonfrenezuloj, laŭ la takso. Kredu sinceran konsilon, ke la kutima ŝakludo estas tute ne tiel malfacilega kiel vi supozas, nek enuiga aŭ netaŭga por personoj profesie okupataj. Ne forgesu, ke la timigaj signoj kaj ciferoj en tiu artikoleto nur estas la skriba esprimo de relative simplaj faktoj. Kaj se vi vidas du personojn ĉe ŝakbreto, envolvitaj en fumnuboj, kun varmegaj kapoj, kiuj fiksrigardas la breton kaj post kvaronhora tiel nomata pripenso movas prudente figuron kvazaŭ ĝi estus ruĝvarma feraĵo, tiam lasu al ili la plezuron, sed ne kredu, ke tia ludmaniero estas devo aŭ kutimo. Kiu ne alcelas la majstrecon, tiu konscias, ke oni povas plaĉe ludi pianon ne ekzercante ĉiutage tri horojn, kaj ke la agrablaj Esperantistaj rilatoj ne dependas de altkapablo verki poeziaĵojn kiel D-ro Zamenhof. Simile estas kun la ŝako, kiu, ludata inter du proksimume samfortaj kontraŭuloj, estas same plezuriga por la komencanto kiel por la spertulo. Ĉar la multajn eblajn kombinojn ne vidas la komencanto, ili ankaŭ ne ĝenas lin. Iom post iom, laŭ lia progreso, ili aperos ĉiam pli riĉaj kaj belaj, tiel plimultigante la ĝuon, kiel tion povas efiki neniu alia ludo. Kaj ne sole vi scios ludi. Esperéble vi ankaŭ estos lerninta malgajni, ne plendante, kaj pasigi agrablan vesperon kun amiko, ne babilante pri aliaj personoj. Du pliaj valoraĵoj! Se do vi havas neokupitajn horojn aŭ okupon necesiganta spiritan kontraŭbalancon, se vi havas zorgojn forgesigotajn, se okaze vi sentas emon al bataloj kaj disputoj per kiu, kiel pacema Esperantisto, vi ne volos suferigi vian edzinon kaj infanojn, tiam ludu ŝakon. Vi revenos refreŝigita kun danko pro la bona konsilo. *Ed. Stettler.*

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **La kaverno de la ventoj.** — Certe ne al ĉiu estas konate, ke sendanĝere oni povas estadi sube de la mondfamaj, grandegaj akvofaloj de l' Niagara (Nord-Ameriko). Je la orienta parto de la faloj, limigataj dekstre de la Prospekt parko, maldekstre de la kapra insulo, tute apud ĉi tiu insulo troviĝas la kaverno de la ventoj. Per mallarĝa ŝtuparo de la malgranda luninsulo oni eniras blokdomon, kiu estas la antaŭejo de unu el la plej strangaj lokoj de la mondo. Post pago de 1 Dollar oni sin senvestigas en blokdoma ĉelo kaj, vestigataj nur per bantrikotaĵoj, bastŝuoj kaj manteloj, la vizitantoj sin maneprenas, kaj unu post la alia eniras la ventkavernon. La unua impreso estas grandioza kaj preskaŭ nesuferebla por malfortnervaj personoj. Oni iras sur la fundo de la riverlito en ellavita kavo. Maldekstre oni devas iri apudege de kruta rokmuro, dekstre oni rigardas la grandegajn akvoamasojn, kiuj falegas kun sentkonfuziga tondrosimila bruego malsupren de 50-metra altaĵo. Kontinua uragano furiozas en ĉi tiu kaverno, tiel ke nur pene oni povas resti starante. Nur iomete da taglumo eniras tra la densa akvomuro; la aero, plenigata da polvigita akvo, premegas la spiradon. En la kaverno de la ventoj efektive oni sentas kaj vidas la grandiozecon de la majesta naturfortego kaj — ankaŭ la homan malgrandegecon. — Trad.: *Otto Marquard.*

.·. **Amplekso de Jugoslavio.** — Laŭ oficialaj sciigoj de la ministrejo por sociala politiko, dum junio 1920, la amplekso kaj la nombro de la loĝantoj de Jugoslavio (jugo-sudo) estas:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Serbio . . . . . . . . | 87,358 km² | kun | 4,456,909 | loĝantoj |
| Vojvodina . . . . . . | 41,750 | „ | 2,675,232 | „ |
| Montenegro . . . . . . | 14,180 | „ | 435,000 | „ |
| Bosnio kai Hercegovino . . | 51,199 | „ | 1,898,044 | „ |
| Kroatio kaj Slavonio . . . | 42,533 | „ | 2,621,954 | „ |
| Dalmatio . . . . . . . | 12,831 | „ | 645,666 | „ |
| Slovenio (Karintio, Krainio) . | 21,681 | „ | 1,610,082 | „ |
| Entute la juna ŝtato havas . | 271,532 km² | kun | 14,342,887 | loĝantoj |

Ĝi estas do pli granda kaj havas pli da loĝantoj ol ĉiuj ŝtatoj de Sudorienta Eŭropo kiel Rumanio, Greklando, Bulgario, Albanio kaj Hungario; ĝi antaŭiras ankaŭ Ĉeĥoslovakion kaj Aŭstrion. — *H. J.*

.·. **Mariavitismo** (Vita Mariae) estas tre grava religia movado en Polio. Ĝia enhavo kaj celado estas: realigi vivan kristanecon, kristanajn principojn, do renaskigi mortintan vivon de nunaj kristanoj. Rimedoj: plena reformo de pastraro. Laŭ Mariavitismo la dia ideo de la Kristo devas bruli precipe kaj vere en liaj disciploj-apostolojpastroj, bruli fakte, efektive. Antaŭe la kristana (precipe katolika) pastraro devas rekonstrui sian vivon laŭ la evangeliaj principoj. Vivo pastrara difiniĝas per solenaj promesoj, nome: vivi sen propraĵo, vivi en vera ĉasteco, servi al popolo, ne regi, vivi sen privilegioj, sen honoroj, rangoj, simple, malriĉe. De popolo, de fideluloj ne preni ian pagon pro funkciado pastra sed el propra paroĥa, uzi nur nepre neceson por vivo, ne uzante viandon, alkoholon, ne fumante, plej alta simpleco de la vivado. Pastraro mariavita devas peni realigi la veran formon de la feliĉa (religie, sociale, politike) vivado. Mariavitismo akceptas la plej altan progreson de vera civilizo en ĉiuj rilatoj, sed decide forĵetas ĉiujn trouzojn, sensencaĵojn, artefaritaĵojn de vivado, do penadas per ĉiuj fortoj krei la eblan idealon de vivado laŭ ekzemploj evangeliaj laŭ Vita Mariae, Dipatrino.

Tiu-ĉi grandega movado inter rom-katolika pastraro komencis en Polio, kaŝe en 1893, malkaŝe en 1906. Tiun ĉi faron iniciatis la virino Feliksa Koztowska en Plock 1893. La historio de la Mariavitismo en Polio estas strange mirinda. Por renaskiĝa batalo ekstaris ĉirkaŭe 100 pastroj romkatolikaj. Tuj komencis hierarĥia persekutado. En 1907 Pius X ekskomunikis Mariavitojn malaprobante iliajn reformojn. Komencas aparta organizo mariavita eklezia. Mariavitoj fariĝis liberaj de Romo kaj aranĝis malnovan katolikan, nacian eklezion unuiĝante kun Malnova Katolika Eklezio de Svislo, Germanio, Aŭstrio, Nederlando k.t.p. Al Mariavitismo aliĝis ĉirkaŭ 200,000 personoj, precipe la proletaria parto. Mariavitismo antaŭsentis, antaŭvidis la novan epokon irantan al homaro. Nova epoko devas fariĝi el la plenumo de veraj idealoj, religiaj, socialaj, Mariavitismo forte kredas, ke realigi tiujn ĉi idealojn povas sur la fundamento de vivantaj principoj evangeliaj, kiujn oficialaj eklezioj mortigis, substituinte formojn farizeajn, eksterajn, kutimajn.

Granda ideo de Turianismo-Mesianismo pola, kondukata de poeto A. Mickiewiecz, estas por ni Mariavitanoj tre proksima. Ni estas nur kiel sekvantoj kaj heredantoj. Mesianistoj agas inter inteligentuloj, ni precipe inter simpla popolo. Ni kun popolo!

*Adam Furmanik*, pastro mariavita.

# LITERATURO

## La fianĉo

Rakonto de **Dimitr Ŝiŝmanov**

*Dimitr Ŝiŝmanov* estas nuntempa bulgara talenta beletristo, kies verkoj — precipe rakontoj kaj noveloj — montras akran psiĥologian observon. Samkiel lia patro, la famkonata profesoro D-ro Ŝiŝmanov kaj altŝatata Esp.-amiko, li estas fervora al nia movado. Lastatempe li skribis al la tradukinto interalie: „Nature kun plej granda plezuro mi donas al vi la permeson traduki, kion vi volas, el miaj rakontoj en Esperanton. Tiu ĉi internacia lingvo, kiel ĉiu afero, kiu servas al interkompreno inter malsamaj nacioj, havas, laŭ mi, grandan signifon. Mi tre volus scii, ĉu dum la lastaj jaroj ĝi ricevis pli grandan disvastiĝon kaj ĉu estas palpeblaj pruvoj, ke ĝi vere helpis al siaj adeptoj de diversaj landoj sin taksi pli objektive. Al mi ŝajnas, ke tio ĉi povas okazi precipe, se en Esperanto estas tradukataj pli multaj verkoj de l'beliliteraturo, ĉar en ili plej senpere ŝprucas la spirito de popolo kaj plej vidiĝas la valoraj flankoj de ĝia karaktero". *I. H. K.*

Li kuŝis sub la nigra tablo de la klasĉambro senmove kaj silente. De tempo al tempo li nur spiris pli pene, sufoke ĝemis kaj ronkis. Se la flegistino estis ĉe li, li turnis turmentitajn okulojn kun preskaŭ nigriĝinta blanko kaj grumblis:

— Tre doloras, fratineto . . . tre!

Poste li etendis manon por akvo, trinkvis soife kaj reeksilentis kun rigardo al la plafono.

Lia sanigista listo voĉis: Soldato Petro Zlatev, terlaboristo, needzigita, 25-jara, kugle vundita en la maldekstra genuo. Vundo kun flegmonosa brulumo, abunda puso. La paciento plendas pro fortaj doloroj. Kuracado: la 12. II. tranĉo en la maldekstra flanko, loka anestejo, la 25. II. tranĉo de malantaŭe, 2. III. eltiro de partoj el la osto sen narkoto.

Post la lasta operacio al la malsanulo kvazaŭ fariĝis pli bone, kaj li fariĝis pli malkaŝa. Li akutimiĝis vespere, kiam ĉiuj ekdormis, paroli kun la flegistino:

— Fratineto, li diris mallaŭte, mi estas granda ĉasisto. Kiom da perdrikoj, leporoj, eĉ lupoj mi mortigis . . . nur ke tiu ĉi malbenita kruro resaniĝu, mi sendos al ci elvilaĝe iun ĉasaĵon!

Poste li ridetis, kaj per tio ĉi finiĝis ordinare lia parolo.

— Sed Petro, demandis foje la flegistino, oni diras, ke ci estas fianĉigita. Do rakontu ion pri cia knabino, ĉu ŝi estas bona, bela?

— He, kion mi parolos al ci? nevolonte rediris Petro. Bona ŝi estas . . . knabino kiel knabino.

Sed ĉe tio liaj okuloj malfermiĝis, kaj la naztruoj de la maldika, energia, agla nazo tremetis.

— Mi skribu al ŝi, ke ŝi venu, diris la parolema flegistino.

Sed la okuloj de l' vundito vualiĝis kaj li rapide rifuzis:

— Ke ŝi restu vilaĝe, al ŝi ne estas bezona mi tia. He . . . kiam mi resaniĝos.

Sed kvazaŭ timigita, por ke la fianĉino ne trovu lin tiel, li igis la morgaŭan tagon la flegistinon skribi vilaĝen, ke li estas en Sofio, en stabo, por ke oni ne zorgu pri li.

Post tio li trankviliĝis.

En aprilo al Petro ŝajnis, ke al li fariĝas ankoraŭ pli bone. La vundo ne tiel dolorigis lin, kaj li eĉ ekmoviĝis en la lito. Pro ĝojo li amikiĝis kun sia najbaro, la bruna Cvetko. Cvetko estis vundita en la laringo, kaj post la operacio li spiris tra tubeto en la traĥeo. Kiam li volis paroli li ŝtopis per fingroj la tubeton kaj parolis kun raŭka voĉo, kvazaŭ li volis timigi iun.

Petro igis Cvetkon lin razi, eĉ ludis kun li je kartoj kaj vespere kun la flegistino li ekkalkulis:

— He, franjo, nun ankoraŭ tri-kvar dimanĉojn . . . kaj vilaĝen . . .

— Kaj, kaj ankoraŭ vian fianĉinon vi vidos . . .

Petro eksilentis. Unufoje tamen li diris mallaŭte kaj dubeme:

— Kiu scias . . . Se mi revenas tiel malforta pro kuŝado . . .

Li balancis la kapon, premis forte la manplatojn ĉe la litkovrilo kaj ne findiris sian zorgon.

De tiu tago aperis io maltrankviliga en liaj okuloj.

Li mendis en la urbo speguleton kaj komencis pli longe rigardi sian kadukan palan vizaĝon.

Kelkafoje li disputetis kun la flegistino.

— Ih, franjo . . . kial vi donas al mi tiel malmulte manĝi? Vidu nur kion mi similas! Diru al la doktoro doni plimulte al mi.

Li komencis fariĝi pli malpacienea kaj ĉe turmenta bandaĝo:

— Sinjoro Doktoro, ĉu ne havas finon tio? Tiu ĉi kruro eltrinkos min.

Kaj la kuracistoj amike frapis lin sur la ŝultron:

— Ci estas bravulo . . . Ci toleros ankoraŭ malmulte . . .

Kaj post lia dorso, rigardante la fendantan vundon, ili zorgoplene balancis la kapon kaj kun bedaŭro demandis:

— Ci do diras, ke al ci estas pli bone?

Petro certige respondis:

— Na, pri pli bone oni ne demandu, sed . . . resaniĝi estas tempo.

— He . . . ankaŭ ĝi venos . . . Multo forpasis, malmulto restis . . .

Kaj Petro, transportita en sia ĉambro, mallaŭte koleris, ke la kuracistoj ne rapidas, sed nur gratas la vundon kaj lin turmentas — anstataŭ ĝin kudri, por ke la puso ankaŭ ĉesu flui, kaj ke la osto ankaŭ saniĝu.

Sed precize je Pasko la doloroj subite fariĝis ankoraŭ pli furiozaj. Kun forta volo Petro kaŝis de la flegistino la revenon. Oni estus bandaĝinta lin post Kristreviviĝo kaj li timis, ke la doktoroj gratus denove la vundon, kaj ĝi ankoraŭ pli malfrue resaniĝu. Li esperis, ke ĝis la mateno ĉesos.

Sed ĝi ne ĉesis. La doloroj pli fortiĝadis kaj frakasis konscion kaj volon. Petro komencis ĝemi peze, ne povante sin deteni.

Tamen kiam la matenon demandis lin la flegistino — kio al li estas?

— Nenio, li diris.

— Ĉu ne estas pli malbone al ci?

— Nenio he, enuo . . .

Kaj li sukcesis ŝin erarigi, ĉar ŝi estis okupita pri io.

Sed tagmeze li ne plu povis toleri kaj subite elkriegis, kvazaŭ li krevus:

V-v-v-h-a-a-u-u-j-j-j . . .

Cvetko saltis, la vunditoj glaciiĝis pro timo.

La flegistino ekkuris diversflanken, kaj Petro ne plu trovis forton por diri al ŝi, ke ŝi ne anoncu al la kuracistoj.

Posttagmeze oni tuj lin transportis en la bandaĝĉambron.

Nudigita ĝisbruste, li senhelpe kuŝis sur la tablo, kaj lia ventro malregule altiĝis, kiel ŝtofpeco en kiu blovetas vento. De tempo al tempo li movis la kapon por vidi tiun malbenitan vundon, sed la flegistino mankovris liajn okulojn. Kaj li sin relasis kaj ĝemis:

V-u-oh . . . Sed li estis iom pli trankvila, ĉar li kredis, ke la kuracistoj baldaŭ lin helpos.

Intempe li kolere ekĝemis:

— Kial vi do ne kudras tiun turkan truon, por ke finiĝu?

La kuracistoj nenion rediris, nur lin turmentis per lavado. Poste anstataŭ ordoni, kiel ĉiam, ke oni forportu lin, ili murmuris inter si ion, kaj ekstaris apud li.

Kaj unu el ili lin frapetis sur la brusto, elaŭskultis ion interne, faris kapsignon, kaj la alia jen ekparolis:

— Vidu, Petro, ci estas jam bravulo, estas konate . . . Ni do parolu kiel viroj . . . Ni do tranĉu ĝin, tiun kruron, por ke ci ankaŭ liberiĝu! . . .

Kiel frapita sur la vundo Petro leviĝis surkubute kaj falis malantaŭen, fermis la okulojn kaj freneze ekbalancis la kapon, por ne aŭdi kaj ne scii.

— Aŭskultu do, Petro, ci povas morti! Ci foriros kiel kadavro!

Petro balancis rapide la kapon.

Vane lin instigadis la kuracistoj. Li eĉ sonon ne rediris al ili ka ĉiam turnis la kapon. Kaj lia tuta korpo tremis, eĉ lia vundita piedo movetiĝis. Sed li kvazaŭ ne sentis doloron.

Kaj la kuracistoj deviĝis lin lasi, ne sciante kion fari kun li.

Oni lin forportis en la ĉambron. Li kovris sin trans la kapon kaj ne plu estis aŭdata. Kiam la flegistino provis lin malkovri, li ekmurmuregis kiel hundo kaj ŝi timigite sin fortiris.

Ĝis la vespero li donis nenian signon, ne dormis, ne manĝis. El sub lia kovrilo estis aŭdata nur sovaĝbesta daŭra stertoro.

Dum la nokto la vunditoj lin aŭdis, ke li vokis sian fianĉinon:

— Ivanjo, Ivanjo!

La matenon Cvetko kaj aro da aliaj provis per ŝercoj lin konsentigi:

— Nu! Ci mortos ja... Donu ĝin, tiun kruron! Ĉu ja ne povas sen piedo? Se oni ne buĉis min, pro kamaradeco mi ankaŭ fortranĉus mian kruron.

Petro ne moviĝis.

— Aŭdu do — kun unu kruro kaj bona junedzino-ĉiam ci estus kun du!

Sed ĉe tiuj vortoj Petro sin turnis kaj tiel lin elrigardis, ke la alia konfuzite foriris.

Je la deka horo alvenis la kuracistoj kaj unu vundita kolonelo. La kolonelo parolis al li longe kaj bone, kaj Petro perdis la obstinan faldon ĉe la frunto.

Sed kiam malfermis la buŝon ankaŭ iu el la kuracistoj, subite li ekleviĝis kaj ekploregis kun malicigitaj okuloj:

... Ha vi, ĉu vi estas homoj ... aŭ turkoj?

... Mi ne donas mian kruron ... mi ne donas ĝin ... ne donas ĝin!

La homoj timigite kaj konfuzite kunvolvis la ŝultrojn kaj, sentintaj, ke momente nenio helpas, ili fortiris sin.

Kaj Petro furioze kriegis al ili:

— Mi ne donas ĝin, ne donas ĝin!

La flegistino provis lin trankviligi.

Kaj la ceteraj vunditoj time sin volvis. — Kaj nur iu mortanto, kiu scias kial, ridetis en sia anguleto.

Post tiu eksplodo Petro denove kvietiĝis.

Ĉiuj liaj fortoj estis strečitaj en lukto kontraŭ la kruro. Sed la doloroj en la vundo kreskis kaj kreskis. Vane la homo kuntiris ĉiujn muskolojn por venki, movis la vunditan kruron, mordis siajn manojn ĝis sango — senkompate la doloro ĉiam pli profunde eniĝadis en la karnon kaj ĝin disŝiradis. Kaj laŭvice lin forlasis fortoj kaj persisto.

— Li agonias ... agonias ... tc, tc, tc, parolis paliĝinta Cvetko. Kaj la flegistino plu nenion parolis al Petro, nur lin kovris tuta, por ke li estu almenaŭ sola en tiuj teruraj horoj.

Sed al la vespero, post malgranda paŭzo, subite aŭdiĝis la senforma kriego de la venkita suferanto:

Y-v-h-a-a-u-ŭ-j-j.

Kaj ĝi ne plu ĉesis fendi la aeron.

Baldaŭ alvenis la sanigistoj, forportis tiun pecon da karno, kiu kvazaŭ ne estis plu homo — senvola, senkonscia.

Kaj ili denove lin metis sur la operacian tablon.

Kaj kiam alvenis la kuracistoj kun la flegistino, li eldiris plorkrigante:

— Tranĉu ... tranĉu pli rapide!

Petro baldaŭ ekdormis sub la kloroformo. Poste malrapide viciĝis ĉiuj manipuladoj sur la krurorazo, ŝmiro per jodo, kaj la tranĉilo kun malakra kaj apenaŭ aŭdebla grinco ĉe la karno, surtranĉis la muskolojn. Iom post iom estis bandaĝitaj la arterioj, kaj fine post kelkaj movoj de l' fajlilo, la kruro disiĝis de l' korpo.

Kaj Petro en la narkoto malrapide ronkis kaj murmuris ion kiel infano.

Post horo kaj duono oni lin reforportis kaj mendis al la flegistino, kiam li rekonsciiĝos, ŝi tute ne permesu al li dormi.

Je la dekunua li jam vekiĝis kaj lia unua movo estis tuŝi sian kruron. Sed anstataŭ ĝi sub la femuro estis dika, malmola bandaĝo. Li sentis la doloron en la vundo, sentis ankaŭ la kruron, sed ĝia loko estis malplena.

Kelkajn minutojn kuŝis Petro senmova, kun glaciiĝinta vizaĝo. Poste li sin turnis al la muro kaj ne ekploris, sed nur maldolĉe kaj malgaje ekripetis: „foriris ... foriris ... foriris!“

La flegistino lin karesis kaj mallaŭte ion parolis.

Kaj li ĉiam ripetadis: „foriris ... foriris ... „Kaj oni sentis, ke alio foriris, kaj ne nur la kruro.

Je la tria li mem vekis la flegistinon, kiu ja lin devus gardi, kaj subite demandis en mortzorgo:

— Fratino, kial mi ĝin donis? ... Ha? ...

Poste li denove glaciiĝis.

Al la mateno li subite rekonsciiĝis, kiam la flegistino alportis al li iom da teo, kaj li komencis malrapide kaj mistere:

— Fratino, prave ci diros al mi ... kvazaŭ ĵure ...

— Kion do, Petro?

Li eksilentis, kvazaŭ ne aŭdis. Poste lia vizaĝo streĉiĝis kaj ricevis ruzan aspekton:

— Ĉu ci edziĝemus kun mi?

Frapita la flegistino sin retiris kaj ne sukcesis tuj rekonsciiĝi. Antaŭ ŝiaj okuloj tre klare videtiĝis ankoraŭ tiu, kvazaŭ nebezona elkreskaĵo, senhelpa, sangoplena, kiu estis restinta de la Petra kruro.

La vundito persiste ŝin rigardis kaj trankvila kaj triumfa rideto lumigis lian vizaĝon.

Li ripetis:

Ĉu ci edziĝemus?

La flegistino pene sin reprenis kaj intence gaje respondis:

— Kial ne, Petro, mi edziĝemus!

Petro ŝin atente elrigardis kaj malrapide elparolis:

— Ne, ci ja unue pli vere diris ...

Kaj kun ĝemo li turnis al ŝi la dorson. Kaj ŝi ne sciis kion respondi.

Baldaŭ venis kuracisto, ekzamenis lin kaj diris:

— Nu — Bravulo ... Nun nur ne tuŝu ciajn bandaĝojn, ĉar povas elflui cia tuta sango ...

Petro scivoleme lin elrigardis kaj nur demandis:

Se mi tuŝas la bandaĝojn, sinjoro doktoro? Kial do mi tuŝos ilin? Nun ja ĉio estas tiel ... finita estas ...

Kaj li preskaŭ gaje ridetis.

La tutan tagon li kuŝis trankvile, trinkis, manĝis kiel oni ordonis al li, kaj meritis denove la laŭdojn de la kuracistoj.

Kaj vespere, kiam oni bruligis la lampojn, li malrapide okulsignis al Cvetko kaj mendis al li trovi ie krajonon, paperon kaj skribi.

Cvetko baldaŭ revenis kaj klinis la dorson super tabureto ...

Kaj Petro malrapide ekparolis:

— Skribu:

Kara mia fianĉineto, Ivanjo, — hodiaŭ trovinte liberan tempon, mi venas vin saluti per jena mia letero kaj vin demandi, kiel vi fartas kun via sano. — Se vi demandas pri mi, pli bone ne demandu. Ĉar, Ivanjo, mi estas perdita homo kaj sen kruro. Sed vi ne zorgu pri mi kaj ne serĉu min, ĉar nun estas en la vilaĝo plugtempo kaj pli bone estas labori. Tial ne venu — mi eĉ tiel mortos. — Ĉar mi estas nun alia, kripla kaj malbela kaj ne povas plu esti via edzo. Ivanjo, kiam vi ricevos sciigon, ke mi mortis, montru tiun ĉi leteron al onklo — por ke li sciu, ĉar mi lasas al vi mian tutan domon, ĉiujn kampojn kaj la muelejon kaj kion mi havas, por memoro! Kaj nun nehavante kion pli diri al vi, mi vin salutas kun Kristreviviĝo — Via eksfianĉo Petro Zlatev.

Silente skribis Cvetko la leteron, senparole, sengeste, nur dufoje pene ĝemis.

— Dankon al ci, diris al li Petro, kiam tiu surskribis ankaŭ la koverton.

Poste li serĉis sub la kuseno, eltiris el sia monsaketo poŝtmarkon, gluis ĝin kaj lasis la leteron sur la tableto.

— Morgraŭ mi ĝin donos al la fratino, li diris.

Kaj li kuŝiĝis, fermis la okulojn, volvis sin iom kaj kvietiĝis.

Kaj Cvetko lin rigardis, balancis la kapon kaj foriris ankaŭ por dormi.

Je la deka la flegistino fermis la elektron, vizitis ĉiujn vunditojn, vidis ankaŭ Petron, kiu mallaŭte ridetis al ŝi, kaj malrapide diris al ŝi denove:

Tiel, fratineto, ci unue kvazaŭ pli vere diris al mi!

— Dormu, dormu, ne parolu, respondis ĝenite la flegistino. Mi nenion diris al ci!

Petro nur obstine balancis la kapon. Kaj kiam la flegistino eliris, li pene stariĝis, ĉirkaŭrigardis kaj longe restis trankvila. Poste fortuze ektiris kaj ekŝiris siajn bandaĝojn.

Dolorojn li plu ne sentis; mordinte la lipojn, li ŝiris per ungoj la vaton, la vakstolon, la ŝmirajon, malvolvis singarde kaj senbrue ŝiris.

Intempe Cvetko ekleviĝis sur la lito kaj laŭtiĝis:

Hej, Petro, kion ci havas?

— Nenion, nenion, respondis trankvile Petro, mi ordiĝas tie ĉi . . . .

Cvetko rigardis kelktempe en la duonlumo, kaj diris:

— Nu, bonan nokton!

— Al vi pli bonan!

Kaj Petro ree eklaboris persiste kaj kolere. La grandega bandaĝo malgrandiĝadis.

Fine nenio restis sur la vundo. Tiam Petro kuŝiĝis malrapide, kovris sin tuta kaj ekatendis.

Sed post kvin minutoj li ektuŝis — nenia sango fluis. La vundo estis bone kudrita.

Kaj li denove stariĝis por lasta elprovo kaj longe palpis sian kruron, gratis per la ungoj, serĉis ion kaj fine trovis la kordon, per kiu estis kudrita la tranĉloko.

Denove li restis senmova, poste krucsignis kaj fortiris ion. Akra doloro — „oh“ — kaj momente lia mano farîĝis gluema pro la sango, kiu malrapide ekfluis el arterio.

Kaj Petro rekuŝiĝis, kovris sin kaj ne ekmoviĝis plu.

— — — — — — — — — — — — — —

La matenon oni trovis lin mortinta, droninta en sia sango, kun mano sur la okuloj kaj du grandaj duonsekiĝintaj larmoj sur la vangoj.

Trad.: *Iv. H. Krestanoff.*

---

*EL JUGOSLAVA POPOLA POEZIO*

## Ne dukatoj . . .

*Ĝemal-bej' en lagon jetas sagon,*
*Por mortpafi orflugilan nikson;*
*Al li io el laget' parolas:*
*„Ne sagjetu, bejo Ĝemal-bejo,*
*Mi ne estas nikso kun flugiloj,*
*Sed knabino, kiu trompas knabon;*
*Mi forkuris de malbon' patrina,*
*Min patrin' al nekarulo donas,*
*Pro trezor' kaj or' al nekarulo.*
*Ne dukatoj estas la trezoro,*
*Sed trezoro, kion amas koro.“*

---

## OPINIOJ

## Esperanto por malgrandaj popoloj

Ofte ni aŭdas kaj legas, ke ni Esperanton enkondukos en ĝeneralan uzadon aŭ nun, aŭ neniam. Kaj vere nuna tempo, kiam ĉio estas rekonstruata, ŝanĝata, kiam formiĝas multe da novaj ŝtatoj, kie plejparte la ŝtatadministro estas en manoj de junaj progresemaj homoj, ŝajnas kvazaŭ de sorto destinita esti decida tempo por triumfigi Esp. Kaj tamen Esp. ankoraŭ ne plentriumfas. Kial? Mi pensas, ke tial, ke pri enkonduko de Esp. ĝis nun ĉefe zorgas tiuj homoj, al kiuj Esp. relative ne tiom estas necesa, kiom al ni malgrandnacianoj. Ni, kutimiĝintaj ĉiam adaptiĝi al tio, kion diras la grandaj gvidantaj nacioj, ankaŭ rilate al Esp. propriniciative faras nenion, atendante, kion decidos angloj, francoj, germanoj. Kaj tiuj grandaj popoloj ne tre urĝe bezonas internacian lingvon, kaj tial verŝajne ni devas ankoraŭ longe atendi, dume ni, malgrandaj popoloj, sur ĉiu paŝo renkontiĝas kun la demando pri internacia lingvo.

Ĉu ni volas forlasi limojn de niaj malgrandetaj teritorioj, ĉu ni volas ion legi, lerni — ĉiam antaŭ ni denove aperas la demando pri Esp. Ni ĉefe bezonas Esperanton, kaj tial energie prenu ni en niajn manojn enkondukon de internacia lingvo.

* * *

Nia Majstro revis pri registara kongreso, devanta decidi la demandon pri internacia lingvo. Ĉu tia mondkongreso baldaŭ okazos, ni ne scias, sed okazigi kongreseton de malgrandaj popoloj, kiu decidus la demandon pri internacia lingvo almenaŭ por malgrandaj popoloj, estus ja ne tiom malfacile, ĉar ĉiuj ili nun staras antaŭ la demando: „Per kiu lingvo klerigi nian popolon?“ ĉar la patra lingvo por tio ne sufiĉas. Unuj pensas tion fari pere de angla aŭ germana lingvo, aliaj ĉiel penadas plej multon traduki en sian nacian lingvon. Klare, ke nek unu, nek alia rimedo por popola klerigado taŭgas: lernigi popolon fremdan nacian lingvon preskaŭ ne eblas, kaj ankoraŭ malpli eblas al malgranda popolo eldoni multe da libroj en sia nacia lingvo. Do kio estus pli racie, ol se la scienculoj, instruistoj de malgrandaj popoloj interkonsentus de nun ĉiujn sciencajn verkojn skribi nur en Esp.

Agante tiel solidare ili plej bone servus al propraj siaj popoloj, ĉar per unuigitaj fortoj ĉiuj scienculoj de malgrandaj popoloj povus nekompareble pli multon verki kaj eldonante librojn po grandamase, farus librojn malkaraj, por ĉiu akireblaj. Kiam estos farita tiu decido de scienculoj de malgrandaj popoloj kaj tiu decido komunikita al registaroj, mi pensas, ke ili ne nur ne rifuzos enkondukon de Esp. en lernejojn, sed ankaŭ donos por eldono de Esp. libroj parton da tiuj milionoj, kiujn ili nun elspezadas por havigo de nacilingven tradukitaj sciencverkoj.

Certe mi ne esperas, ke tiu decido povus esti baldaŭ akceptita de plimulto da sciencistoj, sed tio ja ne estas nepre necesa. Sufiĉos, se ni kolektos liston de kelkcento da scienculoj, promesintaj dum venonta jaro prepari almenaŭ po unu originala aŭ tradukita grava Esp. verko. Havante tiun liston ni diros al registaroj de malgrandaj popoloj: „Jen post unu jaro internacilingva literaturo posedos milon da gravaj verkoj, kaj poste ĉiujare ĝi pliriĉiĝos du-, tri - aŭ dekoble. Havigu do por tiu literaturo legantaron, enkonduku Esperanton en lernejojn — vi ne bezonos pli turmenti viajn infanojn per longjara lernado de fremdaj lingvoj kaj tamen viaj infanoj dank' al internacia literaturo fariĝos kleraj homoj . . .“

Kaj se ni nun havante nenion diri al registaroj, tamen iom sukcesas enkonduki Esp. en lernejojn, kiom pli facile, pli ĝenerale, pli daŭre estos tio farota poste. Kaj kiam Esp. estos ĝenerale parolata en Baltaj landoj, en ŝtatoj de estinta Aŭstrio-Hungarujo aŭ de Aziaj popoloj, tiam anglo, franco kaj germano ankaŭ sekvos. Nur faru ni tion, komencu, suriru novan vojon!

*J. Maĉernis.*

# KRONIKO

Ni petas ĉiun propagandiston, ke li mem senpere kaj rapide informu nin pri sia agado. Oni sendu klarajn, koncizajn raportojn kun rimarko „Kroniko" al nia Centra Oficejo, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* = Esperanto; *Esp-isto* = Esperantisto; *L. I.* = lingvo internacia; *prez.* = prezidanto; *vicprez.* = vicprezidanto; *sekr.* = sekretario; *kas.* = kasisto; *rev.* = revizoro; *bibl.* = bibliotekisto; *l.* = lernanto; *m.* = membro; *p.* = persono.

## Aŭstrio.

***Wien:*** Ĉe Bohema klubo kurso kun 25 p. Ĉeĥaj gazetoj favore raportas pri Esp. Ĉe Esp. Societo Danubio 2 kursoj de S-roj Ĉech kaj Popper. Perfektiga kurso de S-ro Maschl. Prezidanto de la Societo nun estas S-ro Ĉech; sekr. F-ino Stauder. Kunveno ĉiulunde 7ª vesp., Kafejo Egher. Ĉe Laborista Esp. Societo kurso de S-ro O. Zimmermann.

## Britio.

***Birmingham:*** La estraro de la grupo nun estas: Prez. A. Hayes, vicprez. J. Ryan Bell kaj W. H. Garbutt, sekr. Goldsmith. — ***London:*** Kursoj en kvartaloj Marylebone, Queens Road, Hugh Middleton, Highbury, Catford, Stepney, Brixton, Balham, Hammersmith, Woolwich, Finchley Technical Institute. Nova klubo en Clapham, prez. S-ro H. Hyams. — ***Wallsend:*** Ekspozicio de Espajoj ĉe ĝardenfesto. Kurso al knabskoltoj. Alilandaj knabskoltoj skribu al S-ro J. H. Murray, 13, Beech, pri la skolta movado en sia regiono.

## Bulgario.

***Pleven:*** Kurso ĉe la evang. lernejo de S-ro Simo Mihailov. Sukcesplena publika parolado de S-ro Angel Simeonov. Gazeto „Studenec" publikas Esp. tradukojn. S-ro S. Simov propagandas inter poŝtistoj. — ***Sevlievo:*** Post la resaniĝo de nia fervora propagandisto S-ro J. R. Conev, li intencas aranĝi novan kurson, en kies sukcesplenon ni ne dubas. — ***Sofia:*** La tuta gazetaro favore kronikis kaj vive komentis la tradukon en Esp. de la fame konata granda romano „Sub la jugo", de Ivan Vazov.

## Ĉeĥoslovakio.

***Brno:*** S-ro Podloucka klopodas pri la enkonduko de Esp. en la pedagogian lernejon kaj en la komercan akademion. Li sukcesis efike propagandi inter la germanoj en Brno. — ***Cerveny Kostelec:*** Regulaj kunvenoj ĉiumerkrede je la 8ª vespere. Ejo troviĝas nun en restoracion Chráska. Kurso aranĝota (instruos S-ino B. Keyzlarová). Oni zorgas pri laŭleĝa konstituciigo de la Unuiĝo. La 1 oktobro 1920 komenciĝos instruado de Esp. en ĉi tiea Kompletiga Komenclernejo (instruos S-ro F. Baliĉek, instruisto). — ***Deutsch-Gabel:*** S-roj Scholze kaj Taubmann sukcese propagandis inter la lokaj geinstruistoj. S-ro Taubmann malfermos kurson. — ***Eger:*** Kurso por komercantoj en la Obertorschule. — ***Gablonz a. N.:*** S-ro Röhlich komencis kurson. — ***Haida:*** Revenis el Siberio la eldonisto de „La Marto", S-ro Taubmann. — ***Hegewald:*** S-ro Schmidt faris paroladon pri „Esp. kaj kulturo". — ***Holešov:*** S-ro Loveček instruas ĉe la IIª, IIIª kaj IVª klasoj de duagrada lernejo. Fondiĝis „Esp. Rondeto". Kunveno ĉiumerkrede. Ekspozicio dum decembro. — ***Hradec-Kralóvé:*** Dum oktobro estis aranĝitaj 2 kursoj por komencantoj kaj 1 kurso por progresintoj. Ĉiuj kursoj estas publikaj, oni instruas en lernoĉambro de la Komerca akademio. Taksoj: Kč. 30, por studentoj Kč. 15, m. de la loka klubo Kč. 15 resp. Kč. 7.50. Entute partoprenas 80 p.; 24 kaj 36 komencantoj, 20 progresintoj. — ***Jilemnice:*** Kurso kun 23 p., aranĝita de la Distrikta Kultura Komitato. Parolado de S-ro Miloš Lukáš. — ***Karlsbad:*** Propagandparolado de S-ro Prof. D-ro Guth en „Kurhaussaal". Ĉeestis proksimume 100 p. — ***Krochwitz:*** S-ro Rud. Storch, gimnaziano, faris propagandan paroladon kaj komencis kurson. — ***Leitmeritz:*** La 19 septembro estis estrara kaj labora kunveno de la „ligo de germanlingvaj Esp. grupoj en Ĉeĥoslovakio". Decidoj pri la organizo de la Esp. propagando inter la germanoj en Ĉeĥoslovakio. S-ro Prof. Thöner instruas Esp. kiel libervola fako en la reala lernejo. — ***Mähr.-Schönberg:*** S-ro Gabriel komencis kurson. — ***Nachod:*** Loka gazeto enkondukis Esp. angulon redaktatan de F-ino Šupichova. — ***Oberhanichen:*** S-ro Wollmann gvidas kurson kun 20 p. — ***Pardubice:*** La 24 oktobro okazis la dua labora kunsido de orientbohemaj propagandistoj — ***Postrum:*** La 18 junio la ministro por instruado kaj nacia kulturo akceptis S-ro Inĝ. G. Scholze prez. kaj S-ro Prof. Süsser kiel reprezentantoj de la ligo de Germanaj Esp.-grupoj. S-ro Tittl, redaktoro de la „Progreso", prezentis ilin. La deputacio petis la enkondukon de Esp. en la lernejojn de la ĉsl. respubliko. La ministro akceptis la proponojn faritajn kaj permesos la Esp.-instruadon en tiuj lernejoj, por kiuj Esp.-instruistoj petos la permeson. S-ro Inĝ. Scholze aranĝos la alsendojn de la petskriboj por la germanaj kaj S-ro Tittl por la ĉeĥaj instruistoj. — ***Praha:*** En aŭgusto S-ro Hromada gvidis specialan kurson por kandidatoj de ekzamenoj (15 p.). La 30 aŭgusto okazis kunsido de ekzamena komisiono de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista. 3 atestoj pri kapableco, 5 pri lernado. Publika kurso trimonata komenciĝis (116 p.), gvidas R. Hromada. Rondeto de Esp-istinoj aranĝis ĝeneralan kunvenon; elektiĝis kiel prezidantino F-ino Šupichova. La rondo dissendis ĝis nun 1040 informojn skribajn, aranĝis 3 kursojn, 52 kunvenojn, 8 paroladojn kaj 3 ekskursojn. La germana Esp. grupo „Verda Stelo" malfermis kurson. S-ro H. Tutsch instruas Esp. ĉe la blinduloj. — ***Reichenberg:*** S-roj Scholze kaj Taubmann aranĝis propagandan vesperon kun bonega sukceso. Komencis 4 kursoj kun 170 p. La kursojn gvidas S-roj Scholze kaj S-ro Hübner. En la komerca akademio S-ro Hübner instruas Esp. en du klasoj kun 48 kaj 49 l. S-ro Krusche instruas 39 invalidojn, kiuj vizitas la saman lernejon. Al la amika kunveno dum la foira semajno partoprenis 70 gesam-anoj. S-roj Bunzel kaj Taubmann faris tre interesajn paroladojn pri iliaj spertoj per Esp. en Siberio kaj dum la hejmvojaĝo. La 20 aŭgusto sam-ano J. J. Süssmuth el Weehawken (Usono) parolis pri siaj per-Esperantaj spertoj. La Esp. ekspozicion vizitis proksimume 5000 p. La aranĝon de la ekspozicio prizorgis S-ro Appelt. Gesam-anoj de la grupoj Reichenberg, Gablonz kaj Warnsdorf afable dejoris kaj klarigis ĉion al la vizitantoj. La estro de la foira kontoro certigis S-ron Ing. Scholze, ke la peresperanta reklamo por la Reichenberga foiro bonege sukcesis, ke la estraro nun estas konvinkita pri la uzebleco de Esp. por praktikaj celoj. — ***Raspenau:*** S-ro Tietze propagandas sukcese kaj preparas kurson. — ***Saaz:*** Parolado de S-ro Prof. Süsser antaŭ 120 geinstruistoj, kun bonega sukceso. La urbestro solene malfermis la urban Esp.-lernejon (la unuan en la respubliko), kiun gvidas S-ro Prof. Süsser. Imitinda ekzemplo de progresema urbestraro; esperu ni, ke aliaj sekvos. En 6 klasoj oni tuj komencis la instruadon. En la komerca lernejo instruas Prof. Süsser kaj Prof. Krüttner Esp. kiel libervola fako en du klasoj. — ***Tannwald:*** S-ro Röhlich komencis kurson kun 58 p. ***Tannwald-Schumburg:*** Tre granda intereso por Esp., vekita per la foiro en Reichenberg. Kurso komencos, 80 p. anoncis sin. ***Trenĉin:*** Vigla propagando inter soldatoj de la milita aŭtomobila parko. S-ro Jan Mraz gvidas kurseton kun 7 entuziasmaj soldatoj, el kiuj tuj 6 aliĝis al UEA. — ***Warnsdorf:*** La 30 sept. S-ro Scholze faris propagandan paroladon. Anoncis sin tiom da interesatoj, ke la grupo decidis komenci kurson.

## Danio.

Episkopo v. Euch, la primato de la katolika eklezio, tre ŝatata ankaŭ de la protestantoj, rekomendas al la katolikoj sin okupi pri la studado de Esp. — ***Grenaa:*** Al tiu malgranda urbo en Jutlando

alvenis el Dresdeno 20 Esp.-parolantaj infanoj, kiuj trovis tie ĉi dumonatan resanigan restadon. Dank'al la energia kaj bonkora S-ino Mammen oni sukcesis trovi hejmojn; kaj ŝi raportas pri la Dresdenaj infanoj, kiuj ĉiutage venas por saluti kaj paroli kun sia „Esp.-patrino", ke „ĉiuj estas amindaj kaj inde reprezentas la Esp-istoj de sia patrolando". Kiam la infanoj alvenis, preskaŭ ĉiuj loĝantoj de la urbeto estis ĉe la fervojstacio por saluti la Esp.-parolantaj infanoj; kaj je la ĝojigo de la infanoj okhoma orĥestro ludis „La Espero", kaj la infanoj ĝoje kantis ĝin kaj ankaŭ aliajn Esp. kantojn. La ĉeesto de la infanoj estas bonega propagando por nia afero, ĉar ĝi montras al skeptikulo, ke Esp. vivas; kaj S-ino M. komprenehle uzis la okazon por fari al la multaj ĉeestantoj paroladon pri la utilo de Esp.

## Liberŝtato Danzig.

***Danzig:*** Fondiĝis Esp. Asocio; prez. S-ro B. Ketterling, vicprez. S-ro Aeltermann, kas. S-ro Amort. Kursoj en Langfuhr kaj Praust. Du prelegoj pri Esp. en lokaj gimnazioj. Parolis Prof. Kronenberg. S-ro Jellinek, prof. de loka politekniko, favoras Esp. En loka „Gazeto Gdańska" artikoloj pri Esp. kaj UEA. Ekinteresiĝo pri Esp. en komercistaj rondoj. Peto al Danziga parlamento por enkonduki Esp. en lernejojn. Tri kursoj.

## Estonio.

***Elva:*** S-ro V. Anofrijev ricevis skriban permeson paroladi pri Esp. en rusa lingvo ĉie en Estonio. — ***Tallinn:*** La germanlingva gazeto „Revaler Bote" enhavis propagandan artikolon pri nia lingvo. Parolado de S-ro V. Anofrijev pri lia vojaĝo al la 12a Kongreso. La ĉefadministro de fervojoj de Estonio permesis al la Estonia Esp. Unuiĝo elpendigi senpage afiŝojn kun adresoj en ĉiuj stacidomoj de la lando. Similan permeson donis ankaŭ la ĉefadministron de la poŝtoficejoj. Tiamaniere estas eble al ĉiuj ricevi informojn pri la lingvo Esp. Ni gratulas la E. E. U. pri tiu grava rezulto kaj esperas, ke ĝi havos sufiĉe da mono kaj tempo por uzi ambaŭ permesojn.

## Finnlando.

***Helsinki:*** La ĝisnuna Centra Oficejo de Esp. Asocio Finnlanda transformiĝis en akcia societo. Ĝia adreso estas: Kasarminkatu 20. Laŭ Esp. Finnlando nia lingvo estas instruata en ĉiuj finnlingvaj ŝtataj lernejoj. — ***Iokyrö:*** Esp. Diservo. S-ro P-ro Pätiälä predikis. — ***Kajaani:*** Kurso kun 27 p. — ***Kotka:*** Kurso ĉe la Laborista instituto; instruas S-ro Huuskonen. — ***Laihia:*** Kurso gvidata de S-ro Salokannel. Propaganda parolado de S-ro Lehtinen. — ***Lappeenranta:*** Kurso por soldatoj; gvidas S-ro Rantala. — ***Oulu:*** Kursoj ĉe Laborista instituto; 75 p. ĉe elementa, 25 ĉe perfektiga kurso. — ***Rauma:*** Du kursoj gvidataj de S-ro Hela. Ĉe la instruista lernejo kurso por popollernejaj instruistoj. — ***Sortavala:*** Parolado de S-ro Salokannel. — ***Turku:*** Jarkunveno de la grupo „Grajneto". La grupo havis 43 kunvenojn, faris 3 kursojn. Estraro restas la sama. — ***Vaasa:*** Kurso gvidata de S-ro Helminen. — ***Viipuri:*** Ĉe popollernejo Tiiliruukki oficiala instruo. Instruisto S-ro Koivu salajrita de l' ŝtato.

## Francio.

***Lyon:*** La 9 okt. en Palaco de Komerco propaganda parolado de S-ro Beau, licea prof. en Mâcon; ĉeestis preskaŭ 300 p. Unuagrada kurso de la Grupo de Lyon gvidata de S-ro A. Sandelyon. Tri kursoj organizitaj de la Laborista Grupo. S-ro Karl (Ussel, Corrèze) donacis 200 Fr. al la Lyon'a Delegitaro de UEA por premioj al lernantoj; programo de konkurso baldaŭ publikigota. La Grupo de Lyon regule kunvenas mardon 20³⁰h (12. rue Alph. Fochier, apud Bellecour). — ***Marseille:*** Granda prospero de la Intersindikata grupo Esp-ista. Supera kurso, ĉeestas 19, el kiuj 12 atingis la „ateston pri lernado"; elementa kurso kun 20 p. La grupo kreis novan kurson ĉe la sidejo de la „Kunbatalintoj". Laŭ decido de la „Internacia Kunbatalintaro", alpreninta Esp. kiel lingvon internacian, la Marseille'aj militintoj tuj decidis la lernadon. La agema Marseille'a Del., ankaŭ batalinto, membro de militinta asocio, multe klopodis pro tio. La grupo sendis gravan sumon por la aŭstriaj infanoj. Ĝi sendas Esp-aĵojn al rusaj sam-anoj, militkaptitaj en Alĝerio. Krom 600 Fr., konsentitaj al ĝi de la Laborborso, ĝi sukcesis konsentigi plue 200 Fr. por premioj al lernantoj. Ĝi subtenas multajn gazetojn kaj la novan asocion de revoluciuloj „Liberiga stelo". La membroj deziras korespondi kun ĉiuj antaŭenemuloj de la mondo. Esp. progresas en nia urbo. — ***Nemours:*** Nova kurso gvidata de S-ro Delanoue, Del. — ***Paris:*** La „Clarté" publikigis artikolon pri la celoj de la „Internacio de l' instruado"; inter ili estas esprimata deziro pri kaj neceso de la instruo de Esp. — ***Versailles:*** Aperis en fakgazeto por filatelistoj artikolo „La filatelio kaj Esp.", verkita de S-ro Chillard, Del. — ***Saint-Omer:*** Estas aranĝata konkurso por l. sekvantaj la kurson ĉe la liceo. Ĝi okazos dum majo 1921. La unua premio konsistas el subvencio por vojaĝo al Praha dum 1921 por partopreni la kongreson. Aliaj premioj, kiel medaloj, albumoj, libroj, k. t. p., estos disdonataj.

## Germanio.

***Berlin:*** S-ro Schwaiger publikigis bonan artikolon pri Esp. en „Neues Werden", organo de la Rekonstrua centrejo. — ***Bremerhaven:*** En la Esp.-movado oni povas rimarki ĝojigan progreson. Okazis propaganda parolado. Ĉeestis pli ol 50 p., el kiuj 35 aliĝis al nova kurso. Momente funkcias 3 kursoj, nome unu por progresintoj kaj du por komencantoj. — ***Breslau:*** Dank' al klopodoj de S-ro Freund la foirestraro intencas uzi nian lingvon por reklamo. — ***Burgstädt:*** Ĉe kunveno de la „Grupo de batalintoj", S-ro Knoblauch parolis pri la kongreso en Ĝenevo kaj varme aprobis la decidon pri la akcepto de Esp. — ***Chemnitz:*** La laborista grupo regule kunvenas; ekzercaj kunvenoj okazas ĉiumarde en la perknaba lernejo Dresdenerstr. je la 7½ h. vesp. — ***Dresden:*** S-ro Ivan H. Krestanoff parolis ĉe la UEA-kunveno kaj „Orienta Grupo" pri la XIIa kongreso. Gesellschaft „Esperanto" prosperas. Komerca Grupo aranĝas konkurson. Novaj kursoj. Posttagmeza kurso por knaboj. — ***Frankfurt a. M.:*** Loka grupo: Kurso de komencantoj finis. Okazis jarkunveno de la grupo. La nova estraro konsistas el S-ro Urban, prez.; R. Kreuz, sekr.; C. Barthel, 2a sekr. kaj aferisto de la ligo; H. Fricke, kas.; Hast, bibl. S-ro Hummel, prez. de pluraj jaroj eksiĝinte estis nomita honora membro. La grupo kunvenas ĉiun merkredon en Moderne Sprachschule (8½ h.), Goethestr. 10/I. En stenografia konkurso akiris unuajn premiojn: S-ro Kreuz, 175 silabojn pominute, S-ro Natalo, 60 silab., trian premion ricevis S-ro Freyeisen, ĉiuj m. de la loka grupo. Blindula Grupo: Regule kunvenas en Blindenanstalt, Aderflychstr. Ernesto, dekdujara blindulo, reveninte de libertempo pasigita en Nederlando, faris mirige fluan paroladon en loka grupo pri sia vojaĝo. Laborista Grupo: Pluraj kursoj marŝas. Oni kunvenas ĉiun vendredon (8 h.) en Esp.-Hotelo „Anton", Niedenau 12. Sudokcidentgermana Ligo (S. O. L.): Post egaj klopodoj oni sukcesis trovi sekr. de la ligo por anstataŭi S-ron Kreuz, troŝarĝata per la estreco de la Esp.-fako en la Frankfurta foirkomitato. Nova adreso: C. Barthel, Wöhlerstr. 14, Frankfurt a. M. La ligo baldaŭ konatigos la programon de la vintra sezono. — ***Freiburg i. B.:*** Nova kurso komencis. Kunvenoj de la grupo ĉiuvendrede en Brauerei Sutter, Kaiserstr. 17. — ***Hannover:*** Revenante el Hago, S-ro Krestanoff paroladis en grupa kunveno pri la XIIa kongreso kaj la Esp.-movado en Bulgario. — ***Hof*** (Saale): Kurso ĉe la popola altlernejo, gvidata de S-ro Heinrich. — ***Kempten i. A.:*** La grupo regule kunvenas en la gastejo „Zur Stadt Hamburg" ĉiulunde vespere. — ***Koblenz:*** Fondiĝis grupo; kunvenejo „Union", Löhrstr. — ***Mainz:*** Artikolo en „Mainzer Journal". — ***München:*** Katolika grupo kunvenas en „Heumagazin", Kohlstr. Nuna estraro: S-roj Lukas, prez.; Bernhard, sekr.; Dausses, kas. — ***Neustadt O. S.:*** Fondiĝis grupo. Gazetartikoloj. Paroladoj ĉe katol. fakunuiĝoj. Kurso kun 29 p. — ***Oederan i. Sa.:*** En du popollernejaj kursoj 104 infanoj partoprenas Esp. studadon. En la Esp. grupo du novaj kursoj kun 38 kaj 16 p. La ĉi tiea taga gazeto ĉiusemajne aperigas du „Esp. angulojn", t. e. komunikojn pri la Esp. movado. — ***Plauen i. V.:*** De oktobro 1920 okazas 16 kursoj kun 412 p. — ***Reichenhall:*** Propagandvespero; parolado

de S-ro Hütter; sekvos kurso. — ***Schweinfurt:*** Du kursoj organizitaj de la Laborista grupo. Kunvenoj ĉiulunde en restoracio „Zur schönen Aussicht". — ***Steele*** (Rheinland): Fondiĝis grupo kun 15 m. — ***Werdau:*** Esp. Grupo „Obstine antaŭen" bone meritas ĝian nomon. Propaganda semajno, disdono de flugfolioj, artikoloj en lokaj gazetoj kaj ne forgesante reklamon en la „kino". Kursoj intencataj ĉe la „Popola universitato" (Volkshochschule). — ***Wilhelmshaven-Rüstringen:*** La grupo „Jadegolfo" ekfloriĝas. La garnizonestraro anoncas en la dekretafiŝo almontron pri la kursoj. La laborista gazeto „Die Tat" publikigas Esp.-angulojn kaj leterojn tradukitajn de eksterlandaj laboristoj. La aliaj gazetoj publikigas notojn pri la progresoj de Esp. Sam-ano Knöffler subtenas en la elmontraj fenestroj de sia libro-papervendejo konstantan Esp.-ekspozicion. 1 Esp. kurso kun 15 p. okazas, 2 kursoj komencis la unuan semajnon de oktobro en la urba lernejo. La grupanoj vigle korespondas eksterlanden. La adreso: Esp. grupo „Jadegolfo", Stacidoma Hotelo, Prinz-Heinrichstrasse 1.

## Hispanio.

***Barcelona:*** Grupo „Fajro" ŝanĝis la nomon en „Barcelona Esp. Societo". Krom propagandaj celoj ĝi intencas starigi komercan oficejon. Inter la komitatanoj elektitaj troviĝas malnovaj kaj spertaj sam-anoj. Kun rimarkinda sukceso finis la kurso komencita 7 majo ĉe la societo „Paco kaj Amo". El 65 enskribiĝintoj ĉe la komenco ĉeestis la lastan lecionon 42 p. Kiel lernolibron oni uzis „Kursa lernolibro" de D-ro Privat kaj „Primeras Leciones" de Inglada. Kursgvidanto estis S-ro Roig. La datrevenon de la unua lernolibro de nia lingvo, aperinta antaŭ 33 jaroj, oni festis per ekskurso al Vallemana. — ***Terrassa:*** S-ro Chaler parolis pri la XIIa kongreso ĉe ĥora societo kaj ĉe la grupo „Lumon". Aperis artikoloj en „Cronica Social" kaj „El Dia". Kursoj estas arangataj. — ***Zaragoza:*** Taga gazeto „La Cronica de Aragon" enhavis artikolon verkitan de S-ro D. M. E. „Esperanto en el Commercio", kiu atentigis pri la uzo de nia lingvo flanke de la diversaj grandaj foiroj.

## Hungario.

***Budapest:*** Ĉe la XIa Specimenfoiro (Orienta foiro) estis ekspozicieto Esp. Fratinoj Strasser deĵoris dum la tuta foiro por Espistoj. La IXa distrikta grupo de la Laborista Societo aranĝis en la „Laborista Hejmo" grandan, bonege sukcesintan ekspozicion, kiun vizitis ankaŭ ĵurnalistoj. Tre impresis la vizitantojn la grandkvanta, laŭ landoj ordigita poŝtkartkolekto kaj la ekspozicietoj de moneroj, poŝtmarkoj, k. t. p. kun surskriboj: „Ĉu Vi volas havi tian kolekton? korespondu Esperante!" La „Meza Danubo", komerca revuo, anoncis senpagan kurson por oficistoj. Parolado pri Esp. por la kurspartoprenontoj okazis en la Socia Muzeo. Parolis S-ro Balkányi. „Meza Danubo" publikigis nekrologon pri H. Hodler kaj priskribis la organizon de UEA. Nova kurso kaj ekspozicio en IXa distrikta laborista societo. Dimanĉaj ekskursoj de „Esperantistoj Naturamantaj". „La Fontaine"-societo decidis eldoni diverslingve la verkojn de La Fontaine ankaŭ Esp.! Sub gvidado de S-ro Marich fondiĝis Esp. Polica grupo leĝe permesita. 6 blinduloj kaj unu surdmutulino ricevis ateston pri lernado. Aperos nova lernolibro de P. de Lengyel kaj K. de Kalocsay. — ***Györ:*** Pro politikaj diferencoj la grupo disiĝis kaj ĉesis ĝia agado. — ***Kispest:*** Nova grupo laborista fondiĝis. Kurso kun 25 p. — ***Miskolc:*** Pro verdstel-portado oni haltigis sam-anojn. Ĉe la grupestro estis militista domtraserĉado; oni forportis ĉiujn Esp-aĵojn. Multajn korespondaĵojn kaj gazetojn Esp. haltigas la cenzuro. — ***Moŝon:*** Parolado de S-roj Giesswein kaj Kardos. Kurso de S-ro Steiner. Nova grupeto. — ***Szombatheli:*** Sdo Izsó fervore propagandas.

## Italio.

***Corniglians:*** S-ro A. Rodolfi parolis en faka societo oficista. Kurso estas aranĝata. — ***Firenze:*** La tre grava gazeto „L'Unità Cattolica" enhavis trikolonan artikolon „Il problema d'una lingua internazionale e la sua risoluzione" verkitan de Prof. Carrado Grazzini, VDel. de UEA kaj ano de Itala Katedro de Esp. Oni esperas malfermi kursojn. — ***Genova:*** Laborista Esp. grupo malfermis kurson. Propaganda festo. Vizito de S-ro Fuŝi-Zaua el Japanio. La gazetoj favore raportas. Fremdaj sam-anoj traveturantaj estas kore invitataj. Kunvenejo: Camera del lavoro, 4, Via San Luca, ĵaŭde kaj lunde 20³⁰ h. Favoran artikolon en „Speranze Nuove", verkitan de S-ro K-do Alessio. Vizitis la grupon div. fremdaj sam-anoj. — ***Mantova:*** Sekve de parolado de S-ro A. Vaona 50 p. enskribiĝis por nova kurso. — ***Pisa:*** Ĝenerala kunveno de la Esp. Societo; nova kurso, gvidanto S-ro Jäger. Estas intencate starigi Esp.-grupon komunistan. — ***Sampierdarena:*** Regulaj kunvenoj. — ***Trieste:*** Post kvinjara senagado la „Rondo Esperanta" reviviĝis: Are la Esp-istoj aliĝas al ĝi. Prez.: D-ro Arturo Ghez. Sidejo: Via Gioachino Rossini 16 III. — ***Verona:*** Dum aŭgusto okazis kunveno de la Esp-istoj el Venezia, Mantova kaj Trento. La grupo regule kunvenas ĉiumarde kaj ĉiuvendrede.

## Latvio.

***Riga:*** Kursoj gvidataj de S-ro Bulatov finis; nova kurso gvidota de S-ro Tupicin.

## Litovio.

***Korno:*** S-ro P. Medem faris ruslingve propagandajn paroladojn por geinstruistoj. Rezult.: 2 kursoj kun 40 p. sub gvidado de S-roj P. Medem kaj J. Maĉernis. — ***Maksvyĉiai*** (vilaĝo): S-ro B. Duda vigle propagandas Esp. inter vilaĝanoj. Kurso kun 15 p.

## Nederlando.

***Aalsmeer:*** Propaganda vespero okazis, organizita de „Ĉiam supren". Multaj ne-Esp-istoj ĉeestis, el kiuj 29 enskribiĝis por kurso. — ***Amsterdam:*** En la klubo de la Laborista grupo S-ro Krestanoff paroladis pri Bulgario. Okazis interesaj diskutoj ankaŭ pri aliaj demandoj. — ***Leiden:*** Nova kurso kun 16 p. gvidata de S-ro Hoope. Parolado publika, sekvata de alia kurso kun 10 p. sub direkto de S-ro Wesselius. — ***Rotterdam:*** Kiel sekvo de la XIIa Kongreso la interesiĝo pri Esp. kreskas kaj manifestas sin en diversaj novaj kursoj en la urboj. I. a. la Popol-universitato en Rotterdam malfermis Esp.-kurson kun 92 p., kiun kondukas nia Haga sam-anino S-ino J. C. Isbrücker-Dirksen.

## Polio.

***Bromberg*** (Bydgoszcz): La germanlingva gazeto „Volkszeitung" enhavis artikolon priesperantan kaj felietonan artikolon de Anatole France el Esp. tradukitan de S-ro Pankratz. La kantistino Marja Janowska prezentos ĉe okazonta vespero kantojn en Esp. La gazeto German-Pola Esperantisto pro cenzuraj kaŭzoj ne povas aperi. — ***Lodz:*** Esp. estas tre bone reprezentata en tiu urbo: unu Esp. oficejo, biblioteko kaj legejo kun 800 libroj, 4 kursojn en germana kaj pola lingvoj. — ***Kalisz:*** Esp. ekspozicio ĉe la librejo Jasiński. Lernolibro de Prof. Kronenberg aperis en dua eldono. Finiĝis kurso por mezlernejaj instruistoj, kondukita de Prof. Kronenberg. Loka „Gazeta Kaliska" raportas tre ofte pri Esp. Ĉiaj artikoloj estas represataj en aliaj polaj ĵurnaloj. Du kursoj por komencantoj, unu por progresintoj. — ***Siedlce:*** Fondiĝis Societo „Verda Stelo"; profunda interesiĝo pri Esp. en la skolta trupo.

## Rumanio.

***Sibin:*** La socialista partio en Hermannstadt (nun nomata Sibin) decidis uzi nian lingvon por la internaciaj rilatoj. Ankaŭ en aliaj partoj de Transilvanio la laboristoj forte interesiĝas pri nia lingvo. Sentiĝas malagrable la manko de lernolibroj, vortaroj kaj legaĵoj. Kursoj daŭre okazas ankaŭ per ne socialistoj. Gazetoj „Dacia Traiana" (rumana), Siebenbürgisch-Deutsches Tageblatt (germana) aperigis favoran artikolon. Socialista gazeto „Wahrheit" aperigis bonegan prop. artikolon de sam-anino Margareto Roth.

## Rusio.

Bedaŭrinde ne ankoraŭ estas ebla senpere rilati kun niaj rusaj sam-anoj. Ni tamen ricevis diversfoje informojn, ke la movado

marŝas kontentige. Nia Oficejo ricevis senpere leterojn el jenaj lokoj, nin informantaj pri vigla Esp. vivo kaj arda deziro partopreni en la internacia movado. Baku, Orel, Volovo, Nikolaevsk, Bijĥov, Taŝkent, Omsk, Moskvo, Simbirsk, Kronstadt, Petrograd, Bransk, Tambov, Voronej, Djetskoje Selo (estinta Carskoje Selo), Ĥarkov, Saratov, Kurgan.

## Svedio.

***Enköping***: Klubo Esp-ista „La Kreno" aranĝis publikan paroladon pri la internacia helplingvo en la praktiko. La parolinto, S-ro L. Tell el Stockholm estis vigle aplaŭdata.

## Svisio.

***Genève***: La malnova grupo „Stelo" regule kunvenas en la „Popola domo", Faubourg; ĉeestas ĉiam 20—30 p. Kurso kun 25 p., gvidata de S-ino Umanski. — ***La Chaux-de-Fonds***: Publika kurso kun 75 p. uzanta gramatiko „Kursa Lernolibro"; alia kurso ĉe la gimnazio. Ambaŭ gvidataj de Ges-roj Wolf. Niaj propagandistoj sekvu la ekzemplon de tiu ĉi Esp-ista familio! — ***St-Imier***: Kurso estas preparota de Ges-roj Wolf.

## Turkio.

***Konstantinoplo***: Sub prezido kaj vicprezido de S-roj D-roj A. Stamatiadis kaj N. Inglessis fondiĝis grupo. S-ro M. Didonis donacis 2500 piastrojn al la nova societo. Adr.: Tépé-Bachi 59, Péra.

## Aŭstralio.

***Melbourne***: Parolado de Univ.-prof. Meredith Atkinson; ĉeestis 400 p. Movado ĉe la skoltoj. Alilandaj skoltoj skribu al la sekretario de Aŭstralia Esp. Asocio, Box 731, Elisabeth St. P. O. Oni memoru, ke letero atingas Aŭstralion nur post 5—6 semajnoj kaj bezonas saman tempon por respondo. Oni skribu senprokraste. S-ro P. T. B. Hudson faris interesan vojaĝon al Japanio, kie li estis afable akceptita de la japanaj sam-anoj. — ***Mont-Albert*** (Victoria): La grupo „Espero" bone progresas, tre bone. La anoj kunvenas ĉiusemajne kaj studas diligente. Malgranda biblioteko utilas por perfektigi la konon de la lingvo; krom tio la grupo abonas la ĉefajn Esp. gazetojn.

# TRA LA GAZETARO

### Esperanto ĉe diplomatoj

∴ „*Esperanta Finnlando*" (oktobro) enpresas partojn el privata letero de la Finnlanda ambasadoro en Tokio (Japan.) Prof. G. J. Ramstedt, kiu konstatas, ke Esperanto tre helpis lin en lia nova ofico havigante al li privatajn rilatojn plej utilajn. La saman konstaton li enskribis en oficiala raporto al la Finnlanda Ministro por eksterlandaj aferoj.

Prof. Ramstedt ankaŭ rakontas pri alia Esperantista diplomato, S-ro Ruscoe, sekretario de la Brita Ambasadorejo, kaj pri amika renkontiĝo kun S-ro Takahaŝi, redaktoro de „*Orienta Revuo*" loĝanta en Koobe.

### Esperanto ĉe laboristoj

∴ La sama numero de E. F. entenas tre bonan raporton pri la progreso de nia lingvo ĉe laboristaj rondoj en diversaj landoj. Laŭ rezultato de farita enketo, la Portugala Socialista Partio ŝajnas stari en unua vico. Ĝi oficiale konsilis la lernon de Esp. kaj enmetis tiun punkton en ĝia programo laŭ decido de sia Kongreso en Lisbono la 5—8 oktobro 1919. Plie la Portugala Socialista Gejunularo akceptis oficiale Esp. por siaj internaciaj rilatoj.

Ankaŭ ĉe portugalaj anarĥianoj kaj liberecanoj nia lingvo estas tre disvastigata. Kelkaj sindikatoj subvencias la Portugalan Laboristan Esperanto-Federacion kaj helpas ĝian organon „*Laboro*", kies septembran numeron ni ricevis.

La Franca Ĝenerala Laborfederacio oficiale rekomendis lernon de Esp. per decido ĉe sia Kongreso en Lyon, sed la *praktika* efektiviĝo de tiu decido ne marŝas tiel rapide. Energie laboras S-ro Adam, propagandante per sia gazeto „*Esperantista Laboristo*", kiu jus fariĝis la oficiala organo de „Liberiga Stelo", la malnova internacia societo de Esperantistaj ruĝuloj. La administranto de la gazeto, S-ro Glodeau, 117, rue de Bagnolet, Paris, petas subtenon de ĉiuj samideanoj, kiuj komprenas la necesecon de grava socialista revuo en nia lingvo. En la oktobra numero (12-paĝa) estas anoncite, ke la fama socialista verkisto Barbusse ne nur lernas mem Esp. sed klopodas por organizi kursojn en diversaj sekcioj de l'Unuiĝo de militintoj.

Ni povis konstati, ke li ankaŭ faris la saman rekomendon al ĉiuj sekcioj de la internacia intelektula societo „Klareco" en lia prezidanta cirkulero.

En Svislando socialistoj en Lausanne kaj Transportlaboristoj en Ĝenevo organizas kursojn. Per malgranda enketo farita en tiu ĉi lasta urbo ni sciiĝis, ke la reprezentantoj de „Klareco" kaj de socialistaj studentaj organizoj ankaŭ ricevas pli kaj pli ofte leterojn en nia lingvo kaj sentas sin devigataj ĝin lerni por korespondi eksterlande.

### Pri lingvaj demandoj

∴ „*Franca Esperantisto*" (aŭgusto-septembro) daŭras batali kontraŭ nova finiĝo por landnomoj.[1] D-ro Corret, malgraŭ sia admiro al H. Hodler, kulpigas lin pri „danĝera paŝo". Liajn argumentojn longe rebatas „*Esp. Finnlando*" (aŭgusto kaj septembro) montrante, ke nia lingvo fariĝis vivanta laŭ la priskribo mem de D-ro Zamenhof, kiu ofte klarigis, kiamaniere novaj formoj, post kelktempa kunvivado, iom post iom venkas la malnovajn.

En tiuj rimarkindaj artikoloj S-ro Ĉernohvostov tre lerte analizas la vivkondiĉojn de nia lingvo kaj la devon de nia Akademio, kiu „almilitu al si efektivan aŭtoritaton ĉe la publiko per pozitiva, fruktodona agado".

En sama senco sin esprimas „*Esperantista Laboristo*" (oktobro) kaj „*Esperanto Triumfonta*" (aŭgusto kaj septembro) kies specialaj numeroj pri la Haga Kongreso kaj la Frankfurta Foiro havis grandan sukceson.

### Angla kiel mondlingvo?

∴ La sama numero de „*Franca Esp.*" (aŭg.-sept.) entenas ankaŭ bonegan (de D-ro Corret faritan) tradukon de l'artikolo Barbusse por Esp. kontraŭ Ido, tre gravan raporton (france) de Generalo Sébert kaj S-ro Rollet de l'Isle pri la pedagogia valoro de Esp. por la instruado de la franca lingvo al infanoj, kaj interesan studon de S-ro Grosjean-Maupin (ankaŭ france) pri la konkurantaj diplomataj lingvoj.

Pri tiu lasta temo la aŭtoro kuraĝas diri al siaj francaj samlingvanoj la krudan veron: Se la Francoj daŭrus proponi sian lingvon kiel la oficialan mondlingvon kaj tiel restigus la demandon sur la kampo de konkurenco, ili fine kaŭzus la malvenkon de la franca lingvo profite de la angla, multoble pli disvastigata en la tuta mondo. Kontraŭe, se ili subtenas Esp., ili portas la demandon sur la kampon de neŭtrala lingvo, ĉe kiu ĉiuj sentos sin egalaj, sen ia malagrabla malvenko. „Aŭ la diplomata mondlingvo estos neŭtrala internacia lingvo, aŭ ĝi estos... la angla."

Ni opinias, ke S-ro Grosjean-Maupin vidas la aferon tute prave kaj klare, kiel ĝi fakte staras.

### Pri la Haga Kongreso

∴ Interesplenajn impresojn el Hago ni legis en „*Esp. Triumfonta*" (sept.), en „*British Esperantist*" (sept.-okt.), en „*Germana Esperantisto*" (septembro kaj oktobro), en „*Espero Katolika*" (aŭg.-sept. kaj oktobro), en „*Esperanto Praktiko*" (okt.) kun amuza ŝercemo, en „*La Espero*" (julio-aŭg.), k. t. p.

[1] Nia sprita kaj polemikema franca kunfrato „*Le Monde espérantiste*" (sept.-oct.), eĉ plendas, ke novaj Akademianoj uzas tiun finiĝon. Ĉu vere? Ni afable petas la liston de tiuj krimuloj. — (*Red.*)

Ĉiuj raportintoj konstatas la grandan sukceson de la Kongreso kaj la talenton de l' organizantoj. Speciale impresis multajn la Akceptejo kun Esp. poŝtisto kaj bonega babilejo. „Por kuncentrigo, ĝi estis vere ideala", skribas nia akademiana kolego P. Nylen en „*La Espero*", precipe ĉar ĝi ankaŭ enhavis bufedon, kie kafo, teo, ĉokolado, lakto, butero, pano kaj kukoj estis haveblaj, eĉ malkaraj bonaj cigaroj. Do la Akceptejo estis vera centro, la ĉiam pulsanta koro de la Kongreso. Tie oni komencis sian Kongrestagon, tien oni iris por skribi leterojn, por amike babiladi, por trinki kafon kaj manĝi buterpanon, se oni estis laca kaj malsata."

Niaj Prahaj amikoj ne forgesu tian sukcesplenan ejon.

.˙. Pri la laborkunsidoj, S-ino Cense en „*Franca Esp.*" (aŭg.-sept.) skribas: „Nur personoj havantaj tre grandan dozon de malbonhumoro (kaj mi forte kredas, ke ne troviĝis tiaj en la unua postmilita kongreso) povos kritiki la sintenadon de tiu postreviviĝa kongreso." Do prave konkludis la simpatia prezidinto S-ro Isbrücker: „Ni estas kontentaj, ĉar vi estas kontentaj."

* * *

.˙. Aliaj gazetoj ricevitaj:

„*Literaturo*" (julio-sept.), „*Argentina Esperantisto*" (junio-julio), „*Nova Tempo*" (junio-julio), „*Kristana Espero*" (N-roj 2 kaj 3), „*La Suda Kruco*" (aŭgusto) Aŭstralio, „*Bulgara Esperantisto*" (junio-julio), „*Hungara Esperantisto*" (sept.-okt.), „*Libero*" (N-ro 4) Japan, „*Esperanto Itala Revuo*" (sept.-okt.), „*Junularo*" (N-ro 5), „*La Revuo Orienta*" (julio), „*Brazila Esperantisto*" (aprilo-junio), „*La Studento*" (aŭg.-sept.) Usono, „*Germana Laborista Esperantisto*" (oktobro), „*Esperanto Mitteilungen*" (julio).

.˙. Ni ricevis artikolojn pri Esp aŭ pri UEA el „*Journal de Genève*" (7 okt.), „*Feuille d'Avis de Neuchâtel*" (21 okt.), „*Gand-Université*" (19 okt.), „*L'Unità Cattolica*" (18 sept.) Firenze, „*La Vangardia*" (9 sept.) Barcelona.

# TRA LA KONGRESOJ

## 5a Nacia Kongreso de Italaj Esperantistoj

*(Bologna, 3—5 oktobro)*

Sub la prezidanteco de Senatano Regna Hon. Enriko Pini, honora Prezidanto de l' O. K., malfermiĝis dimanĉon la 3 oktobro la 5a Kongreso de niaj italaj samideanoj.

Krom preskaŭ cento da kongresanoj de ĉiuj partoj de l' lando (de Potenza, Roma kaj Terni al Genova, Trento kaj Trieste) ĉeestis la solenan malferman kunvenon reprezentantoj de L. E. Moŝtoj la Ministroj por Maraferoj, por Militaferoj, por Eksterlandaferoj, por Poŝtoj kaj Telegrafoj, de L. E. Moŝto la Komandanto de la Armekorpuso de Bologna, de l' Ruĝa-Kruco de Italio, de l' Nacia Korpuso de Knabskoltoj, de l' Komerca kaj Industria Ĉambro en Bologna, de Itala Asocio de Hotelestroj, de Reĝa Geografia Societo, de Nacia Federacio de Marlaboristoj, de Komunumoj de Genova, Milano, Sampierdarena k. c., de Laborĉambroj de Genova, Sampierdarena, kaj de Esp. institucioj: UEA per sia Delegito en Bologna, Itala Esp. Federacio, Itala Katedro de Esp., Skolta Esp. Ligo, Int. Societo de Esp. Juristoj, Svisa Esp. Societo, Germanaj samideanoj kaj Aŭstriaj, krom lokaj grupoj kaj delegitoj de UEA.

Sendis aliĝon kaj bondezirojn al la Kongreso: Lia Reĝida Moŝto le Heredonta Princo Humberto per telegramo tre flatema por nia movado, la Ministroj por Kolonioj, por Laboro, por Agrikulturo, por Publikaj Laboroj, la Ĝenerala Direkcio de Ŝtataj Fervojoj, la Subministroj por Komerca Ŝiparo, Brulaĵoj kaj Aviado, kaj por Provizado kaj Konsumoj, L. E. Moŝto la Kardinalo Ĉefepiskopo de Bologna, L. E. M. la R. Ĝenerala Prokuratoro tiea, Prefekto, komunumo tiea, M. Rektoro de R. Universitato tiea, la Asocioj por Fremdula Movado tiea kaj Pro-Italia de Roma, Komerca Ĉambro de Genova, Antropologia Instituto de Bologna, R. Studestro tiea, IIa Specimenfoiro de Padova, Parlamentaj deputitoj Tovini, Binotti, Bocceri, Preda, eks-dep. Cavazza, Prezidanteco kaj C. O. de UEA, k. c.

Malfermis la kunvenon Adv. Kav. Palmeggiani, prez. de l' O. K., kaj post mirindforma kaj fidovarma parolado de Senatano Pini kaj la salutaj paroloj de l' oficialaj reprezentantoj, la kunvenantaro elektis la kongresan prezidantaron.

*Unua kunsido.*

Samtage je la 15a sub prezidanteco de Vicprez. D-ro Filippetti el Milano.

Pritraktis unuan temon Kom-to Alessio, kiu raportis pri la Haga Kongreso kaj prezentas aron da problemoj propagandaj, por kies solvo li proponas elekton de komisionoj. Li mem estas ŝarĝata gvidi tiujn komisiojn kaj raporti praktikajn proponojn en la marda kunsido.

2a temo. — S-ro Toschi priparolas la nunan situacion de Esp. movado en Italio kaj donas akuratajn statistikajn ciferojn. Li studas la necesojn de nia movado nuntempa kaj prezentas skemajn liniojn de l' nova organizajo de ĉiuj samideanaj fortoj enlandaj.

3a temo. — Librot. Mandelli proponas kaj detale klarigas starigon de konstanta Propaganda Sekretariejo, mone subtenata.

Post vigla diskutado oni aprobas tagordon Vaona-Gianelli jensekvantan:

„La 5a K. de I. E. *deklaras* ree la necesecon de forta nacia organizajo; *kredas*, ke la formo de Federacio estas ankoraŭ taŭga pro l' nuntempaj necesoj; *akceptas* are kaj nedevige la konkludajn proponojn Toschi kaj Mandelli pri restarigo de F. E. I.; *decidas*, ke Milano estu la sidejo de C. K.; *vokas* partopreni la C. K.-on la Sam-ojn D-rojn Filippetti kaj Monti, kaj Librot. Mandelli; kun ŝarĝo revizii la nunan statuton de F. E. I. kaj alporti en ĝi la necesajn aliigojn, *dezirante*, ke la tiel organizata C. K., precipe per la servoj de Propaganda Sekretariejo, laŭ la ekonomiaj eblecoj, povu triumfigi la lingvon kaj la internan ideon Esp-istan".

*Dua kunsido.*

Prezidanteco de l' Vicprez. D-ro Ghez el Triesto.

1a temo. — S-ro Cattonini priparolas la malfacilaĵojn kaj barojn renkontitajn por regula publikigado de „It. Esp. Revuo" kaj postulas decidojn por helpi kaj ebligi ĝian laboron.

2a temo. — Adv. Vaona pritraktas „Esp. kaj Jurnalismo", ĉu rilate nia gazetaro, ĉu rilate tiu neesp-a kaj konkludante per tagordo, kiu esprimas deziron, ke publikiĝu en Italio almenaŭ unu gazeto Esp. ĉiudu-semajna redaktota laŭ modernaj vidpunktoj, kaj konsilas al ĉiuj sam-anoj pli grandan propagandon ĉe l' gazetaro neesperanta.

*Tria kunsido.*

Prezidanteco de l' Vicprez. Adv. Vaona el Verona.

1a temo. — D-ro Ghez pritraktas „Esp. en la poŝtaj kaj telegrafaj rilatoj". Liajn aprobitajn proponojn prezentis tagon postan speciala Komisiono al Komandoro De Ponti, oficiala reprezentanto de Ministerio de P. T. ĉe nia kongreso.

2a temo. — Dum Prezidanteco de l' Prez. Adv. Palmeggiani, Adv. Vaona pritraktas „Esp. kaj fremdula movado" prezentante efektivan planon de agado. Parolas pri tiu temo efike kaj prezentante novajn akceptatajn proponojn (pri kies efektiviĝo zorgos la C. K. de F. E. I.) S-roj Kom-to Alessio, S-ro Jaffe de Itala A. S. de Hotelestroj, kaj Generalo di-Montezemolo, krom aliaj.

3a temo. — S-ro Pedrazzini priparolas „Esp. ĉe komerco" kaj lian raporton konkludas tagordo de S-ro De Masi, per kiu oni deziras starigon de aparta nacia asocio de komercantoj-Esperantistoj enlandaj.

*Kvara kunsido.*

Oni akceptas proponon, ke la postkongresa ekskurso al Ravenna estu aliformigota en speciala kunveno dum la festoj pro l' centjaro de Dante'a morto (1321).

1a temo. — Prezidas la P. Adv. Palmeggiani — P-ro M. Carolfi priparolas „Esp. en la sciencoj, artoj, industrioj" kaj proponas resume komisionon, gvidotan de Senatano Pini, por demandi ĉe la Instruada Ministerio oficialigon de l' It. Katedro de Esp. kaj de ĝiaj diplomoj.

Poste la Kom-to Alessio detale raportas pri la proponoj de l'komisionoj de li gviditaj pri liaj temoj de unua kunsido. Liajn konkludojn oni aprobas, kaj oni invitas la C. K. klopodi por ilia efektiviĝo.

2a kaj 3a temoj. — Adv. Palmeggiani klarigas kaj proponas tagordojn por efektiva enkonduko de Esp. en la oficialaj rilatoj de l' Ligo de Nacioj kaj de l' Naciaj Korpusoj de Knabskoltoj. Plaŭde oni ilin aprobas.

*Kvina kunsido.*

Mardon posttagmeze, dankemajn sentojn esprimas la eminentuloj de l' Kongreso al la Bologna O. K. pro ĝia akcepto vere sinjoreca kaj pro la utilega laboro preparita, kaj ĉefe al la Prezidantoj honora kaj efektiva kaj al iliaj plej gravaj kunlaborantoj, al kiuj oni ŝuldas la senegalan ĝis nun en Italio sukceson de tiu Kongreso.

Redankas Adv. Palmeggiani por ĉiuj O. K-anoj.

Oni decidas sendadon de telegramo al Admiralo Sechi, Marafera Ministro, tiom helpema por nia agado, kaj de leteroj taŭgaj al la vidvinoj de niaj Majstroj Zamenhof kaj Hodler.

Oni decidas sidejon de l' proksima kongreso en Trento; oni rekomendas grandan aron da aliĝoj al la Praha kongreso, kaj fine Senatano Pini fermas la kongreslaborojn per trafa parolado kaj, kio estas plu, per promesoj labori mem por nia sankta afero, kiel li scias kaj povas labori.

*Itala asocio por komuna komerca lingvo* fondiĝis lundon la 4 vespere, sekve de l' deziresprimo kongresa, dum kunveno de S-roj De Masi el Pisa, Clavenna el Sampierdarena, Pedrazzini el Locarno k. c. Ĝenerala Sekretario de l' instituciо estis vokata Adv. G. R. Cantoni (viale XII Giugno-Bologna).

*Grupo de socialistoj* partoprenantaj la Kongreson iris saluti iliajn partiokamaradojn, kiuj regas la komunumon de Bologna, kaj estis afable ricevitaj de P-ro Bidone, ĉefasesoro.

*Promenado kaj vizito* al la mondekonata Ortopedia Instituto Rizzoli kaj al la apudestanta preĝejo S-kta Miĥajlo en Arbaro okazis mardon posttagmeze.

*Festenoj* estis la vespermanĝo solena lundon vespere kaj la teatraĵo, kiu prezentis la tie ludanta Vodvila Kompanio „Lombardo" je l' honoro de l' Kongresanoj.

*Eldonaĵoj* senpage disdonitaj al la Kongresanoj ne estis malmulte: interalie ni rimarkas artedesegnitan membrokarton, gvidlibretojn ilustritajn pri Bologna kaj Ravenna, lerte verkitaj Esperante de l' kongressekretario S-ro Toschi, la majstrefaritan Raporton de Kom-to Alessio pri la Haga Kongreso, la aliĝilojn-reklamilojn de UEA k. c. *Vendejeto* funkciadis kaj disvendis po preskaŭ 200 da italaj liroj da libroj, libretoj, folioj.

*Subskribado* por la refortigita F. E. I. alportis al ĝia C. K. sumon da preskaŭ 2000 liroj, unua fundo por ĝia agadkomenco.

## Itala Kunveno de Katolikoj Esperantistaj

Samtempe kiel la Va Kongreso de Italaj Esp-istoj la 3—5 Oktobro okazis en Bologna en la Salonego *dei Fiorentini* la kunveno de Katolikoj Esperantistaj. La prezidanto P-ro D-ro Modesto Carolfi, malferminte la unuan kunsidon komunikis telegramon de Lia Papa Moŝto Benedikto XV, kiu donis al la kunvenantoj la Altegan Benadon, kaj telegramojn de Iliaj Kardinalaj Moŝtoj Gusmini kaj Richelmy, de Lia Episkopa Moŝto Mons. Paolelli, de la Ministerio de la Terkulturo kaj legis la alvenintajn aliĝojn el plej diversaj partoj de Italio.

S-ro P-ro Alberto Alessio (Padova) raportis pri la laboro de la Va Internacia Katolika Kongreso en Hago.

S-ro Luciano Cattorini (Milano) parolis pri disvastigado de Esperanto en la Seminaroj.

S-ro Prof. Corrado Grazzini (Firenze) esprimis la neceson havi Esperantan nacian katolikan organizadon kaj proponis la fondon de Itala Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj (U. E. C. I.). Tiu propono estis unuanime akceptita, kaj oni elektis por la estraro: S-ro Prof. Corrado Grazzini, prezidanto; S-ro D-ro Pizzi (Venezia) kaj S-ro Saggiori (Padova) — kiel sidejon de la estraro oni elektis Firenze. La adreso de Itala Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj estas ĉe: Prof. Corrado Grazzini, 6, Via dei Neri, Firenze (Italio).

P-ro D-ro Metzger el Graz (Aŭstrio) klarigis al la ĉeestantoj la celojn de la Internacia Katolika Asocio, kaj parolis pri tio P-ro D-ro Hetzelt.

P-ro Prof. Modesto Carolfi (Cortemaggiore) raportis pri la instruo de Esperanto en la Seminaroj.

La 5 oktobro oni fermis la tre fruktodonan kunvenon.

## Distrikta kunveno de UEA, Sud-Oriento de Francio

*Lyon, 9/10 oktobro 1920*

Antaŭ pli ol 30 ĉeestantoj, en matena kaj posttagmeza kunsidoj, la 10 oktobro, sub prezido de S-ro Carles, komitatano (Béziers), helpata de S-ro Génermont, komitatano (Moulins), S-ro Gabert, distrikta delegito (St-Etienne), raportis pri sia agado kaj pri la situacio de la distrikto dum la milito kaj post la milito; tiuj raportoj estis unuanime aprobataj, kaj S-ro Gabert varme dankata. S-ro Poncet, Del. (Lyon), klarigis la parton de la nova Statuto, kiu koncernas la elekton de Ĉefdelegito kaj la kreon de teritorio, kaj skizis, kia devus esti, konforme al la projekto Vidal de la Blache, la divido de Francio en sep teritorioj: Paris'a Regiono, Nordo, Oriento, Sud-Oriento, Centro, Sud-Okcidento, Okcidento. Post diskuto, en kiu partoprenis ĉefe S-ro Gabert, S-ro Maurin, Del. (Marseille), S-ro Ploussu, Del. (Grenoble), S-ro Cherblanc, Del. (Tarare), S-ro Beau (Macon), S-ro Gouchon (Lyon), la kunveno unuanime voĉdonis la jenan deziresprimon: 1e La Komisiono de UEA elektu S-ron Gabert, Ĉefdelegito kaj S-ron Poncet Vicĉefdelegito. 2e Ilia teritorio (Sud-Orienta Francio) konsistu el la jenaj Departementoj: Ain, Rhône, Loire, Ardèche, Drôme, Hautes-Alpes, Isère, Haute-Savoie, Savoie kaj provizore: Vaucluse, Bouches-du-Rhône, Var, Basses-Alpes, Alpes-Maritimes, sude kaj Saône-et-Loire, Jura, Doubs, Haute-Saône, Côte-d'Or, norde. La demando pri Teritoria Kaso ne povis esti solvata pro manko da rimedoj; donacoj estos danke akceptataj, kiel estis tiu de S-ro Roncati, Del. (Nice), kiu bedaŭris ne povi ĉeesti. La ĉeestantoj poste aprobis proponojn, ke UEA malfermigu al si konton en franca banko, kaj ke la Delegitoj estu administrataj de la I. E. O. per la Ĉefdelegito. Du aliaj proponoj estis resendataj, ĉar ili ne koncernis la agadon de UEA (almanako Hachette, festoj). La 1a Teritoria Kunveno verŝajne kaj laŭeble okazos en Lyon dum proksima printempo; „Esperanto" ĝustatempe informos pri ĝi. Dezirinde estas, ke pli multaj ĉeestantoj partoprenu: tamen aparte dankindaj estas 6 Esperantianoj el Marseille, kiuj faris longan kaj karan vojaĝon. Dezirinde ankaŭ, ke aliaj urboj imitu la Teritorian Kunvenon por 1922. Intertempe de la kunvenoj la Ĉefdelegito kaj la Delegitoj povos utile kunlabori koresponde per cirkuleroj kaj leteroj. Ĉiuj korespondaĵoj estu adresataj al S-ro Gabert, urbkasisto, 8, rue Prés. Wilson, St-Etienne (Loire).

Post la kunveno S-ro Poncet faris Esperantan paroladeton pri la *praktika* uzo de Esperanto kaj la meritoj de UEA, pri la Hagaj Kongresoj kaj pri la internacia organizo de la Esperantistoj.

Sabaton kaj dimanĉan posttagmezon la Esperantianoj vizitis la Foiron de Lyon, en kiu partoprenis kelkaj Esp-istaj aŭ Esp-emaj firmoj aŭ societoj: Franca unio por fabrikado de stebiloj (S-ro Parissot, direktoro, 36, rue Grenéba, Paris 2), la amerika silenta skribmaŝino „Noiseless"; maŝinoj Kamenicek kaj Spol (el Praha, S-ro Gazagnaire, riprezentanto, 76, rue des Petits-Champs, Paris 2); Industria Ĉeĥoslovaka Federacio (S-ro Kruis, subdirektoro de la eksporta sekcio, Mikulanska 6, Praha 2); Industria, komerca kaj kampokultura Asocio (A. I. C. A., 10, rue des Marronniers, Lyon); Nacia asocio por ekonomia Ekspansio (A. N. E. E., 23, avenue de Messine, Paris 8); revuo „l'Exportateur Français" (1, rue Taitbout, Paris 9); Universala komerca muzeo (S-ro Méras, direktoro de ĝia Esp.-Oficejo, 3, rue de Chaillot, Paris 14); komerca referencaro „Mercure" (6, passage des Lions, Genève); monata revuo „l'Illustration de la Province et des Colonies" (S-ro Etaix, direktoro, 21, cours Gambetta,

Lyon); kaj fine la fama T. C. F. (Turing-Klubo de Francio, 65, avenue de la Grande-Armée, Paris 16), kiu nun refariĝis pli favora al nia movado. La partoprenantoj de tiu Aŭtuna Kunveno de la Foiro de Lyon estis tiel multaj, ke pli ol 30 firmoj ne povis ricevi budon, malgraŭ ke la Palaco estas jam parte uzebla; pro tio la Komitato ne disponigis budon por ekspozicio de UEA. La Printempa Kunveno de la Foiro okazos de la 1 ĝis la 15 marto 1921.

Dimanĉon vespere, antaŭ la forveturo de la vagonaroj, S-ino Farges afable akceptis la Esperantianojn en sia modela Esperanto-Oficejo, kies ekstera anoncŝildo tute nova surhavas belegan stelon de UEA laŭ la modelo de la oficiala leterpapero. *A. S.*

## TRA LA LIBRARO

**Esperanto verdedigt** (Esperanto defendita) de *D-ro C. J. Baart de la Faille* kaj *Ir. J. R. G. Isbrücker.* 1920.

Jen broŝuro de veraj kompetentuloj, je kiu oni devas gratuli la Nederlandan Esperantistaron. Ĝi klare montras la bonegecon de nia lingvo kaj samtempe la aĉan batalmanieron de plibonesciuloj (H. betweters) kaj sektuloj. Ĉiu el niaj anoj jam sufiĉfoje povis sperti, ke Esperanto senĉese estas atakita de personoj, kiuj eĉ ne scias la abc de ĝi kaj de sofismuloj Se la atakintoj apartenas al la klerularo, ili estas karakterdifektitaj personoj, ekz. monomaniuloj, kiuj ne povas havi komprenon por la ora regulo, ke la saĝeco konsistas en la scio de la limoj, homoj, kies idealo estas triumfigi sian opinion per ĉiaj rimedoj. En la broŝuro oni ankaŭ legas, ke en 1894 la Majstro proponis kelkajn reformojn por eviti la ŝajnon, ke li mem kontraŭstaru cian evoluon de sia infano; li tamen estis dankema, ke tiuj proponoj estis definitive refuzitaj interalie de S-ro de Beaufront, la patro de Ido, kaj de la Ido-akademiano Kofman! Tiaj viroj ne havas la rajton sin alskribi la virtojn de konstanteco kaj de stabileco, nepraj virtoj por sukcesi. Ĉu do estas miraklo, kiam la Ido-Akademio jam produktis 800 decidojn. Mi devas esti mallonge pro la spaco, kaj mi finigas dirante, ke la broŝuro estas eminentbone skribita de la supernomitaj sinjoroj, al kiuj la Esperantistaro ŝuldas multan dankon. — *G. Altenstadt.*

**Kleine Beiträge zu Sprachenfragen.** Auszug deutscher Aufsätze aus der Zeitschrift „Nova Tempo". (*Mallongaj dokumentoj pri lingvaj demandoj.* Eltirajoj el germanaj artikoloj el la jurnalo „Nova Tempo".) Nova Tempo-Schriften Nº 1. Eldonejo: Nova Tempo-Gesellschaft, Wien. 32 paĝoj 14 × 20 cm. Prezo 4 K. aŭ M. 1. 50 aŭ Fr. 0. 50.

Tiu broŝuro estas taŭga propagandilo por kleraj rondoj en germanlingvaj landoj. La diversaj ĉapitroj estas titolitaj: Kulturo, Hejmlando kaj dialektoj, Opinio de lingvisto (Prof. A. Meillet), La balasto de l'lingvoj, Tutmonda ekonomio kaj lingvoj, Diroj, Ifigenio, Mallibereco, Nova Tempo. Ili traktas diversflanke, sed ĉiam altidee kaj science, la nuntempan bezonegon de internacia komunikigilo kaj la taŭgecon de Esperanto tiucele.

**La Libro de komuna preĝo.** *Kajero dua.* Verkaro de E. E. L. Nº 1. Eldonita de „La Eklezia Esperantista Ligo". 20 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo: 8½ p. (Abono al kajeroj 1—5: 3 ŝ. 6 p.)

La apero de l'unua kajero estis anoncita en decembra numero 1919 de „Esperanto". Tiu dua kajero enhavas: „La ordo por la administrado de la vespermanĝo de la Sinjoro, aŭ Sankta komunio", kaj la komenco de: „La administrado de publika bapto de infanoj". Tiu faka teksto estas tute bonstila, korekta, inda je sia celo; nur malmultaj preseraroj enŝoviĝis (remarki, repozi, k. t. p.) en tiu belaspekta presaĵo; la sufikso „end" estas uzata, kiel ankaŭ specialaj eklezlaj vortoj: „graco, brevo, citatio, ofertorio, homilio, generi", k. t. p.

**Esperanto.**

Propaganda okpaĝa folio en Itala lingvo, aperanta anstataŭ la N-ro 3a de la Itala gazeto „Esperanto", kiu ne povis eliri, ĉar la redaktloko estis tiam okupata de la Germana armeo. Tiu propagandilo estas trafe redaktita kaj rekomendinda. Mendebla ĉe: Esperanta Librejo, 2, Via Giovanni Tommaso Invrea, Genova (Italio).

**Magic.** *A play for children.* (*Magio.* Teatraĵo por infanoj.) Verkita de *Pourquoi Pas.* 32 paĝoj, 12 × 18 cm. Prezo: 1 ŝilingo.

Tiu angla verketo estas bonfara ago: la profito el vendo aŭ prezento de tiu teatraĵeto estos sendata al la Komitato por Infana Savo, kiu celas malakrigi laŭpove la teruran suferadon de l' malsategantaj infanoj en militintaj landoj. Antaŭparolo klarigas tiun intencon. La teatraĵo mem enhavas scenojn, en kiuj ludas rolon infanoj el ĉiuj landoj, vice aperigataj per magia rimedo; la malfeliĉaj rakontas pri la stato tiel kompatinda de l' infanaro en sia lando, la feliĉaj promesas helpon de siaj samlandanoj Ankaŭ magia lingvo, t. e. Esperanto, estas alvokata por ebligi inter ili senperan rilaton.

Certe, profitante la konsilojn de l' verkinto, oni povas aranĝi plej sukcesan prezentadon. Ĉar la mona profito estas dediĉata al tiel estiminda celo, kaj ĉar samtempe la verko amigas nian lingvon, ni nur povas deziri, ke multloke oni legu kaj ludu Magion, des pli, ke Esperanta eldono jam aperis kaj ebligas facilan tradukon en ĉiuj lingvoj. — *G. S.*

**B. E. S.-a Adresaro** *de l' Esperantistoj en ĉiuj landoj.* Somero 1920. 2a eldono. *Bohema Esperanto-Servo* (B. E. S.), Moravany, Ĉeĥoslovakio. 8 + 68 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo: 1.50 Fr. svis.

Nia samideanaro ĉiam interesiĝis pri adresaroj, de la unuaj preparitaj de D-ro Zamenhof ĝis la ĉiumonataj listoj de korespondantoj en ĉi tiu gazeto. La B. E. S.-a estas tre bone aranĝita kaj mirinde riĉa se oni konsideras la unuan malfacilaĵon de tia entrepreno. La fakto, ke l' unua eldono rapide elvendiĝis, pruvas, kiom utila kaj ŝatata ĝi estis. Ĝi cetere ne konkurencas la UEA-jarlibron, kies ĉefa parto estas la delegita adresaro. En la B. E. S.-a ĉiu samideano paginte sian kotizon (2 Fr. sv. por la 3a venonta eldono) rajtas enpresigi sian adreson kaj dezirojn kaj ricevas ekzempleron.

La unuaj paĝoj enhavas aprobojn pri la unua eldono kaj informojn pri la dua kaj tria. La adresaro mem, post konsiloj al uzontoj, tabelo de l' mallongigoj, tabelo pri monkurso, konsistas el 1200 plenaj adresoj de samideanoj dezirantaj korespondi, interŝanĝi aŭ kolekti. Ili estas ordigataj laŭ landoj; kompreneble, pro la deveno de l' libreto, Ĉeĥoslovakio kaj apudaj landoj estas plimulte reprezentataj. Dua parto havas liston de Esperantaj societoj, de Esp. vendejoj aŭ informejoj, de Esp. gazetoj kaj de firmoj uzantaj nian lingvon.

Ĉu fine vorto „dato" necesa por precizigita tempo povas sen konfuzo ankaŭ signifi informon aŭ sciigon? Ni ne tiel opinias. *G. S.*

**Himno pri universala paco.** Poemo de *S. Franz.* Muziko de *Vicent F. Bort.* Kvarpaĝa folio 16 × 24 cm. Vendas Esperantista Centra Oficejo, 51, Rue de Clichy, Paris. Prezo: 1 Fr.

Tiu nova kanto, pri nenova temo, kaj simila al malnovaj Zamenhofaj poezioj, estas dediĉata al la kongresanaro en Hago. La poemo, korekta kaj plaĉa, plene akordiĝas kun la interna ideo de nia movado, kaj la vigla ario estos certe ŝatata en niaj kantemaj rondoj. — *G. S.*

## *NIA NOVA ADRESO*

*Ni tre petas, ke oni sendu de nun ĉion por „Esperanto" aŭ por UEA al nia nuna adreso*

***12, Boulevard du Théâtre, Genève***

*sen nomo de personoj, escepte por personaj aferoj.*



# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco de nacieco, raso aŭ lingvo. Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon de fremdaj popoloj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj kaj entreprenoj, kies interesoj celas trans la limoj de ilia genta aŭ lingva teritorio. — UEA kunigas le samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Membro: *5 Fr. svisaj.* **Aŭstrio**: *50 Kr.* **Baltaj ŝtatoj**: *16 Germ. Mk.* **Belgio**: *8 Fr.* **Britio**: *4 Sh.* **Bulgario**: *20 Lev.* **Ĉeĥoslovakio**: *18 Kr.* **Danio**: *5 Kr.* **Finnlando**: *18 Mk.* **Francio**: *8 Fr.* **Germanio**: *16 Mk.* **Hispanio**: *5 Pes.* **Hungario**: *50 Kr.* **Jugoslavio**: *25 Kr.* **Italio**: *10 L.* **Nederlando**: *2.50 Guld.* **Norvegio**: *5 Kr.* **Polio**: *50 P. Mk.* **Rumanio**: *20 Lej.* **Svedio**: *4 Kr.* **Usono**: *1 Dol.*

Membro-Abonanto (*ricevanta la gazeton*): *12.50 Fr. Svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.*

Membro-Subtenanto, *ricevanta la gazeton: 25 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per kvin.*

Membro Dumviva (*kun la gazeto kaj ĉiuj oficialaj dokumentoj*): *300 Fr. svisaj. (Partopagoj trijare po 100 Fr.*

**Entrepreno de UEA** (*komercaj firmoj, societoj k. t. p.*): *12.50 Fr. svisaj. (Naciaj prezoj: Multobligu la tarifon de Membroj per 2½.) La Entreprenoj rajtas presigi 40-vortan anoncon en la jarlibro.*

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svisio). — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I 2310.*

---

**Administra Jaro 1921.** La kutima *„Oficiala Bulteno"* kun la necesaj presaĵoj, membrolistoj, aliĝiloj kaj reklamiloj estos forsendata al la Delegitoj fine de novembro. Sed jam nun la kotizoj estas repageblaj, kaj la Delegitoj bonvolu atenti la jenon:

*Kotizoj.* La oficialaj kotizoj laŭ svisa valoro restas senŝanĝaj, sed je nia granda bedaŭro ni neplu povas konservi la ĝisnunajn prezojn laŭ alinaciaj valoroj. Kalkulinte ilin antaŭ unu jaro je kurzo tre favora al la membroj, ni esperis, ke ioma supreniro de la eksterlanda mono malaltigos la antaŭviditan perdon. Sed la kurzoj falis ĉiam pli, tiel ke el multaj landoj ni ricevis anstataŭ 5 Fr. post ŝanĝo nur 3 aŭ 2 Fr.; la pagoj el certaj speciale suferantaj nacioj preskaŭ nur kompensis la sendelspezojn, dum niaj propraj kostoj sekvis la plikariĝon de la vivo.

La provita sistemo, konservi la fremdlandan monon neŝanĝite ĉe banko kaj vivi el la kapitalo, ne solvas la problemon. Disponado pri tia mono estas komplikega, okaze mankas eĉ garantio, ke iam oni povos ĝin uzi, kaj sufiĉa supreniro de la kurzoj por egaligi la intertempajn perdojn ne estas antaŭvidebla. La deficito de UEA, kaŭzata per la nesufiĉa nombro de membroj kaj abonantoj jam estas tiel granda, ke la kapitalo ne povas pagi kvazaŭ la tutan administradon, amasigante fremdlandajn bonhavojn je malcerta valoro.

Ni petas favore akcepti la novajn, iom pli altajn prezojn kaj atentigas, ke parto el ili restas ankoraŭ multe sub la egaleco de la kurzoj. Ilin fiksinte ni konsideris laŭpove la pagokapablojn de la diversaj landoj, tial ni postulas relative pli multe de la nacioj vivantaj sub normalaj kondiĉoj aŭ ĉe kiuj la plialtigo de la salajroj kompensis la falon de la monvaloro. La prezoj estas provizoraj en tiu senco, ke, se la kurzoj ankoraŭ malpliboniĝus aŭ se la financa situacio de UEA fariĝus tro malbona, ni rezervas al ni ilin plialtigi interkonsente kun la Komitato.

La maniero de pago restas proksimume la sama kiel ĝis nun. Kiam eble, oni bonvolu sendi bankbiletojn en rekomendita letero. Al membroj kaj abonantoj, kiuj pagas iom pli multe aŭ eĉ la normalan svisan prezon, ni esprimas nian sinceran dankon.

Oficialaj Kotizoj, akceptitaj de la voĉdonado de la Delegitoj de UEA dum aŭtuno 1919: Membroj: Fr. 5, Membroj-Abonantoj: Fr. 12.50, Membroj-Subtenantoj: Fr. 25, Dumvivaj Membroj: Fr. 300, svisa valoro. Procentaĵo de la Delegito, deprenata por kompensi liajn elspezojn: 10% el ĉiuj kotizoj ĝustatempe enkasigitaj.

*Tabelo de la kotizoj en naciaj valoroj por la jaro 1920—1921:*

| Lando: | Monunuo: | Membro: | Membro-Abonanto: | Membro-Subtenanto: |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | Kronoj | 50 | 125 | 250 |
| Belgio | Frankoj | 8 | 20 | 40 |
| Britio | Ŝilingoj | 4/- | 10/- | £1 |
| Bulgario | Levoj | 20 | 50 | 100 |
| Ĉeĥoslovakio | Kronoj | 18 | 45 | 90 |
| Danio | Kronoj | 5 | 12.50 | 25 |
| Finnlando | Markoj | 18 | 45 | 90 |
| Francio | Frankoj | 8 | 20 | 40 |
| Germanio | Markoj | 16 | 40 | 80 |
| Hispanio | Pesetoj | 5 | 12.50 | 25 |
| Hungario | Kronoj | 50 | 125 | 250 |
| Jugoslavio | Kronoj | 25 | 62.50 | 125 |
| Italio | Liroj | 10 | 25 | 50 |
| Nederlando | Guldenoj | 2.50 | 6.25 | 10 |
| Norvegio | Kronoj | 5 | 12.50 | 25 |
| Polio | Markoj | 50 | 125 | 250 |
| Rumanio | Lej | 20 | 50 | 100 |
| Svedio | Kronoj | 4 | 10 | 20 |
| Svisio | Frankoj | 5 | 12.50 | 25 |
| Usono | Dolaroj | 1 | 2.50 | 5 |

El landoj ne notitaj ĉi-tie, oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj; kie tio ne estas ebla oni informiĝu pri la procedo ĉe la Centra Oficejo. Por Estonio, Latvio kaj Litovio ni ne povis fiksi prezon; ilia enlanda mono ne estas ŝanĝebla ĉe ni. Niaj membroj en tiu-ĉi landoj bonvolu pagi en germana mono kiel tio okazis ĝis nun.

*Garantia Kapitalo:* Atestoj po 300 Fr. svisaj estas pageblaj per partopagoj po 100 Fr. dum tri sinsekvaj jaroj. Garantiantoj, do personoj jam havantaj unu ateston, povas akiri plian malnovan ateston po 125 Fr. por la rabata prezo de 100 Fr.

**Jarlibro 1920.** — Pro la militstato en Polio ni ne forsendis ĉiujn jarlibrojn dum septembro. Vidante, ke la kelkaj provekzempleroj alvenis, ni ĝin ekspedis la 21 oktobro al ĉiuj membroj kun la membrokarto. Kiu ne ricevis ĝin bonvolu informi la C. O.

Revenis la jarlibroj de jenaj membroj:

Schilling, E. (N-ro 111); Sommerfeld, E. (N-ro 13,283); Bialoĉerkiewski (N-ro 13,174); Mangelsdorf (N-ro 2); Hein (N-ro 13,678); Kresse (N-ro 13,114); Hipsley (N-ro 8); Leiper (N-ro 1256); Grund (N-ro 13,926); Kopecky (N-ro 12,949); Karlsson (N-ro 12,201); Archer (N-ro 8083); Westman (N-ro 11,798); Popoff (N-ro 13,831); Witt (N-ro 10,720); Beermann (N-ro 11,117); Loukota (N-ro 11,917); Gazan (N-ro 11,076); Pierrot (N-ro 13,674); Imeldi (N-ro 13,523).

Ili plej parte revenis pro adresŝanĝo ne komunikita al ni. Samideanoj, kiuj konas iun el la nomitaj personoj bonvolu indiki al ni la nunan adreson.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato aŭgusto:

Ricevitaj: 635. — Forsenditaj: 795. — Tuta sumo: 1430. (Antaŭa monato: 2385.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato septembro:

Ricevitaj: 572. — Forsenditaj: 690. — Tuta sumo: 1262. (Antaŭa monato: 1430.)

**Insignoj.** — Oni informis nin, ke komercisto fabrikigis kaj rekomendis al la publiko insignojn de UEA, ne demandinte nian konsenton. Same kiel nia nomo, la insignoj kun la literoj „UEA" rilatas nian asocion kaj ne devas esti imitataj. Ni petas la membrojn rifuzi tiajn insignojn kaj havigi al ni la faktojn necesajn, por ke ni povu defendi nian rajton.

**Imitinda ekzemplo.** — Plezure kaj kun peto imiti, ni komunikas ĉi tie statistikon de niaj membroj en Lyon dum 1920:

| | | | |
|---|---|---|---|
| En la urbo . | 39 Membroj | 30 Membro-Abonantoj | 2 Entreprenoj |
| Ekster. . . | 6 Membroj | 11 Membro-Abonantoj | 1 Entrepreno |
| Entute | 45 Membroj | 41 Membro-Abonantoj | 3 Entreprenoj |

Krom tio 11 Dumvivaj membroj varbitaj lastan jaron. La stato de la personoj aliĝintaj en la regiono estas 79!

*Korespondado:* De 1 novembro 1919 ĝis septembro 1920 oni ricevis 452 leterojn, 76 presaĵojn; forsendis 423 leterojn, 382 presaĵojn.

*Servoj:* Dum sama epoko la Delegito plenumis 126 servojn, el kiuj 36 pri komerco, 8 pri turismo kaj 82 diversaj.

Ni kore gratulas nian senlacan kaj sindonan Del. S-ro Poncet, ne forgesante S-inon Farges, multe helpinte por atingi tian belan rezulton.

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj lokoj:

*Baez* (Kubo, prov. de Sta Clara). — D.: S-ro Francisco Alegret.
*Blaricum* (Nederlando, Gooi). — D.: S-ro J. F. E. von Römer, oficisto de la nederlandaj fervojoj, Raadhuisstraat 266.
*Borzoli* (Italio, Ligurio). — D.: S-ro Ettore M. Fasce, villa Brignole.
*Červeny Kostelec* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Jiři Adamek, teksindustriisto.
*Denver* (Usono, Kolorado). — D.: S-ro Hyman Levine, inĝeniero. 613, Majestic Blg.
*Dobritz* (Saksio). — D.: S-ro Emil Friebel, instruisto, Residenzstr. 24/I,
*Haapsalu* (Estonio). — D.: S-ro Johannes Grünthal, fotografisto.
*Hasselt* (Belgio, Limburg). — D.: S-ro J. A. H. Jeurissen, komercoficisto, Schrijnwerkerstraat 3.
*Heidelberg* (Germanio). — D.: S-ro Kurt Kauffmann, verkisto, Hauptstr. 129.
*Heidenau* (Saksio). — D.: S-ro W. Röhner, teknikisto, Dohnaerstr. 27.
*Kajana* (Finnlando). — D.: S-ro Emil Hallikainen, ĉefredaktoro.
*Le Raincy* (Francio, Seine-et-Oise). — D.: S-ro Eugène Robert, fervojoficisto, 4, allée des Fougères.
*Lübben* (Germanio, Spreewald). — D.: S-ro Johannes Jungfer, termezuristo, Lindenstr. 10.
*Montegnée* (Belgio, prov. Liége). — D.: S-ro Ernest Servais, oficisto, 140, r. Neurice.
*Montreux* (Svisio, Vaud). — D.: S-ino Alexandra Mexin, 63, Grand'Rue.
*Nowata* (Usono, Oklahoma). — D.: S-ro A. M. Flesher, Box 542.
*Panaguridhté* (Bulgario). — D.: S-ro Stojan St. Djudjev, lernanto, uĉenik.
*Postrum bei Deutsch-Gabel* (Ĉeĥoslovakio). — D.: S-ro Gustav Scholze, inĝeniero.
*Richvale* (Usono, Kalifornio). — D.: S-ro R. G. Gorham, farmisto.
*Santa Clara* (Kubo). — D.: S-ro Andrès Ma. Oliva, kapitano, 2, calle Lorda. — VD.: S-ro Rafael G. Crespo, prof., Escuela Normal.
*Sapporo* (Japanio, insulo Hokkaido). — D.: S-ro N. Mita, Nakinokato I. kita IX Nishi 4.
*Sainàjoki* (Finnlando, Törnävä). — D.: S-ro Isak Ahonen.
*Terrasson* (Francio, Dordogne). — D.: S--ro Marcel Fleury de la Ruelle, bienposedanto, Teyssenat.
*Tiflis* (Georgio). — D.: S-ro D-ro André Fischer, kuracisto, 25, ulica Griboiedov.
*Tikkurila* (Finnlando). — D.: S-ro L. M. Kanervo, Agrikultura Eksperimenta Instituto.
*Versailles* (Francio). — D.: S-ro Lionel Chilard,, 4 rue Pierre Bertin.
*Werdau* (Saksio, Zwickau). — D.: S-ro Albrecht Naumann, instruisto, Königsplatz 2.

Ŝanĝoj.

*Danzig.* — D.: S-ro B. Ketterling, poŝtsekretario, Luisenthal 6, Langfuhr.
*Kaunas* (Litovio). — D.: S-ro P. Medem, bankdirektoro, Smeliu g-ve 12.
*Kjöbenhavn* (Danio). — VD.: S-ro Georg Hinrichsen, Vestre Stationsvej Rungsted.
*Lehe* (Germanio, Bremen). — D.: S-ro Hugo Hohmann, instruisto, Moltkestr. 22.
*Winnipeg* (Kanado). — D.: S-ro H. H. Himmelmann, naturkuracisto, Transcona-Winnipeg.

Adresŝanĝoj:

*Napoli* (Italio). — D.: S-ro C. Cacace, 8, Piazza della Borsa.
*Paris IX* (Francio). — D.: S-ro L. Courtinat, 49, Bd. Rochechouart.
*Rotterdam* (Nederlando). — VD.: S-ro F. Pakker, Paul Krugerstr. 130 a.
*Saint Omer* (Francio, P.-d.-C.). — D.: S-ro E. Deligny, 5, rue Allent.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj:

*Barros* (Porto-Rico); *Cebu* (Filipinaj insuloj); *Kecskemet* (Hungario); *Murcia* (Hispanio); *Smichov* (Ĉeĥoslovakio).

**Korekto.** — Pro eraro ne aperis en la Jarlibro 1920 la loko *Postrum en Bohemio.* S-ro G. Scholze plenumas tie jam de pasinta jaro la taskon de Delegito, farinte ŝatindajn servojn. Informon pri laŭregula starigo vidu sub „Delegitoj elektitaj".

**Starigo de novaj Delegitoj.** — En jenaj lokoj de Italio starigo de Delegito estas dezirinda:

*Acireale, Acqui, Aderno, Adria, Alassio, Albenga, Alcamo, Alessandria, Alghero, Altamura, Amalfi, Ancona, Andria, Aosta, Aquila, Arezzo, Ascoli-Piceno, Asti, Avellino, Bagni della Poretta, Bagni di Lucca, Bagni di Montecatini, Bagni di San Giuliano, Bari, Barletta, Bassano, Belluno, Benevento, Bergamo, Biella, Bisceglie, Bondeno, Bordighera, Borgo San Donnino, Bormio, Brescia, Brindisi, Busto Arsizio, Cagliari, Caltagirone, Caltanissetta, Campobasso, Capri, Carpi, Carrara, Casale Mon Ferrato, Caserta, Castellamare, Catania, Catanzaro, Cesena, Chiavari, Chieti, Cividale del Friuli, Civitavecchia, Como, Cornegliano, Cortona, Cosenza, Coneo, Fermo, Ferrara, Foggia, Foligno, Forli, Girgenti, Grosseto, Guestalla, Iglesias, Imola, Ivrea, Iesi, Lanciano, Lecce, Legnago, Livorno, Lodi, Loreto, Lucca, Macerata, Mantova, Marsala, Massa, Mazzara del Vallo, Messina, Modena, Molfetta, Mondovi, Monreale, Monsummano, Monza, Novara, Novi Ligure, Oneglia, Orvieto, Pallanza, Parma, Pavia, Perugia, Pesaro, Piacenza, Piazza Armerina, Pinerolo, Pistoia, Porto, Maurizio, Pozzuoli, Prato in Toscana, Ravenna, Reggio Calabria, Reggo Emilia, Rieti, Rimini, Rovigo, Salermo, Salo, Salso-maggiore, San Miniato, San Remo, Sassari, Savona, Sciacca, Senigallia, Sessa Anninca, Sestri Ponente, Steno, Siracusa, Sondrio, Spezia, Sulmona, Tarranto, Teramo, Termini Imerese, Terni, Terranova di Sicilia, Tivoli, Torre Annunciata, Torre del Greco, Tortonŭ, Trapani, Treviso, Udine, Urbino, Varese, Ventioniglia, Vercelli, Viareggio, Vicenza, Vizerano, Viterbo, Vittorio, Voghera.* **Venezia Giulia kaj Tridentina:** *Bolzano (Bozen), Bressanone, Gorizia, Grado, Lussinpiccolo, Parenzo, Pirano, Pola, Rovereto, Rovigno, Respubliko, San Marino.*

# Lingvaj Studoj

## Pri la ofteco de la Esperantaj afiksoj

El „Esperanto-Monthly" ni eltiras la jenan interesan rimarkon:

S-ro Butler en siaj „Konsiloj por Instruisto" diris: Instruu la oftan antaŭ ol la maloftan, ekz. la sufikson *-iĝ* antaŭ ol la sufikson *-op.*

Por eltrovi, kiuj estas la plej oftaj afiksoj, mi kalkulis sep cent ĉerpitajn el diversaj verkoj, *„La Psalmaro"*, *„British Esperantist"*, kaj aliaj. La rezulto estas interesa.

La plej ofta afikso estas la prefikso *mal-*, kiu okazis 124 fojojn, preskaŭ 18 %. La sufikso *-ig* okazis 77 fojojn, 11 %, kaj la sufikso *-iĝ* 72 fojojn, pli ol 10 %. Poste venas *-ul*, 7 %, *-ad* kaj *-in*, 6 %, *-ist*, 5 %, *-et*, 4 %, *-aj* kaj *-ec*, 3½ %, *-ebl*, 3 %. Ĉi tiuj okazas pli ofte ol la meznombra ofteco. La aliaj sekvas en la jena ordo: *-ej, -ar, -eg, -ek, -il, -ind, -an, -em, -uj, re-, dis-, -um, -on, ge-, -id, -er, -obl, -estr.*

La prefikso *bo-* kaj la sufiksoj *-aĉ, -ĉj, -ing, -nj* kaj *-op* ne okazis.

Principe mi konsentas kun S-ro Butler, sed estas rimarkinde, ke neniu el la ĝisnunaj lernolibroj eĉ proksimume agas tiel. Preskaŭ ĉiu, se ne ĉiu, lernolibro instruas la sufikson *-op* antaŭ la sufikso *-iĝ*, kaj plie instruas preskaŭ ĉion antaŭ ol la sufiksojn *-ig* kaj *-iĝ*, kiuj ĝenerale okazas apud la fino de la libro! — *F. W. Hipsley.*

# XIII-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO 1921 EN PRAHA (Ĉeĥoslovakio)

*Dua Komuniko*

**Fakaj Kunvenoj.** — Por faciligi la arangôn de fakaj kunvenoj, la Loka kongresa komitato transdonis la organizon al jenaj personoj: *Blindulo)*: S-ro St. Stejskal; *Fervojistoj*: F-ino Sidonie Dlouha; *Instruistoj*: F-ino Julie Šupichova; *Jurnalistoj-verkistoj*: S-ro B. Weiner; *Kuracistoj*: S-ro D-ro A. Bischitzky; *Laboristoj*: S-ro J. Šidlo; *Liberpensuloj*: S-ro R. Hromada; *Pacifistoj*: F-ino M. Moudra; *Poŝtoficistoj*: F-ino M. Hemerova; *Ruĝa Kruco*: S-ro V. Kraus; *Skoltoj*: S-ro A. Pitlik; *Studentoj*: S-ro M. Lukaŝ. Por aliaj fakoj la personoj estas ankoraŭ nomotaj.

**Dato.** — La kongreso okazos dum aŭgusto; preciza tempo kiel ankaŭ la kotizaĵo estas komunikotaj plej baldaŭ.

**Komitato.** — Partoprenas en la komitato: S-ro St. Kamaryt, profesoro ĉe la ŝtata reallernejo en Bratislava.

**Festarangoj.** — Antaŭvidataj estas teatra prezentado en la Nacia Teatro, internacia balo kaj ekskursoj.

**Aliĝoj.** — 1e S-ino Isbrucker; 2e S-ro Isbrücker (Nederlando); 3e S-ro Würth, pastro (Ĉeĥoslovakio); 4e F-ino Ressel, Höflitz (Ĉeĥoslovakio); 5e S-ro B. Straka, Bratislava; 6e S-ro Krestanov; 7e S-ino Krestanova; 8e S-ro S. Degenkamp, Utrecht.

**Donacoj.** — S-ro Stefan Varzaly en Lansfort: 100 Kr.

* * *

*Adreso*: S-ro Augustin Pitlik, Nerudova 40, Praha III. (Por respondo aldoni stampitan respondkuponon aŭ naciajn poŝtmarkojn.)

Por la Organiza komitato:
*Augustin Pitlik.*

## Postvortoj pri la XIIa

Al ĉiuj, kiuj private aŭ per nia gazetaro laŭdis kaj dankis la membrojn de nia loka kongreskomitato pri la bona aranĝo kaj sukceso de la XIIa, ni esprimas nian sinceran dankon. Prave diris nia prezidinto, S-ro J. R. G. Isbrücker: „Ni estas kontentaj, ĉar vi estas kontentaj". Ni, Nederlandanoj, estas feliĉaj kaj fieraj, ke la unua postmilita kongreso okazis sur nia neŭtrala grundo, dank' al kio plena harmonio povis regi dum la tuta kongreso inter loĝantoj de tielnomitaj „malamikaj" landoj. La Haga kongreso estu la komenco de nova epoko en la Esperantista movado. Demandite de diversaj flankoj pri fotografaĵoj dumkongresaj, ni povas informi la jenon:

Mendeblaj ĉe la „Vereenigde Fotobureaux", Nieuwe Heerengracht 156, Amsterdam, po 3 guldenoj afrankite kaj rekomendite: 1e Malferma kunsido en la Kavalira Salonego dum Dimanĉo 7 aŭgusto; 2e Kongresanoj sur la ŝtuparo de la urbdomo en Leiden dum vendredo 13 aŭgusto; 3e Grupo de hispanaj samideanoj antaŭ la urbdomo de Leiden.

Mendeblaj ĉe S-ro M. Doubard, Laan van Roos en Doorn 10, Hago: 1e Granda fotokarto, fl. 0,60, kongresanoj sur la ŝtuparo de la Pacpalaco; 2e poŝtkarto de N-ro I, fl. 0,30; 3e kaj 4e grupoj antaŭ la krado de la Pacpalaco, fl. 0,30. Oni aldonu fl. 0,20 ĉe ĉiu mendo por afranko kaj rekomendo.

Kongresbildoj aperis en 4 ilustritaj gazetoj: „Wereldkroniek", „Het Leven", „Geillustreerde Wereldrevue" kaj „Panorama". „Panorama" ankaŭ eldonis alian numeron kun partoprenantoj de la Rom-Katolika kongreso. Ĉiuj gazetoj estas livereblaj per la „Centra Esperanto-Librejo" en Hago po fl. 0,20; oni aldonu fl. 0,20 por afranko kaj rekomendo.

La eks-sekretario-kasisto de la XIIa:
*J. L. Bruijn.*

# Esperantista Literatura Asocio

**Nia diligenta kolegaro**
**En laboro paca ne laciĝos.**

*Novembra raporto*

Prave diras F. Glaser, ke la unuaj verkoj de juna popolo ĉiam estas versoj, poeziaĵoj. Kanto pri granda faro aŭ aventuro estas aŭdita, skribisto troviĝas, kiu eternigas heroikan himnon. Ankaŭ en Esperantujo la unuaj originalaĵoj estis kantoj, la majstro donis la ekzemplon per „La Espero", „La Vojo" kaj „Al la fratoj". Entuziasmo por nia lingvo instigis post li multajn samideanojn rime kaj ritme prikanti la novan senton.

La unuaj kantoj de formiĝintaj nacioj ĉiam estis batalhimnoj kaj triumfado pro venkoj. La Esperantaj poemoj plej ofte gloradas nian sanktan aferon, ilia temo estas homamo kaj interfratiĝo — jen la diferenco! Poste aperis kantoj pri amo, naturo, religio kaj aliaj sentoj de la homa koro, centoj da tiaj versaĵoj estas dissemitaj en niaj gazetoj. Estus inda tasko, kolekti la plej belajn florojn je bukedo.

Ankaŭ poeziaj verketoj jam ekzistas, ni memoru la jenajn: „Versaĵareto" de Dombrovski, „Poezioj" de Devjatnin, „Verdaj Fajreroj" de Romano Frenkel, „Per Espero al despero", „Kion la vivo alportis" kaj „Aŭtunaj floroj" de Schulhof, „Sableroj" de Marie Hankel, „Versaĵoj" de Georgo Deŝkin, „Tra l'silento" de Edm. Privat kaj „Esperantaj Poemoj" de Drogendijk. Belmont, Bicknell, Myslik kaj multaj aliaj estas poetaj heroldoj de nia literaturo.

Tre rimarkindaj ankaŭ estas la versaj rakontoj: „Trafendita turo" de Cart kaj „Homa doloro" de Fez.

El Rusio denove venis sciigo. La Sekcio de Esperantista Literatura Asocio informas nin, ke ĝi estas fondita la 1 julio 1919 laŭ iniciato de kamaradoj U. Pelakov kaj N. Ĵeltov, el kiuj la lasta tre laborema samideano malfeliĉe mortis la 9 majo 1920. La Sekcio kolektis jam tre valoran materialon, precipe tradukojn el la nuntempa rusa literaturo; ĝi treege deziras, ĉion konigi al la Esperantista mondo. La Sekcio petas sciigi ĝin pri ĉiu nove aperinta verko, ĉar dum du jaroj ĝi tute estis forŝirita de ĉiuj ceteraj landoj.

Ni plenumas la deziron per citado de jenaj verkoj: „Vintraj fabeloj" de Heinrich Seidel, Esp., Ida Buecker, „Fraŭlino Suzano" de Avsejenko, Esp. Paul Medem, „Ekzercaro" (nova eldono), Paul Medem, „La bulgara lando kaj popolo" de I. Krestanov (orig.)

„La botistoj" komedio de A. Kivi, Esp. Hilma Hall, „Batalo pri la domo Heikkila" de Joh. Linnanskosk, Esp. Vilh. Setälä, „Sonĝo de somermeza nokto" de Shakespeare, Esp. Louise Briggs, „Ok noveloj" de A. Bennet, Esp. A. E. Wackrill.

Nia nova membro, S-ro Oskar Bünemann estas tradukanta „La Reĝo" de Bjoernson. Lia traduko de „Reaperantoj" de Ibsen aperis en la laborista gazeto: „Antaŭen",

S-ro I. Krestanov serĉas eldoniston por 3 aŭ 4, de E. L. A. trarigarditaj nuntempaj „Rakontoj" de G. P. Stamatov kaj ankaŭ por humorplena verko de A. Konstantinov: „Baj Ganjo Balkanski."

Al nia Asocio aliĝis: S-ro Franz Glaser, Innsbruck, S-ino E. Esther Owen-Flint, St. Petersburg, (FLA) U. S. A., S-ro Aladar Bán, Budapest, S-ro Oskar Bünemann, Hamburg, S ro J. Fethke, Oppeln o. S.

Nia Septembra raporto havis eraran surskribon, la legantoj bonvolu ĝin korekti.

*Marie Hankel*, Nicolaistr. 18 Dresden-A.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj Literaturo.** — Oni ne sufiĉe valorigos la utilecon de Esperanto por la konigo de la literaturo precipe de malgrandaj nacioj. Interesa fakto koniginda estas, ke la finnlanda gazeto „Kaleva" en Oulu publikigis tradukojn de nia literatura fako el ĉeĥa, tatara kaj armena lingvoj. (Miaj reĝaj interrilatoj, Tataraj legendoj, Sarkis.)

# Svisa Esperanta Societo

*(Oficialaj informoj)*

*Decido de la* Ĝenerala Kunveno *de S. E. S., Bern, 12 septembro 1920: Ĉefgrupo por 1921:* Neuchâtel; *Prezidanto por 1921: S-ro* J. Wenger.

*La ceterajn membrojn de la Centra Komitato de S. E. S. la grupo Neuchâtel elektis inter siaj membroj en kunsido de 5 oktobro 1920. La oficoj estis disdonitaj jene (adresoj notindaj!): Prezidanto: S-ro Jean Wenger, 113, Côte,* Neuchâtel; *vicprezidantino: F-ino Adam,* St-Blaise *(Neuchâtel); sekretario: S-ro W. Perrenoud,* Cernier *(Neuchâtel); Kasisto: S-ro G. Strœle, 11, Pierre-qui-roule,* Neuchâtel; *Arĥivistino: F-ino E. Straub, 12, Coulon,* Neuchâtel.

1e *Sendu vian jaran* kotizon *al kasisto, S-ro G. Strœle: Grupoj, por ĉiu membro po fr. 0.50; izoluloj fr. 1. (Kelkaj grupoj ankoraŭ ne pagis por 1920!)*

2e *Ĉian* novajon *pri Esperanta movado en via regiono tuj komuniku al sekretario, S-ro W. Perrenoud.*

3e *Mendu de arĥivistino, F-ino Straub:* a) Propagandaj broŝuroj *„Warum Esperanto?“ (germanlingvaj) je 5 kaj 10 centimoj por ĉiu ekzemplero. Rabato: 25 ekz. je 5 ct. por fr. 1; 25 ekz. je 10 ct. por fr. 2.* b) Berna Kongresa Libro *(en Esperanto), bela memoraĵo pri Berna Universala Kongreso 1913; 50 ct. por ĉiu ekzemplero.*

*En la nomo de S. E. S.,*

*La sekretario:* W. Perrenoud. *La prezidanto:* Jean Wenger.

# Esperantista Parolejo

## Insista Peto

Personoj, kiuj konas eblecon korespondi kun Rusio, estas petataj, informiĝi pri la sorto de *F-ino Sofia Zamenhof*, filino de nia majstro. Ŝia lasta adreso estis: Ŝtepovka apud Lebedin, Ĥarkova gubernio; ŝi laboris en la rusa armeo kiel kuracistino kaj la lastaj sciigoj estis de septembro 1917. Ĉiujn utilajn informojn oni bonvolu sendi al la Centra Oficejo de UEA.

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Ludwig Istel*, Del. en Wiesbaden, kore dankas al S-ro Franz Döring en Freiburg i. B. por afabla helpo kaj amika gastameco en lia urbo.

.·. *Henry E. Himmelman* en Winnipeg dankas S-ron Applebaum en Liverpool por afabla helpo dum vojaĝo.

.·. F-ino *Marie Rousset*, el Avignon, en la nomo de ŝia frato dankas la Delegitojn en Chicago kaj St. Louis pro afabla akcepto.

.·. S-ro *Anatolo Koĥ* kore dankas S-ron V. Traĉevskij, Del. en Kiev (Ukrainio) pro helpo kontraŭ teroro je ukraina inteligentularo dum februaro 1918.

.·. *La rusaj samideanoj* en Militkaptitejo Merseburg kore dankas al ĉiuj bonvoluloj, kiuj afable sendis librojn sekve la peto aperinta en „Esperanto“.

.·. S-ro *Atanas D. Atanasov* el Bulgario dankas S-rojn H. Gerisch, Del. en Auerbach, S-ron P. Röder, Del. en Plauen, kaj la samideanojn de Leipzig, Mylaŭ, Auerbach, Plauen kaj Werdaŭ pro ilia afabla akcepto.

.·. S-ro *F. Faulhaber*, Amsterdam, Holland, tutkore dankas fraŭlinon Josefine Finholdt, Kristiania, Norvegio por afable plenumita servo.

.·. F-inoj *Astrid Rybo* kaj *Anna Jörgensen* el Kopenhago kore dankas al F-ino M. Grabau en Hamburg, S-ro Vermaas, Del. en Rotterdam kaj S-ro Borghouts en Rosendaal pro afabla helpo okaze de trapaso de tiuj-ĉi lokoj.

.·. *P. Kolev*, Membro el Sofia, sincere dankas la Delegitojn: E. Müller en Zürich, L. Beaumel en Toulouse, J. Camescasse en Paris, B. Kötz en Leipzig kaj E. Sós en Wien pro afabla plenumo de petitaj servoj.

.·. S-ro *G. Delanoue*, Del. en Nemours, Francio, tre sincere dankas al Fraŭlino Jennen, en Bruxelles, al ges-roj Hromada kaj S-ro Buŝka, en Praha, al Fraŭlinoj Tošnarová, en Blansko, Janalíková, en Bystřice pod Hostýnem, al S-roj Neužil, en Olomouc-Neředín, Kudela kaj Mastný, en Olomouc, pro iliaj tre sindonemaj akceptoj kaj tre utilaj servoj dum sia vojaĝo en Bruxelles kaj restado en Ĉeĥoslovakio.

.·. S-ro *Otto de Beus*, Culemborg, ĝentile dankas S-ron Paul Medem en Kovno (Litovio) pro plenumita servo.

.·. S-ro *Chaler* kaj aliaj samideanoj el Tarrassa, ĉeestintaj la kongreson, kore dankas S-inon Cense, la C. O. en Parizo, kaj la samideanojn en Antverpeno, afable akceptintaj ilin dum vojaĝo al la kongreso.

.·. S-ro *Vilmos Austerlitz*, Del. en Bardiov, kore dankas al S-ro Stanisław Rudnicki, Del. en Kraków, per kies konscienca kaj grava servo li sukcesis, rehavigi parton de sia preskaŭ perdita havo kaj retrovi malaperintajn konatulojn.

.·. S-ro *Jenö Szabó*, Budapest, korege dankas F-inon Nella Boon el Hago, pro ŝia donaco, per kio ŝi ebligis al li vojaĝi al Hago kaj partopreni la kongreson.

.·. S-ro *Ludoviko Kelety* el Szaszsebes, veturinte de Argentino al Rumanio, kore dankas la Delegitojn en Las Palmas, Tetuan, Algeçiras, Gibraltar, Tarragona, Barcelona, Paris, Milano, Venezia kaj Temesvar, pro ilia afabla helpo dum lia trapaso.

.·. S-ro *Paŭlo Balkányi*, Del. de Budapest, tre kore dankas al F-ino Nella Boon, 's-Gravenhage, S-ro J. Bredall, Croydon, S-ro M. A. C. Schafsman Bevervik, S-ro J. A. Aalderink, Amersfoort, kvar Esperantistoj en Amsterdam, por monhelpo al la Hungara Esperanto Servo, por suferantaj Esperantistoj kaj infanoj.

.·. S-ro *Jozefo Major* kore dankas S-ron Karl Karlsson en Svedio pro sendo de konservita viando; al S-ro Gottlieb Strössner en München pro sendo de insignoj; al ĉiuj, kiuj bonvolis respondi mian peton „al ateistoj“.

.·. S-ro *Thevenin*, Membro el St-Etienne, dankas S-ron Schoofs, Del. en Antwerpen, pro afabla servo dum restado en tiu-ĉi urbo.

.·. S-ro *Renaud Richez* en Genève kore dankas S-ron W. Perrenoud en Cernier pro bona akcepto dum montar-ekskurso.

## Oni petas!

.·. *Al la amantoj de la homaro.* — Esperantista grupo „La Rondo“ deziras kolekti adresojn de naturistoj, ekskursantoj kaj sportamantoj. Adreso: 156, Str. Provenca, Barcelona (Hispanio).

.·. *Al laboristoj.* — La IXa distrikta grupo de la Hungara Esperantista Societo petas ĉiujn laboristajn Esperantistajn societojn je sendo de sciigoj pri la movado Esperanta inter laboristoj. Oni skribu al: Distrikta Grupo de H. E. S., Budapest IX, Ferenc tér. 1.

.·. *Al monhelpintoj.* — La Hungara Esperanto Servo petas ĉiujn samideanojn, kiuj sendis ian monhelpon al ĝi por hungaraj Esperantistoj aŭ infanoj kaj ne ricevis kvitancon, ke ili postulu denove kvitancon, ĉar ĉiu monsendo destinita por mizeruloj kaj infanoj estis transdonata al koncernaj personoj! (Paulo Balkányi, Budapest VI, Hajós utca 15. II. 2.) Pro la bojkoto eble leteroj aŭ respondoj perdiĝis! — La pluan disdonon de monhelpoj afable promesis prizorgi la Hungarlanda Esperanto Societo (kasisto: Elek Tolnai, Budapest VII, Bethlen tér 2), kien oni bonvolu sendi de nun ĉiujn helpsendaĵojn!

.·. *Al propagandistoj.* — La Hungara Esperanto Servo ne sendas apartajn komercajn kaj ekonomiajn raportojn pri Hungario por fremdlanda gazetrepreso, ĉar ili aperas en rubriko „Por ekster-

lando" de hungara komerca revuo „Meza Danubo" (Budapest V., Zoltán u. 10. III.). Ni petas la ĝisnunajn kunlaborantojn kaj tiujn, kiuj povas kaj volas publikigi en ia ajn gazeto tiujn ĉi raportojn, ili petu la gazeton M. D. Ili ricevos ĝin senpage, sed nature ili devas sendi la gazetnumerojn, en kiuj aperas la artikoloj.

.˙. *Al propagandistoj.* — Samideanoj, instruantaj en la Esperanto-kursoj, kiuj volus interrilatigi siajn lernantojn kun alilandaj studantoj de la lingvo, skribu al O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Kralóvé, Ĉeĥoslovakio. Mi komencis en oktobro 2 kursojn por la komencantoj kun 60 partoprenantoj kaj 1 kurso por la progresintoj kun 20 partoprenantoj. — Mi deziras listojn de adresoj kun precizaj notoj pri temoj prikorespondotaj.

.˙. *Al socialistoj.* La organizita laboristaro de Sibin (Transsilvanio) komencis energian agadon por akceptigi Esperanton oficiala lingvo de tutlanda kaj tutmonda socialista movado. Oni bonvolu sendi diversajn propagandilojn, precipe tiujn rilatajn al la laborista movado kaj leterojn, poŝtkartojn instigantajn la laboristaron al favora decido. La sendaĵoj estos uzataj por propagando kaj ekspozicio. Al sendontoj antaŭdankon! Adreso: Laborista Esperanto-Grupo, Rosenanger 14, Sibin (Hermannstadt), Transsilvanio, Rumanio.

.˙. *Al ĉiuj.* S-ro Chilard, Del. en Versailles, petas insiste la samideanojn, ke ili petu per poŝtkarto la gvidfolion de la urbo. Ili tiel helpos al la alpreno de Esperanto de la tiea turista Asocio kiu jam estas ema ĝin akcepti. Adreso: Syndicat d'Initiative, rue du Maréchal Foch, Versailles (Francio).

.˙. *Al ĉiuj.* La urbo Kovno en Litovio suferis dum somero grandan bruladon, ĉe kiu la tiea Esperantista Societo perdis ĝian tutan, bone organizitan bibliotekon. Samideanoj, kiuj posedas librojn, kiujn ili ne plu bezonas, estas petataj sendi ilin al S-ro E. de Wolf, jr. Voorhelmstraat 2, Haarlem (Nederlando). La „Haarlema komitato por disvastigi Esperanton" ŝarĝis sin por kolekti donacojn kaj ĉion prizorgos laŭregule.

.˙. *Al Spiritistoj-Okultistoj.* — Granda trezoro da fortoj, kies malkovro certe gvidus al pli bona estado de l' homaro kaj al pli bona kompreno de l' homa vivo estas ankoraŭ kaŝita antaŭ ni. — Ĉu ne estus ebla ankaŭ en tiu fako tutmonda kunhelpo per Esperanto? ... Aro da senlacaj esplorantoj, kies gvidanto estas nuntempe D-ro K. Vojáček, serĉas seriozajn kunlaborantojn en la tuta mondo. — Programo: 1e senĉesa rilato inter la esplorantoj. 2e Helpa servo pri fakaj gazetoj. 3e Se eble, fakaj kunvenoj dum la universalaj kongresoj Esperantistaj! Ĉiu samideano, ema kunlabori, sendu sian adreson al O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Kralóvé, Ĉeĥoslovakio.

.˙. *Al ĉiuj.* — Pri politikaj aferoj bonvolu ne skribi al Hungario, aŭ nur tre singardeme, ĉar tiajn poŝtaĵojn la cenzuro ne tralasas; la adresato eĉ povus havi malagrablaĵojn.

.˙. *Al ĉiuj.* — La Estlanda Esp. Unuiĝo „Esperanto" (adreso: Tallinn, Estonio, poŝtkesto 103) petas la gesamideanojn diverslandajn alsendi aŭ, se eble, aboni por ĝi gazetojn kaj ĵurnalojn Esperantajn. Pro neakcepto de estona mono en eksterlando la unuiĝo mem ne havas eblecon fari tion. Bonvolu samtempe sciigi kion oni dezirus ricevi interŝanĝe.

.˙. *Al ĉiuj.* — Rondeto de Esperantistinoj en Praha dezirante aranĝi aŭtune propagandan ekspozicion petas ĉiulandajn Esp. societojn kaj izolulojn donaci Esperantaĵojn. Oni bonvolu ilin sendi al la sekretariino F-ino Sidonie Dlouhà, Wilsonovo nadraži, Praha (Ĉeĥosl.).

---

# Esperantista Vivo

**Naskiĝoj.** — Al Ges-roj *J. C. Nicolai,* VD. en Dresden, naskiĝis filo.

Al Ges-roj *Halter,* Del. en Genève, naskiĝis filo nomata Perez.

Al Ges-roj *Tamm,* Del. en Voldi, naskiĝis filo.

Al Ges-roj *Koĥ,* DM de UEA., naskiĝis filo Georgĉjo.

Al Ges-roj *Hans Jakob,* Ĝenerala Sekretario de UEA, naskiĝis filino Yvonne.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Nic. F. Nicolaev,* impresario kaj publicisto bulgara kun S-ino *Renée Béchard-Leschaud,* kantistino, en Ĝenevo.

**Edziĝo.** — S-ro *Benito Ulm,* membro-abonanto de UEA kun F-ino *Ida Neumann,* ambaŭ en Wien.

**Honorigoj.** — S-ro *D-ro Vanverts,* prof. en la medicina fakultato, VD. de UEA en Lille, kaj S-ro Paillot, Prof. en la scienca fakultato, eks-sekretario de la Scienca Asocio Esp., estas ordenitaj Kavaliroj de la Honora Legio.

---

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni ricevis la informon pri la morto de la jenaj samideanoj:

**Arpado Bagóczky** (Petrozsény, Transilvanio) juna, sed tre agema propagandisto, konsulo de UEA, mortis sur la orienta batalkampo en 1917.

**Romano Brandt.** Laŭ la informo de finnaj gazetoj konfirmita de la loka pariza rusa gazeto „Pozlednia Izvestia" (La Lastaj novaĵoj) en Moskvo mortis pro malsato fama slava lingvisto Romano Brandt, profesoro de Moskva Universitato kaj membro de Rusa Akademio de Sciencoj.

De 12 jaroj li estis Esp-isto kaj dum la lastaj jaroj li tre fervore propagandis nian lingvon.

Li faris kelkajn publikajn paroladojn, verkis propagandajn artikolojn en rusaj gazetoj, skribis Esp. versaĵojn kaj rakontojn en „La Ondo de Esperanto", prezidis la Esp. studentan grupon en la Universitato. Li verkis ankaŭ la antaŭparolon en la libro de Kotzin „Esperanto kaj Ido".

En ĉi-tiu konata slava scienculo, kies nomo tiel apogis nian propagandon en Ruslando, ni perdis vere sindonan kaj samtempe modestan samideanon. — *L. Agourtine.*

**S-ino Bràzovay,** nask. **Jolanjo Balogh** (Puj, Transilvanio) mortis en oktobro 1916, june, en la unua jaro de sia edzineco.

**Emile Cohendy.** La Esp. Grupo de Lyon ree funebras. Ĝia Prezidanto, Emile Cohendy, profesoro pri komerca juro ĉe la Fakultato kaj ĉe la Supera Komerca Lernejo, subite mortis 69-jara la 1 oktobro pro kormalsano.

La ĉefa trajto de lia karaktero estis la ĝentilo, kaj multaj samideanoj persone spertis lian servemon, kiun li kaŝis sub modesta bonvolo. Respektata kaj amata de siaj studentoj, li postlasas gravan juran verkon: liaj kursoj, liaj komentarioj de la kodoj estas klasikaj. Profesoro demokrata, li volis, ke ne nur la studentoj lernu, ke liaj samlandanoj lernu ne nur vortojn sed faktojn: al li Francio ŝuldas la principon de deviga teknika industria kaj komerca instruado; de 1897 en la Supera Konsilantaro de l' Teĥnika Instruado li batalis por tio, kaj antaŭ kelkaj monatoj leĝo sankciis liajn klopodojn. Homo bonkora, li batalis kontraŭ la suferoj, kontraŭ la mizero, kontraŭ la malamo: li sin dediĉis al bonfaraj institucioj por blinduloj, por kripligitaj soldatoj, al la urba pruntoficejo, al Esperanto.

En 1902 Emile Cohendy fondis la Grupon de Lyon kun neforgesebla D-ro Dor, Ch. Bégel, F-ino Zabilon d'Her, S-ro Prof. Offret. Baldaŭ li fariĝis Vic-prezidanto, kaj en 1912 anstataŭis D-ron Dor kiel Prezidanto. Lia nomo tre utile efikis por nia movado en nia regiono, kaj li faris plurajn propagandajn paroladojn. En 1919, konvinkita ke Esperanto sukcesos nur per UEA, li fariĝis Dumviva Membro aliĝante al nia Garantia Kapitalo. Ve! lia dumviva membreco ne estis longa! Ni prezentas al lia vidvino, al liaj filoj, kaj al lia bofilo, S-ro Justin Godart, deputito, Honora Membro de UEA, niajn emociajn kondolencojn.

La funebra ceremonio okazis la 4 oktobro en la granda amfiteatro de la Fakultato, kie kolegoj, lernintoj kaj urbestro S-ro Herriot

gloris liajn meritojn. Inter multegaj funebraj kronoj estis tiu de la Grupo Esp. de Lyon. — *L. P.*

**William Fred Douglas.** — La Dublina Esperantistaro suferas grandan perdon per la morto de sia juna kaj agema sekretario, kiu okazis, post mallonga malsano, en lia 26 jaro, je la 8 oktobro.

La mortinto estis la nevo de Sinjoro Sinton Douglas, la konata irlanda Esperantisto. Li estis la sekretario de la Dublina Esperanto-Klubo, membro de la UEA, kaj ludis ĉefan rolon en la revivigo de Esperanto en Dublino depost la milito. La tre malforta Esperanto movado en Irlando multege suferas per lia morto; sed ĝi ne estas la sola bonfaranta movado, kiu funebras lin, ĉar por multaj samcelantaj aferoj li ageme laboris.

Al liaj gepatroj, gefiloj kaj geparencoj ni sendas nian plej profundan simpation. — *T. A. M.*

**Johano Jaszencsák** (Kisvárda Hungarlando) tre fervora junulo, mortis en 1915 en Graz pro vundo ricevita en la milito.

**S-ro Karaszek,** tragike mortis la 22 aŭgusto. La Laborista Societo aranĝis ekskurson sur la Danubo. S-ron Karaszek ekkaptis akvoturniĝo, kaj ĝis helpo venis li malaperis en la ondojn. Lian memoron ni ĉiam pie konservos. — *T. M.*

**F-ino Elda Lodetti,** membro de la grupo en Verona, bofratino de nia Delegito S-ro Amerigo Reni, mortis atinginte nur 24 jarojn.

**Adalberto Muzsnay** urbestro de Hátszeg, prezidanto de l' tiea Esp.-Grupo, membro de UEA, tre fervora samideano, kies laborpovo kaj agemo donis esperon pri riĉaj sukcesoj, mortis pro hispana gripo en 1919.

**D-ro Nauman,** malnova rusa Esperantisto en Voronej, mortis dum januaro 1919, laŭ nun ricevita senpera sciigo.

**K. Przybosne,** samideano el Rzeszow, mortis 17-jara, 26 julio.

**José Aleman Ruiz,** frato de nia Del. en Habana, mortis pro malsano.

**Aŭrelo Stanciu** (Puj, Transilvanio) bankoficisto, membro de UEA.

**Veselovskij K. G.** Del. de UEA, en Voronej, mortis dum decembro 1919, laŭ ĵus ricevita informo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

*TARIFO*: Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. — Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 4.50 Kr.; *Belgio* 0.90 Fr.; *Britio* 7½ d.; *Bulgario* 2.25 Lev; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr.; *Finnlando* 1.50 F.M.; *Francio* 0.90 Fr.; *Germanio* 1.80 Mk.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 4.50 Kr.; *Italio* 1.05 L.; *Jugoslavio* 3 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Polio* 1.80 M.; *Skandinavio* 50 Öre; *Svisio* 0.75 Fr.; *Usono* 15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 3 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

### Aŭstrio

**Wien.** — S-ro Vaclav Stary, XV. Turnergasse 25/15, L, PI, PM, k. ĉ. l. (salutas siajn malnovajn korespondantojn kaj denove koresp. kun ili pri ĉiuj nuntempaĵoj).
**Wien.** — S-ro Josef Kolnhofer, XIII/4. Zehetnergasse 37, 3/5, ŝanĝas kaj vendas PM, k. ĉ. l. (Oni sendu nur per rekomendita poŝto.)

### Britio

**Glasgow.** — S-ro Alexander Struthers, 14, Church Str., PI (koloritaj).

### Bulgario

**Sofia.** — S-ro Gani Gančev, Bulv. Ferdinand 39 (Marie Luise 46), PI, k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Aussig.** — S-ro Emil Hocke, Resselstr. 1717, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Bodenbach.** — S-ro Bruno Sündermann, Schmelze 203, L, PI, k. ĉ. l.
**Bodenbach a. d. Elbe.** — S-ro Oskar Wünsch, Lerchenfeldg. 339, PI, k. ĉ. l.
**Bratislava.** — S-ro Frederiko Molnár, inĝeniero, Stefánikova 23 a, PI, PM, L (pri elektrotekniko kaj elektromedicino, pri socialaj temoj).
**Brno.** — S-ro Milous Nemec, oficisto de Mor. slez. banka, Jakubské nám. 7, PK, PI, PM, L.
**Holešov** (Moravio). — S-ro Jiriček Frantisek, 17-jara studento, PI, L, PM, k. ĉ. l. (France kaj Esperante.)
**Holešov** (Moravio). — F-ino Janovská Manja, 15-jara studentino, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Hradec Kralóvé.** — S-ro O. Sklenčka, Del. de UEA, PI, L (kun ekstereŭropanoj).
**Hradec-Kralóvé.** — S-ino B. Sklenčková, edzino de Del. de UEA, PI (pri bildoj infanaj).
**Jaromer n. L.** — S-ro Stefano Nachbaur, 284, PI, bfl.
**Jicin 243.** — S-ro Borivoj Benetka, L, PK (pri nuntempa slava vivo kaj eklezio, ankaŭ kun ortodoksaj pastroj).
**Jizerodoli u Semil.** — S-ro Rudolf Tulak, PI.
**Jizerodoli u Semil.** — S-ro Wenzel Bartosch, L, PI (ĉiam respondas).
**Král. Pole u Brna.** — S-ro Jaroslav Paulu, bankoficisto, Srbská tr. 3, PI, fotogr., gaz. ilustr. (precipe kun romanaj landoj).
**Krochwitz 85 b. Bodenbach.** — S-ro Rudolf Storch, studento, L (pri socialismo) PI.
**Lučenec** (Slovensko). — S-ro Al. Varady, komercisto, PM.
**Lučenec.** — S-ro Radó Béla, PM, PI, bfl, k. ĉ. l. (Unua sendo kondiĉo, tuj respondos.)
**Praha-Smichov.** — S-ro R. Ebrle, Libušina 494, PM ĉeĥoslov. kontraŭ PM ĉ. l.
**Reichenberg.** — F-ino Paula Hagenstein, Eisengasse 14, L, PI, k. ĉ. l.
**Reichenberg.** — F-ino Elfriede Hasda, Bismarckstr. 13 II, L, PI, k. ĉ. l.
**Reichenberg.** — S-ro Herbert Appelt, Wallensteinstr. 49, L, PI, k. ĉ. l.
**Ruzomberok.** — S-ro Alexander Krizka, PI, bfl.
**Skrivany ap. Novy Bydzov.** — S-ro Boh. Pultr, PK, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Tetschen.** — S-ro Anton Krikawa, pentristo, Kirchgasse 333, PI, PM, bfl.
**Uzhorod.** — S-ro Aleksandro Spire, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Val. Mezirici.** — S-ro Antonin Schell, 17-jara studento, PI, L, k. ĉ. l. (Angle kaj Esperante.)
**Zumberk 85 apud Chrudim.** — S-ro Jaro Zajiček, PI, PK, L.

### Danzig (Liberŝtato)

**Danzig.** — S-ro W. Kawecki, komercisto, Fischmarkt 40/41, PM (ne germ.; ĉiam respondos).

### Estonio

**Haapsala.** — S-ro Grünthal, fotografisto, PI, L stereoskopaj-fotoj (nur kun fotografistoj).
**Narva.** — S-ro Andreas Mischell, Suur tän. 22, PI, L.
**Reval.** — S-ro J. Vahtkerl, Luisentali 5, 11, dez. interŝanĝi papermonon (unue ne sendas).
**Reval.** — S-ro Artur Malla, Poŝtkesto 136, PM.
**Tallinn** (Revalo). — S-ro Alfred Stamm, Petroleumi 10, PI, k. ĉ. l.
**Tartu.** — S-ro Voldemar Issak, Roosi tän. 31, PI, L.

### Finnlando

**Joensuu.** — S-ro V. Puumalainen, studento, PM, k. ĉ. l. (ne malpli ol 100).
**Oulunkylä.** — S-ro Vainö Ruohisto, Pakinkylä, PM.
**Terijoki.** — S-ro K. Sutinen, PM (vendo — interŝanĝo).
**Turku.** — S-ro F. Kaukopassi, direktoro, L (plej volonte kun kleraj F-inoj).
**Voikka.** — F-ino Kerttu Lehtinen, PI (kun sam-anoj).
**Voikka.** — F-ino Vivi Piironen, PI (kun sam-anoj).
**Voikka.** — F-ino Aina Pessa, PI (kun sam-anoj).
**Voikka.** — F-ino Ainolempi Ainola, PI (kun sam-anoj).

### Francio

**Lille.** — S-ro F. Lepercq, 5, Rue Paul Bert (Fives), PM, k. ĉ. l. (Povas havigi ĉiujn francajn ruĝkrucajn PM kaj la katalogon Yvert et Tellier 1921. Ne sendas unue sed tuj kaj certe respondas.)
**Paris XX.** — S-ro Léon Neau, 13, Ave. du Père Lachaise, L, PK (k. sindikalistoj ĉ. l.).

### Germanio

**Berlin-Steglitz.** — S-ro Aleksandro Venetianer, antaŭe en Miskolcz, Hungario, sciigas al siaj korespondantoj sian novan adreson: ĉe F-ino Schmidt, Bismarckstrasse 2 III, G'haus.
**Essen-Ruhr.** — S-ro Otto Sandrock, Kahrstr. 47, deziras korespondantojn por siaj gekursanoj, PI, k. ĉ. l.
**Frankfurt a. M.** — D-ro med. H. Perl, kuracisto, Neue Mainzerstr. 68, L, PK (pri muziko kaj medicino).
**Görlitz.** — S-ro Alfred Scholz, Breitestr. 3, nur L (kun lertaj Esp-istoj pri politiko, filozofio kaj socia vivo).
**Hamburg 11.** — S-ro Alberto Hoffmeister ĉe P. Marschall, Grosse Bäckerstr. 24, L, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Heidenau-Dresden.** — Esperanto-grupo „Verda stelo“ serĉas por 25 gelernantoj gekorespondantoj en ĉ. l. pri ĉio.
**Heidenau-Süd-Dresden.** — S-ro Willy Röhner, Dohnaerstr. 27, PM, PI, L, Esp. gazetoj, bfl, k. ĉ. l.
**Krefeld.** — S-ro Max Rother, Königstr. 129, L, PI, PM (kun eksterld.).
**Lauingen a. D.** (Bavario). — S-ro K. Riess, 174, PM (eŭropaj novaĵoj).
**Menzelen-West** (Rheinland). — S-ro Hermann Wolfertz, instruisto, PI, PM, gaz.
**München.** — S-ro A. Hahn, Bavariastr. 9 d/O., L, PM, PI.
**München.** — F-ino Fanny Neudorfer, Leopoldstr. 43, PI, bfl (por prop. celoj).
**Plauen i. V.** — S-ro Paul Röder, Johannstr 112, L, PI (kun neeŭropanoj).
**Weinböhla.** — S-ro A. Sohrmann, instruisto, Kronprinzenstr. 5, PI, L.
**Weinböhla.** — F-ino Käthe Sohrmann, Kronprinzenstr. 5, PI, L.
**Weinböhla.** — S-ro Fr. Lang, Bismarckstr. 19, PI, L.
**Weinböhla.** — S-ro Alfred Rösch, Carolastr. 26, PI, L.

**Weinböhla.** — F-ino Erika Rossbach, Victoriastr. 8, Pl, L.
**Weinböhla.** — F-ino Helene Glatzer, Kaiserstr. 43, Pl, L.
**Weinböhla.** — F-ino Olga Schneider, Goethestr. 1, Pl, L.
**Weinböhla.** — F-ino Mathilde Ledwoch, Schindlerstr. 4, Pl, L.
**Weinböhla.** — F-ino Charlotte Jahn, Maxstr. 24. Pl, L.
**Weinböhla.** — F-ino Johanna Winkler, Bartshügelstr. 33, Pl, L.
**Weinböhla.** — F-ino Elisabeth Haase, Moritzburgerstr. 4, Pl, L.

## Hispanio

**Baracaldo.** — S-ro José Salazar, 22, Pormecheta, L, Pl, PK (kun lertaj sam-anoj č. l.).
**Barcelona.** — S-ro Cesar Gallego, 1, strato Asturias, Pl.

## Hungario

**Budapest.** — S-ro Károly Hegedüs, VI, Anker köz 1. II. 4., PM, k. č. l. (nepre resp.).
**Budapest.** — S-ro Andrev Vogel, VI, Andrássgut 33, PM.
**Budapest.** — S-ro Andrev Mezei, VII, Thököly út 36. I. 6., Pl, PM.
**Budapest.** — S-ro Zoltán Nussbaum, VI, Révay u. 24, PM, PK, Pl.
**Budapest.** — F-ino Terezio Batta, Gát utca 31. I. 16., PK, Pl, k. č. l.
**Budapest.** — S-ro Jozefo Batta, metaltornisto, Gát utca 31. I. 16., L, PK, Pl, PM, k. č. l.
**Budapest.** — F-ino Margareto Horváth, Gát utca 31 fszt 4, Pl, PK, k. č. l. (ĉiuj ricevos respondon).
**Budapest.** — S-ro Georgo Ungár, VI., Révay u. 24, L (pri seriozaj temoj).
**Budapest.** — S-ro Adalberto Jukl, X., Hölgy utca 48, Pl, L (pri politiko ne koresp.).
**Szombathely.** — S-ro Aleksio Szenes, Erfurti Magkereskedelmi R. T., Pl, PM.

## Italio

**Antignano** (Livorno). — F-ino Maria Cesàro, 4. Via dell' Elba, PM, k. č. l.
**Pisa.** — S-ro Ugo Baldacci, 10, Via Nino Bixio, Pl, PM.
**Pisa.** — S-ro Giovanni Biondi, Via Nino Bizio, Pl, PM.
**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, 29, Viale Bonaini, PM, Pl, bfl.
**Pisa.** — S-ro Paolo Pontecorvo, Fabbrica Pontecorvo, PM, Pl (ĉiam tuj respondas).
**Pisa.** — S-ro Sergio Samek, 12, Via San Agostino, PM, Pl (ĉiam tuj respondos).
**Roma 20.** — S-ro Marcello Quojani, 18, Via Coppelle, PM (prefere kun novaj ŝtatoj).
**Trento.** — S-ro Giovanni Marchetti, Via S. Maria Maddalena 19/II, p. (interŝanĝi jurnalojn ĉiaspecajn, Esp., franc., germ., ital., stenografiajn).

## Letonio

**Rezekne.** — S-ro S. Grigoriev, Daugarpils Ŝosseja 22, L, Pl (ŝakludo per Pl, prenu la blankajn).
**Riga.** — S-ino E. Strazde kaj S-ro K. Strazde, Suvorova eela 32 dz. 14, Pl, bfl, k. č. l.

## Nederlando

**Utrecht.** — S-ro S. J. Degenkamp, Bethlehemvojo 36, Pl (nur pri preĝejoj ĉiareligiaj; sendu kiel presajon; respondas akurate per tre belaj Pl).
**Zwolle.** — S-ro J Kromme, fervojoficisto, Molenweg 168, PM, k. č. l., Pl (prefere stacidomoj, monumentoj, k. t. p. sed ne fantaziaj).

## Norvegio

**Blaker.** — S-ro Finn Dehli, L, Pl, PM, bfl, k. č. l.

## Polio

**Warszawa.** — S-ro A. Hajkis, studento de fizikaj kaj matematikaj sciencoj, str. Koszykowa 11-11, L, PK, Pl, bfl, PM (estas preferataj militaj, renversaj kaj similaj), k. č. l. (dez. ricev. diverslingvajn gazetojn, revuojn, librojn, koncernantajn socian movadon, interŝanĝe de polaj PM).

## Portugalio

**Lisboa.** — S-ro Feliciano Figuairedo de Carvalho, tiegisto, Calçada de S. Vicente 21-1-, Pl, k. č. l.
**Lisboa.** — S-ro Albino Costa, Rua Joao do Outeiro 16, 3°, Pl, Esp. gaz., k. č. l. (ĉiam respondas).

## Saarteritorio

**Friedrichsthal.** — S-ro Heinrich Bernhard, Kaiserstr. 63 a, L, PK, Pl (precipe stacidomoj kaj preĝejoj).

## Svisio

**Rorschach.** — S-ro Fritz Klingenbeck, oficisto, Pl, bfl, k. č. l.

## Ameriko

**Philadelphia W.** (Pa., Usono). — S-ro Allan L. Rice, 4217, Osage Avenue, Pl, nacilingvaj gazetoj, PM (ne ĉeĥoslov.).

# PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 5 Kr.; *Belgio* 0.80 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 2 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 1.80 Kr. č.; *Finnlando* 1.80 F. M.; *Francio* 0.80 Fr.; *Germanio* 1.60 M.; *Hispanio* 0.50 P.; *Hungario* 5 Kr.; *Italio* 1 L.; *Jugoslavio* 2.50 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 5 M.; *Skandinavio* 0.40 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla oni pagu per ili: 1 respondkupono = 25 centimoj.)

---

**Astronomio.** — Planedar-modelojn kaj aliajn instruilojn deziras aĉeti F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Averto.** — P. Blaise, 125, Hambalt Road, Clapham, London S W 4, volonte respondos demandojn komercajn; sed — pro manko de tempo — ne plu respondos petojn pri interŝanĝo de poŝtkartoj, poŝtmarkoj kaj rondiraj kartoj.

**Avignon.** — F-ino Marie Rousset, 6, Route de Marseille, sciiĝis pri vizito je la 28 septembro de Esperantisto. Bedaŭrinde ŝi tiutempe ne estis hejme kaj petas, ke oni estonte avertu ŝin skribe antaŭe. Ŝi deziras la adreson de la supre nomita samideano. Ŝi salutas antaŭmilitajn korespondantojn.

**Diligenta junulo** (Ĉeĥoslovako), kiu konas ekster Esperanto perfekte rusan, germanan kaj ĉeĥan lingvojn, posedante ankaŭ sufiĉajn sciojn de angla kaj franca samtempe kun la komerca korespondo en la nomitaj lingvoj, okupita kiel drapkaj tolkomercaja komizo plenumas laŭ lia absolvita komerca lernejo ĉiuspecajn kontorajn laborojn. Li sopiras iri Svision, Francion aŭ Anglion kaj serĉas similan oficon, por ke li povu dece kaj kontentige vivi, ĉar li tre ŝatus pliperfektiĝi en franca kaj angla lingvoj. Garantikapabla kaj dankema por ĉiu bona konsilo. Afablajn proponojn bonvolu sendi al la adreso: **Eduard Ŝainer, Kladno,** Jungmannova str. 95 (Ĉeĥoslovakio).

**Esperantajoj.** — La „Brita Literatura kaj Debata Societo", eldonantoj de „Literaturo", deziras ricevi interŝanĝe por tiu gazeto librojn, gazetojn kaj aliajn Esperantaĵojn. Oni sendu al la Honora Sekretario, Charles H. Edmonds, 254, Wightman Road, London N. 8.

**Esperanto** — S-ro Ploussu, Del. de UEA, Pl. Achard, Grenoble (Francio), aĉetos, eĉ kare, la N-rojn de „Esperanto" de septembro 1915 ĝis fino 1917 kaj la tri unuajn N-rojn de „Internacia Bulteno".

**Esperanto-Ekspozicio.** — Por propaganda celo S-ro Loveček en Holešov (Ĉeĥoslovakio) aranĝas dum decembro Esp. ekspozicion kaj petas pri afabla alsendo de ĉiuspecaj Esperantaĵoj utiligeblaj, kiel prezaroj, katalogoj, reklamiloj, gvidlibroj, k. t. p. Al ĉiu sendinto mi dankas per Pl montranta nacian kostumon laŭ famaj pentristoj.

**Filatelistoj.** — Finnaj, estonaj PM vendas kaj interŝanĝas kun PM aliandaj S-ro V. Puumalainen, Joensuu (Finnlando). Mi vendas inkeriaj PM: I. eldono (5—50 p.) por 10 resp. kuponoj, II. eldono (10—80 p.) por 15 resp. kuponoj.

**Filatelistoj.** — Mi kolektas adresojn de interŝanĝantoj de poŝtmarkoj el tuta mondo, precipe de kolonioj kaj insuloj kaj novaj ŝtatoj de la Centra Eŭropo. S-ro Jan Mikš, Praha Nusle 494 (Ĉeĥoslovakio).

**Filatelistoj.** — Sendu al mi per letero rekomendita 50—100 PM malsamajn el via lando, mi tuj sendos al vi la saman kvanton el Germanio. Aldonu respondkuponon. D-ro A. Moebusz, Falkenstr. 12, Lübeck.

**Fremdlandaj jurnaloj.** — Mi kolektas adresojn de plej disvastigitaj jurnaloj kaj komercaj gazetoj de tuta mondo en ĉiuj lingvoj, ankaŭ en Esperanto. S-ro Jan Mikš, Praha Nusle 494 (Ĉeĥoslovakio).

**Gazetoj.** — Novajn kaj malnovajn Esp. gazetojn interŝanĝas: Libreria Luque, Cordoba (Hispanio).

**Gazetoj.** — Novajn Esperantajn gazetojn deziras interŝanĝi kun eksterlandanoj. Mansfeld, Merseburg-Saale, Wilhelmstr. 4.

**Historio de la L. I.** — S-ro C. Rogister, 12, Rue Croix d'Or, Genève, deziras akiri la francligvan verkon de Couturat & Leau „Histoire de la Langue Internationale" kaj petas proponojn.

**Informpeto.** — Samideanoj, precipe tiuj en Siberio, kiuj povus min informi pri la farto de mia kara amiko Aŭgusto Mitreiter, militkaptita supera leŭtenanto en Pavlodar, gubernio Semipalatinsk (Siberio), estas insiste petataj skribi al mi. Lastan sciigon mi ricevis en oktobro 1919. Elspezojn mi volonte repagos. D-ro Guth, Del. de UEA, Teplitz-Schönau, Badeplatz 5 (Ĉeĥoslovakio).

**Interŝanĝrilatoj** kun la tuta mondo. Ĉiu samideano, kiu volas ŝanĝi kaj aĉeti markojn, sin turnu al Josef Kolnhofer, Wien XIII/4., Zehetnergasse 37, kiu havas grandan provizon.

**Kolektantoj.** — Ĉu vi deziras interŝanĝi PM, Pl, Esp. gaz., k. t. p., aŭ ĉu vi volas korespondi en fremdaj lingvoj kun la tuta mondo, aliĝu al la internacia klubo por korespondado kaj kolektado „Harmonio". Jara kotizaĵo en nacia valoro: Aŭstrio K. 40, Germanio Mk. 10, Svisio Fr. 2, Francio kaj Belgio Fr. 3, Britio sh. 2, Usono 50 cent., Italio L. 3, k. t. p. Por aliaj informoj skribu al S-ro John Weninger, Wien 1, Habsburgergasse 6. Korespondo: angla, germana, itala, franca, Esperanta.

**Liberŝtato Danzig.** — PM vendas kaj interŝanĝas kun aliiandaj (ne germanaj) W. Kawecki, Danzig (Liberŝtato), Fischmarkt 40/41. Filatelista afrankado!

**Literaturo.** — La redakcio de la Esperanta Literatura gazeto sendos specimenan ekzempleron de la gazeto post ricevo de respondkupono. Adresu al: Redakcio de Literaturo, 254, Wightman Road, London N 8.

**Malnovaj numeroj de la gazeto „Esperanto" (UEA).** — Mi serĉas numerojn 1—40 kaj mi estas ema rekompensi unuopajn numerojn per ĉio ajn. O. Sklenčka, Del. de UEA, Hradec Kralóvé, Ĉeĥoslovakio.

**Muzikajoj.** — F-ino Encarnación Catala-Talleres, F. C. S., Argentino, deziras interŝanĝi muzikaĵojn por piano. Laŭ deziro mi sendos ankaŭ Pl aŭ PM.

**Poŝtmarkoj.** — S-ro Mihail Milĉev (apoteko S. Menaĥemov), Varna (Bulgario), deziras interŝanĝi PM (escepte Eŭropo, krom la novaj landoj). Ne sendas unua, nepre respondas. Skribu rekomendite!

**Poŝtmarkoj.** — Por kompleta serio de via lando sendas ĉeĥoslovakajn, legionajn, plebiscitajn, militajn, hungar., jugoslav. kaj aliaj laŭ Senf aŭ Yvert. Sendu rekomendite S-ro Aleksander Fleischer, Praha IV-278, Na valech, Ĉeĥoslovakio. Ĉiam respondas.

**Semoj.** — Kiu povas sendi al mi, poŝte, iometon da floraj kaj legomaj semoj el ĉiuj landoj por mia ĝardeno? Klarigu kion vi deziras interŝanĝe. A. M. Oliva, Strato Lorda 2, Santa Clara (Cuba).

**Ukrainio.** — Kiu interesiĝas pri la ukrainia problemo kaj popolo, sin turnu al S-ro Anatolo Koĥ, Varsovio, ul. Chmielna 31, Hotel „Royal“ 64. Plenaj informoj.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Rabato da 10 % por 3 enpresoj kaj 25 % por 12 enpresoj. — (En nacia mono: Vidu la tabelon sub Petoj kaj Proponoj.)

**Agentejo-Makleradо-Reprezentado.** — Firmo Gustave Vermandere, 27, rue van der Keilen, Antwerpen (Belgio). Specialajo: Oleohavantaj grenoj.

**Agentejo, perado.** — Mi peras vendojn kaj aĉetojn de ĉiuspecaj artikloj, precipe ĥemiajoj, fadenoj kaj diversaj teksartikloj, ankaŭ vitrajoj (Gablonzaj artikloj). Josef Döllinger, Warnsdorf, Nord-Bohemio (Ĉeĥoslovakio), (Vicdel de UEA, Esp. Entr.)

**Ĉiuspecan komercajon** precipe akriglitan vitron, vitrajon, porcelanon, lignajn ludilojn, kornan kaj metalan komercajon eksportas kaj korkon kaj alian mondan komercajon, krudajon akceptos komisie: Espera, Eksporto kaj Importo, Praha Nusle N-ro 494/I, Ĉeĥoslovakio.

**En Svislando.** — 5 Rakontoj el verkoj de svisaj aŭtoroj. Elektis kaj tradukis E. Ramo. Ilustrita per 6 fotoj. 104 paĝoj. Prezo fl. 1, afrankite kaj rekomendite fl. 1.25 (9 internaciaj respondkuponoj) ĉe Centra Esperanto-Librejo, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Esperantaj grupoj atentu!** — Esperanta eldonejo faras ĉiaspecajn presajojn (ankaŭ kun bildoj) je nekonkurebIe malaltaj prezoj. Skribu kaj petu proponojn de Fratoj Fethke, Oppeln, Ring 11, Supra Silezio (Germ.).

**Fabiola.** — Rakonto pri la katakomboj de kardinalo Wiseman. El la angla lingvo tradukis E. Ramo. Multaj ilustrajoj. 427 dense presitaj paĝoj. Prezo fl. 2, afrankite kaj rekomendite fl. 2.55 (21 internaciaj respondkupoнoj), ĉe Centra Esperanto-Librejo, Paul Krugerlaan 37, 's-Gravenhage (Nederlando).

**Fiskalajn markojn** de Lombardo Veneto (1850—1870) kaj kelke da poŝtmarkoj, vendus Rag. Amerigo L. Reni, Esperanto-Oficejo, S. Bonifacio (Verona-Italio).

**Komerco.** — Ĉiu, kiu volas aĉeti aŭ vendi ion el aŭ en Germanio sin turnu al S-ro Alberto Hoffmeister, Grosse Bäckerstr. 24, c/o P. Marschall, Hamburg 11.

**Malakito.** — Mi volas aĉeti krudan kupran malakiton po 1015 kilogramoj el iu lando, ankaŭ gemojn en kruda stato. Sendu specimenon kun prezo. Ĉia negoco kontante. Albert Everitt, Escondido (Usono, California).

**Poŝtkart-kolektantoj.** — Kolekto da 100 diversaj PK ilustritaj el Afriko (bildoj de pejzaĝoj, bestoj kaj negroj) vendebla kontraŭ 40 stamp. respondkup. Kurt Kauffmann, Hauptstr. 129, Heidelberg (Germanio).

**Poŝtkartoj** kun belarta portreto de nia Majstro, D-ro Zamenhof, estas riceveblaj je l' prezo de 10 Frankoj %, afrankite. Dezirante specialan surskribajon (nomo de l' grupo, societo, k. t. p.). 12 Frankojn %, afrankite. Reni, Esperanto Oficejo, S. Bonifacio, Verona, Italio.

**Poŝtmarkoj.** — Mi serĉas personojn, kiuj volas aĉeti por mi komerce poŝtmarkojn de siaj landoj; en San Marino, Albanujo, Afganlando kaj insuloj tra la mondo. F. Albino, 22, Ainger Road, London N. W. 3.

**Poŝtmarkoj.** — Bavarajn PM je malalta prezo peras S-ro H. Rippel, Semmelstr. 41, Würzburg (Bavario).

**Poŝtmarkojn,** „Pošta Československá 1919“, 70 specojn 300 fr., PM legionajn 6 por 5 fr., cirkulantajn 48 spec. 50 fr. kaj aliaj jus eldonataj vendas, interŝanĝas S-ino Anna Janovská, Praha, Hradčany, Urednické domy 278. Ĉeĥoslovakio.

**Reprezentado.** — S-ro Advokato Celestino Cacace, vice-direktoro de Napola agentejo de la asekura societo „Riunione Adriatica di Sicurta“, Napoli (Italio), 14, Crociferi al Miracoli, deziras reprezenti eksterlandajn firmojn pri ĉiuspecaj komercajoj kaj produktoj. Donas komercajn informojn pri ĉiuj Italaj komerciokoj.

**Seriozaj Agentoj** serĉas reprezentadon de gravaj komercaj kaj industriaj firmoj eksterlandaj por Italio pri ĉiuspecaj produktajoj. Esperanto Oficejo Reni, S. Bonifacio, Verona, Italio.

**Spertaj agentoj,** bone rekomenditaj, kiu povas vendi pogrande fer- kaj teknikaj artikoloj en ĉiu urbo de Danio, Estonio, Finnlando, Letonio, Litovio, Norvegio kaj Svedio serĉas Kawecki & Wolff, Danzig, Fischmarkt 40/41.

**Ŝtalo.** — S-ro Gueritté, 38, Victoria street, London S. W. 1, aĉetas rondŝtalon por armilbetono, diam. 4 ĝis 45 mm. Altprezo por tuja liverado po 10 ĝis 1000 T.

**Tolo por desegna kopiado.** — S-ro Gueritté, 38, Victoria street London S. W. 1, aĉetas arĥitekturan tolon por desegna kopiado kaj blufotografpaperon.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERN